# Heleco



Presorgano de Astura Esperanto Asocio

Organo de Asociación Asturiana de Esperanto



Numero 77 Oktobro 2001



**Adreso de A.E.A.**
**C/Begoña, 25**
**33206 - GIJÓN**
**Telef. 985 34 19 18**


**ASTURA ESPERANTO ASOCIO** estas esperantista rondo kiu plenumas sian rolon favore al la disvastigado de la Internacia Lingvo unualoke en nia urbo, Gijón, kaj ankaŭ, laŭeble, en tiuj zonoj de la Asturia regiono kie ne ekzistas lokaj E-Grupoj. Nia agado disvolviĝas kadre de la:

La **ASOCIACIÓN ASTURIANA DE ESPERANTO** es un grupo esperantista que realiza su labor por la difusión de la Lengua Internacional en primer lugar en nuestra ciudad, Gijón, y también, en la medida de lo posible, en aquellas zonas de la región asturiana donde no existan grupos esperantistas locales. Desarrollamos nuestra actividad en el marco de la:

## Cátedra «**Jovellanos**» de Extensión Universitaria

## Enhavo — Paĝo — Contenido



La enhavo de la tekstoj de ĉi tiu revuo ne esprimas oficialan opinion de **Astura Esperanto Asocio**; pri ili respondecas la verkintoj mem.

El contenido de los textos de esta revista no expresa la opinión oficial de la **Asociación Asturiana de Esperanto**; de ellos responden sus autores.


La eldonado de ĉi tiu numero de la revuo estis subvenciita de la Fondaĵo pri Kulturo de la Gijona Municipio.

La edición de este número de la revista fue subvencionada por la Fundación de Cultura del Ayuntamiento de Gijón.

Leĝa Registro, n-ro 0/319/85

Depósito Legal, número 0/319/85

# Unu jaro pasis...

Unu jaro pasis ekde la publikigo de la antaŭa numero de **Heleco**, dum la unuaj tagoj de monato decembro de la jaro 2000. Iu el la kutimaj ricevantoj de nia revuo, kaj kiu kunlaboris, ĉefe per temoj de arto kaj literaturo, en kelkaj ĝiaj numeroj, ne ricevis tiun 76an numeron. La 10a de decembro forpasis en Oviedo, estante 83-jaraĝa, nia samideano Alcibiades González Meana. Sia nomo restas ligata a la refortiĝo de la esperantista movado en Asturio post la kolapso kiun signifis por Esperanto en nia lando la Civil-milito. Komence de la jaro 1953, Alcibiades fondis en El Entrego (Langreo, Asturio), kune kun sia frato Adonis (forpasinta antaŭ kelkaj jaroj) kaj aliaj aktivuloj, iun Esperanto-Grupon ***La Verda Kolombejo***, kiu disvastigis la Internacian Lingvon en nia regiono dum kelkaj jaroj. La membroj de tiu asocio regule partoprenis en la vivo de la esperantista movado de nia lando. Alcibiades rolis kiel Sekretario en la 16a Hispana Kongreso de Esperanto, kiu okazis en Gijón en la jaro 1955. Poste, kaj pro la procezo de senindustriigado kiun suferis Langreo-valo, la agado de ***La Verda Kolombejo*** ĉesis, sed ĝia ekzistado ne estis sterila: grandparto el ĝiaj membroj translokiĝis al Gijón kaŭze de ilia profesia laboro, kaj en tiu ĉi urbo ili refortigis nian E-Grupon, kiu tiam nomiĝis ***Grupo "Jovellanos" de Esperanto*** kaj poste rehavis la nomon ***Astura Esperanto-Asocio*** kiun ĝi havis antaŭ la Civil-milito.

Nia revuo, **Heleco**, unuafoje publikiĝis en Gijón fine de la jaro 1975. La titolo estis uzita

# Un año pasó...

Un año pasó desde la aparición del número anterior de **Heleco**, en los primeros días del mes de diciembre del año 2000. Uno de los habituales destinatarios de nuestra revista, y que colaboró, principalmente en temas de arte y literatura, en algunos de sus números, no llegó a recibir el núm. 76. El 10 de diciembre fallecía en Oviedo, a la edad de 83 años, nuestro compañero Alcibiades González Meana. Su nombre está ligado a la recuperación del movimiento esperantista en Asturias después del colapso que supuso para el Esperanto en nuestro país la Guerra Civil.

A comienzos del año 1953, Alcibiades fundó en El Entrego (Langreo, Asturias), junto con su hermano Adonis (fallecido hace unos años) y otros activos esperantistas, un Grupo de Esperanto *La Verda Kolombejo (El Palomar verde)*, que difundió la Lengua Internacional en nuestra región durante unos años. Los miembros de esa asociación tuvieron una regular participación en la vida del movimiento esperantista de nuestro país. Alcibiades actuó como Secretario en el 16 Congreso Español de Esperanto que tuvo lugar en Gijón en 1955. Posteriormente, y en el contexto del proceso de desindustrialización que afectó al valle de Langreo, la actividad de *La Verda Kolombejo* cesó, pero su trayectoria no fue estéril: gran parte de sus miembros se trasladaron a Gijón por razones de trabajo, y en esta ciudad reforzaron nuestro Grupo, que por entonces se llamaba *Grupo "Jovellanos" de Esperanto* y que luego recuperó el nombre de *Asociación Asturiana de Esperanto* que había ostentado con antes de la Guerra.

Nuestra revista, **Heleco**, se empezó a publicar en Gijón a finales de 1975. El título había sido utiliza-


*Alcibiades González Meana*

antaŭe de la menciita E-Grupo de El Entrego, fondita de Alcibiades.
Dum la menciita lasta jarperiodo nia E-Grupo de Gijón daŭre disvolvigis sian kutiman agadon: kursoj, ktp., favore al la disvastigado de Esperanto. Ni publikigas en ĉi paĝo iun foton de la jara festo de Esperanto, kiu kunigas la E-Grupojn de Avilés kaj Gijón, kaj kiu ĉi-okaze estis en nia urbo.
Iu el la ĉefaj agadoj de nia Asocio estas la partopreno en la «Festo de la Lingvoj» kiu okazas ĉiujare en Gijón. Al tiu evento kaj nia partopreno en ĝi, ni dediĉas artikolon en tiu ĉi revuo kun pli detala informo.
La propra revuo, same ol la ceteraj agadoj de ***Astura Esperanto Asocio***, estas serve de la disvastigo de la Internacia Lingvo, ESPERANTO. La eldonado de la lastaj numeroj de **Heleco**, same ol ĉi tiu mem, eblis nur dank' al la subvencio kiu asignis al ni la Komisiono pri Kulturo de la Urb-konsilantaro de Gijón. Ni profitas la okazon por danki tiun helpon kaj ankaŭ tiun alian, kiun asignis al ni la Fondaĵo ESPERANTO de la Hispana Federacio por nia partopreno en la menciita «Festo de la Lingvoj». Ni opinias que nia esperantista grupo devas montriĝi al la publiko tia kia ĝi estas: areto da aktivuloj kiuj ne povas elstari kiel decas al la granda Ideo kiun ni defendas, tiu de universala lingvo serve de la tutmonda interkomunikado. Nia tasko estos plenumita kiam, finfine, la socio komprenos ke ne taŭgas ĉiu ajn alia solvo, al la lingva problemo, kiu ne konsistos en la alpreno de iu ponta lingvo komuna, facila kaj neŭtrala.
Ni atingos tiun sukceson, kiu signifos nia malapero kiel organizita grupo kaj kiel movado, nur tiam, kiam la popolo, la socio, alprenos tiun solvon de Esperanto samkiel iam alprenis la Metran Decimalan Sistemon. La Internacia Lingvo estas iu objetiva, histórica bezono, kaj ties enradikiĝo devus ne plu prokrastiĝi...



do con anterioridad por el mencionado Grupo de El Entrego, fundado por Alcibiades.
Durante el mencionado último período anual nuestro Grupo de Gijón siguió desarrollando su actividad habitual: cursos, etc., en favor de la difusión del Esperanto. Publicamos en esta página una foto de la fiesta anual del Esperanto, que reúne a los Grupos de Avilés y Gijón, y que en esta ocasión tuvo lugar en nuestra ciudad.
Una de las principales actividades de nuestra Asociación es la participación en la «Fiesta de las Lenguas» que tiene lugar cada año en Gijón. A ese evento y nuestra participación en él, le dedicamos un artículo en esta revista con información más detallada.
La propia revista, al igual que las demás actividades de la ***Asociación Asturiana de Esperanto***, está al servicio de la difusión de la Lengua Internacional, ESPERANTO. La edición de los últimos números de **Heleco**, incluído este, fue posible sólo gracias a la subvención que nos concedió la Comisión de Cultura del Ayuntamiento de Gijón. Aprovechamos la ocasión para agradecer esa ayuda y la que nos concedió la Fundación ESPERANTO de la Federación Española para nuestra participación en la mencionada «Fiesta de las Lenguas». Pensamos que nuestro grupo esperantista debe mostrarse al público tal como es: un puñado de activistas que no puede estar a la altura de la grandeza de la Idea que defiende, la de una lengua universal para la comunicación mundial. Nuestra tarea habrá terminado cuando, al fin, la sociedad comprenda que es inadecuada cualquier otra solución, que se dé al problema lingüístico, que no pase por la asunción de un idioma puente común, fácil y neutral.
Conseguiremos ese éxito, que significará nuestra desaparición como grupo organizado y como movimiento, cuando el pueblo, la sociedad, asuma esa solución del Esperanto como asumió en su día la del Sistema Métrico Decimal. La Lengua Internacional es una necesidad objetiva, histórica, y su implantación no debiera demorarse más...
Tal asunción del Esperanto por la sociedad supondría la introducción de esa lengua internacional en

Tia alpreno de Esperanto fare de la socio signifus la enkondukon de tiu internacia lingvo en la normalaj lernoplanoj de ĉiuj landoj, samkiel la tutmonda uzado de tiu idiomo en la internaciaj rilatoj. En tiaj cirkonstancoj, la ŝtatoj mem kaj ties politikaj gvidantoj kaj aŭtoritatoj zorgos pri la konservado kaj disvastigo de Esperanto.

Sed dum tia socia konsciiĝo ne okazos, daŭre estos necesa la sindediĉiĝo de volontuloj kiaj ni, la aktivistoj de la Esperantista Movado. Feliĉe, nuntempe, eĉ se ne estas speciala socia intereso pri nia afero, ankaŭ ne estas rifuzsento kontraŭ ni. Tio ebligas al ni fari ĉiuspecan propagandon pri la Internacia Lingvo, kio ne okazis ĉiam kaj ĉie. Lasttempe la informmedioj de nia urbo traktas nin sufiĉe favore. La 4a kaj 5a de septembro ĉijare la Gijona televido dissendis programon de intervjuo farita al kelkaj estraranoj de nia ***Astura Esperanto Asocio*** temante pri la Internacia Lingvo. Tiu sama informmedio estis farinta similan programon ĝuste antaŭ unu jaro. Same, la tagĵurnalo de nia urbo, ***El Comercio***, publikigis la 26a kaj la 28a de septembro artikolojn pri Esperanto kaj intervjuojn faritajn al membroj de nia E-Grupo. Ni prezentas en ĉi tiu paĝo iujn el la fotoj publikigitaj de tiu ĵurnalo. Ni dankas al tiuj informmedioj pro ties ĝentileco helpi nin en nia tasko propagandi pri nia celo. Iu el tiuj fotoj estis farita okaze de la inaŭguro, en Avilés, de placo kun la nomo "Esperanto", la 21a de septembro.


Faustino Castaño, Julio Argüelles García y Santiago Mulas Gallego.



Reciente inauguración en Avilés del Paseo del Esperanto.

los planes de estudio normales de todos los países, así como el uso mundial de ese idioma en las relaciones internacionales. En tales circunstancias, los Estados mismos y sus dirigentes políticos y autoridades se ocuparán de la conservación y difusión del Esperanto.

Pero mientras no tenga lugar esa concienciación social, seguirá siendo necesaria la dedicación de voluntarios como nosotros, los activistas del Movimiento Esperantista. Afortunadamente, en la actualidad, incluso si no hay un interés especial en la sociedad sobre nuestro asunto, tampoco hay un sentimiento de rechazo contra nosotros. Eso nos permite hacer todo tipo de propaganda sobre la Lengua Internacional, lo que no ocurrió siempre y en todas partes. Últimamente los medios informativos de nuestra ciudad nos tratan bastante favorablemente. Los días 4 y 5 de septiembre de este año la televisión de Gijón emitió un programa de entrevista hecha a algunos directivos de nuestra ***Asociación Asturiana de Esperanto*** sobre la Lengua Internacional. Ese mismo medio informativo hizo un programa similar justamente un año antes.

Así mismo, el diario de nuestra ciudad, ***El Comercio***, publicó los días 26 y 28 de septiembre artículos sobre el Esperanto e interviús hechas a miembros de nuestro Grupo de Esperanto. Incluimos en esta página algunas de las fotos publicadas en ese periódico. Agradecemos a esos medios informativos por su amabilidad en ayudarnos en nuestra tarea de hacer propaganda sobre nuestro objetivo. Alguna de esas fotos fue hecha con ocasión de la inauguración, en Avilés, de una plaza con el nombre "Esperanto", el 21 de septiembre.

# Esperanto
## Internacia Lingvo



**Un idioma para todo el mundo**
**La segunda lengua de cada uno**




Me llamo Juan y soy un esperantista de Gijón.




Pues sí, por tercer año tiene lugar en esta ciudad la "Fiesta de las Lenguas.









Este festival pretende promover el aprendizaje de idiomas por parte del público.




Además este año la fiesta se enmarca en la celebración del Año Europeo de las Lenguas, ¿no es así?




Sí; la Europa que aspira a su unificación debe afrontar el reto del multilingüismo




Los trabajadores y los ciudadanos de todos los países europeos debemos luchar juntos por nuestra problemática común




La eliminación de las fronteras no resuelve nada si persisten las barreras lingüísticas.




Los europeos no nos comprendemos unos a otros...




A la Unión Europea conviene una lengua puente fácil y neutral.




También para el turismo...




Las relaciones personales, la amistad sobre las fronteras y demás barreras...




60a Hispana Esperanto-Kongreso
San Javier (Murcia),
22a ĝis 30a de junio 2001



86-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
21-28 julio 2001
Zagrebo, Kroatio



70ª Itala Kongreso de Esperanto
Trieste, 29 julio - 1 aŭgusto 2001

El Movimiento Esperantista difunde esta Lengua Internacional

*Para cursos de*
**Lengua Internacional**
**Esperanto**
*diríjase a* ☞




**ASTURA ESPERANTO ASOCIO**
**c/ Begoña, 25**
**33206 - GIJÓN (Asturias)**

# Verbos




| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| LA VIRO PORTAS LA SAKON | LA VIRO PORTIS LA SAKON | LA VIRO PORTOS LA SAKON | LA VIRO PORTUS LA SAKON | PORTU LA SAKON |
| LA SAKO ESTAS PORTATA | LA SAKO ESTIS PORTATA | LA SAKO ESTOS PORTATA | LA SAKO ESTUS PORTATA | LA SAKO ESTU PORTATA |

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| LI PUŜAS | LI TIRAS | LI LEVAS | LI MALLEVAS | LI GRIMPAS | LI DRONAS | LI GLITAS | LI NAĜAS |
| LI FALAS | LI PENDAS | LI SALTAS | LI RAMPAS | LI ĴETAS | LI EKZERCAS | LI LUDAS | LI PORTAS |
| LI DORMAS | LI DANCAS | LI RIDAS | LI PLORAS | LI PREĜAS | LI RAJDAS | LI TENAS | LI VETURAS |

| I | OS | AS | IS | U | US |
|---|---|---|---|---|---|
| PAFI | MI PAFOS LA BIRDON | MI PAFAS LA BIRDON | MI PAFIS LA BIRDON | PAFU LA BIRDON! | SE MI PAFUS LA BIRDON MI GIN MANĜUS |
| AMI | AMOS | AMAS | AMIS | AMU | AMUS |
| DIRI | DIROS | DIRAS | DIRIS | DIRU | DIRUS |
| DONI | DONOS | DONAS | DONIS | DONU | DONUS |
| ESTI | ESTOS | ESTAS | ESTIS | ESTU | ESTUS |
| FALI | FALOS | FALAS | FALIS | FALU | FALUS |
| HAVI | HAVOS | HAVAS | HAVIS | HAVU | HAVUS |
| KURI | KUROS | KURAS | KURIS | KURU | KURUS |
| LUDI | LUDOS | LUDAS | LUDIS | LUDU | LUDUS |
| METI | METOS | METAS | METIS | METU | METUS |
| RIDI | RIDOS | RIDAS | RIDIS | RIDU | RIDUS |
| SIDI | SIDOS | SIDAS | SIDIS | SIDU | SIDUS |
| TENI | TENOS | TENAS | TENIS | TENU | TENUS |
| VOLI | VOLOS | VOLAS | VOLIS | VOLU | VOLUS |

## MIN · VIN · ĜIN · ILIN · ŜIN · LIN · NIN

MI LAVAS MIN
MI LAVAS LIN
MI LAVAS ŜIN
MI LAVAS ĜIN
NI LAVAS NIN
VI LAVAS VIN
VI LAVAS VIN
VI LAVAS MIN
VI LAVAS ŜIN
VI LAVAS LIN
VI LAVAS ĜIN
LI LAVAS LIN
LI LAVAS ŜIN
LI LAVAS ĜIN
ŜI LAVAS ŜIN
ŜI LAVAS LIN
ĜI LAVAS ĜIN
ILI LAVAS ILIN
ILI LAVAS ŜIN
ILI LAVAS LIN

## SIN

LI LAVAS SIN
ŜI LAVAS SIN
ILI LAVAS SIN
ĜI LAVAS SIN

# Partopreno de *Astura Esperanto Asocio* en la «Festo de la Lingvoj»




# Participación de la *Asociación Asturiana de Esperanto* en la 'Fiesta de las Lenguas'

En nia urbo, Gijón, en monato marto, de antaŭ du jaroj, okazas la t.n. «Festo de la Lingvoj». Laŭ la propagando far de ties organizintoj, ĝi estas iu iniciato celanta diskonigi kaj festi la lingvan kaj kulturan diversecon kiel esenca heredaĵo de la homa civilizacio, disvolvigi la civitanan kapablon je akceptemo kaj interkomunikado, havigi al la lingvo lernantoj eblecon je praktikado kadre de ia interkomunikado reala, dinamika kaj stimulanta, kaj promocii la lernadon kaj uzadon de idiomoj kiel agrabla kaj riĉiga agado. Verdire, oni intencas consciigi la loĝantaron pri la lingva problemo.
Lingva problemo de la mondo, sed konkrete de tiu ĉi Eŭropo en kiun ni enkondukiĝas kaj kiu antaŭmarŝas al sia unuiĝo. Precize, ĉar la nuna jaro estis deklarita «Eŭropa Jaro de la Lingvoj» far la Eŭropa Unio kaj la Eŭropa Parlamento, ĉi tiu 3a okaziĝo de la Festo enkadriĝis en tiu celebrado.
La organizado de tiu ĉi aranĝo ĝis nun kaj dekomence ĝuis je ĉiutipa institucia apogo, ekde la Urbestraro de Gijón kaj la Konsiliestro pri Klerigado kaj Kulturo de la registaro de la Asturia Princlando ĝis diversaj publikaj kaj privataj korporacioj kiuj kunlaboris diversmaniere. Rilate al la akceptado kiun tiu iniciato havis fare de la publiko, oni devas diri ke ĝi ne similis precize al tiu kiun ĝuis la festo nomata «Nigra Semajno» kaj aliaj festaj kaj distraj aranĝoj organizitaj en Gijón. Temas pri aktoj kun kultura enhavo kiuj, krome, kaj eĉ se ili estas festoformaj, rilatas al iu problemo de nia socio, kaj krome iu problemo pri kiu la loĝantaro ne estas speciale konsci-




En nuestra ciudad de Gijón, en el mes de marzo, desde hace dos años tiene lugar la llamada. «Fiesta de las Lenguas». Según la propaganda de sus organizadores, se trata de una iniciativa dirigida a divulgar y festejar la diversidad lingüística y cultural como una herencia esencial de la civilización humana, desarrollar la capacidad ciudadana de aceptación y comunicación, proporcionar a los estudiantes de idiomas la posibilidad de practicarlos en el marco de una comunicación real, dinámica y estimulante, y promocionar el estudio y uso de idiomas como una actividad agradable y enriquecedora. En realidad, se trata de concienciar a la población sobre el problema lingüístico.
Problema lingüístico del mundo, pero en concreto de esta Europa en la que nos integramos y que avanza hacia su unificación. Precisamente, ya que el año actual fue declarado «Año Europeo de las Lenguas» por la Unión Europea y el Parlamento Europeo, esta 3ª edición de la Fiesta se enmarcó en esa celebración.
La organización de este festejo gozó hasta ahora y desde su comienzo con todo tipo de apoyo institucional, desde el Ayuntamiento de Gijón y la Consejería de Educación y Cultura del Principado de Asturias hasta diversas entidades públicas y privadas que colaboraron de diversos modos. En cuanto al recibimiento que esta iniciativa tuvo por parte del público, hay que decir que no fue precisamente parecido al de la «Semana Negra» y otros montajes lúdicos, de ocio, organizados en Gijón. Se trata de actos de contenido cultural que además, y por muy festivos que sean en su forma, se refieren a un problema de nuestra sociedad, y además un problema sobre el cual la población no está especialmente

igita. Tre malmultaj personoj maltrankviliĝas, ekzemple, pro tiu fakto ke la lingvo-diverseco en Eŭropo, kiu malfaciligas la liberecon de cirkulado de laboristoj ene de la Eŭropa Unio, alkonduku al ia enorma ofensivo de la angla lingvo, domaĝe al la disvolviĝo kaj la konservado de la propraj kaj praaj kulturoj de la tuta kontinento.

Do, mankas la amasa partopreno de la publiko en la agado de la «Festo de la Lingvoj», sed la menciita institucia apogo garantiis, ĝis nun, konkretan tipo je ĉeestantaro. Ni temas pri la gelernantaro, la gestudentoj de diversaj lernejoj kaj gimnazioj, tiel de nia urbo kiel de aliaj lokoj de nia regiono. Dum la kvar tagoj de la festo-daŭro de la nuna jaro, senĉese defilis tra festejo iu juneca publiko al kiu oni povis prezenti ian realaĵon kaj ian lingvan problemaron pri kiuj ĝi estis koninta nenion antaŭe. La lernejoj kaj la instruaj medioj povas multe fari por konsciigi la gelernataron pri la eŭropa situacio rilate al la lingva afero kaj promocii konvenajn solvojn.



Kelkaj estas la proponitaj solvoj, kaj ĉiuj esprimiĝis en la Festo. Jam ni menciis tiun realaĵon de tiu superregado de la angla lingvo, kiu estas rezulto de iu kultura imperiismo -ties de Usono, kompreneble- antaŭ kiu Eŭropo ŝajne troviĝas tiome sendefenda kiom la cetero el la mondo. Sed la defendo devas esti organizata unue en la homa menso kaj volo; temas pri ia kleriga tasko en kiu povas ludi gravan rolon tiel la informmedioj kiel la eduksistemo kaj iniciatoj kiel tiu ĉi «Festo de la Lingvoj» pri kiu ni temas.

La ĉefa mesaĝo, kiun oni povas eltiri el la Festo estas tiu de la toleremo kaj akceptemo antaŭ la lingva kaj kultura diverseco. Rilate al la solvoj por venki la lingvajn barojn, estas, unue, tiu kiun povus nomi "multlingveco", aŭ plej ĝuste "plurlingveco", t.e. promocii la lernadon de aliaj lingvoj, ĝenerale kaj abstrakte konsiderate, tio

concienciada. A muy poca gente le preocupa, por ejemplo, el hecho de que la diversidad lingüística en Europa, que dificulta la libertad de circulación de trabajadores dentro de la Unión Europea, esté siendo saldada con una descomunal ofensiva del inglés, en perjuicio del desarrollo y la conservación de las culturas autóctonas de todo el continente.

Así pues, no hay una participación masiva del público en las actividades de la «Fiesta de las Lenguas», pero el mencionado apoyo institucional garantizó, hasta la fecha, un determinado tipo de asistencia. Nos referimos a los escolares, los alumnos y alumnas de diversas escuelas e institutos de enseñanza media, tanto de nuestra ciudad como de otras localidades de la región. Durante los cuatro días que duró el festejo este año, sin cesar estuvo desfilando por el recinto ferial un público juvenil al que se le podía presentar una realidad y una problemática lingüística con las que no estaba muy familiarizado. La escuela y el aparato docente pueden hacer mucho para concienciar a los estudiantes sobre la situación europea en el tema lingüístico y promover las soluciones adecuadas.

En cuanto a las soluciones propuestas, son varias, y todas tuvieron su expresión en la Fiesta. Ya mencionamos la realidad existente de un predominio del idioma inglés que es el resultado de un imperialismo cultural -de los EE.UU., por supuesto- ante el cual Europa parece estar tan indefensa como el resto del mundo. Pero la defensa debe ser organizada primero en la mente y la voluntad humana; se trata de una labor educativa en la que pueden jugar un importante papel tanto los medios de difusión como el sistema educativo e iniciativas como la «Fiesta de las Lenguas» que comentamos.

El principal mensaje que puede extraerse de la Fiesta es de la tolerancia y receptividad ante la diversidad lingüística y cultural. En cuanto a las soluciones para salvar la barrera idiomática, está, en primer lugar, la que podríamos llamar "multilingüismo", o más exactamente "plurilingüismo", consistente en fomentar el estudio y aprendizaje de otras lenguas, así en general y en abstracto, es de-

estaŝ, que ĉiu homo, niakaze ĉiu hispano, lernu almenaŭ unu fremdan lingvon, aŭ pli ol unu se eble. Nia **Esperantista Movado** prezentiĝas kun sia propra solvo kaj mesaĝo. Ni ne teniĝas kontraŭ aliaj solvoj, sed, jes ja, ni estas pretaj defendi tion kion ni taksas plej konvena. Kaj ne mistaksante la eblan valoron de la plurlingvisma solvo, ni ankaŭ ne rezignas montri siajn mankojn.

Unue, la ĝenerala rekomendo "lerni kroman lingvon" lasas la elektantojn senŝirme antaŭ la propagando kaj influo, socia prestiĝo, ktp. de la ekonomiaj potencoj kiuj disponas je grandaj rimedoj por promocii sian lingvon kaj kulturon domaĝe al la malpli potencaj nacioj. Estas la menciita kazo de la absoluta superregado de la angla lingvo, sed maksimume, en Eŭropo eblus disvastiĝi nur de kromaj lingvoj: la germana kaj la franca. La cetero el la eŭropa teritorio restas kiel tereno de kultura koloniigado fare de la plej riĉaj potencoj.



Aliflanke, la plurlingvismo estas tre parta kaj limigita solvo de la lingva problemo. Ĉiu lernebla lingvo, t.e., ĉiu ajn el la eŭropaj lingvoj, se oni volas atingi sufiĉan gradon je scipovo el ĝi, estas sufiĉe malfacila por plenigi kompletan vivon de ĉiu persono. Nur tiuj tre menskapabluloj povus lerni du aŭ pli fremdajn lingvojn, kaj ĉiukaze tio ne sufiĉos al ili por la tuta teritorio de la Eŭropa Unio, kie oni parolas multaj lingvojn.

La solvo, kiun ni taksas kiel ideala devas posedi tri karakteraĵojn:

1a. Eŭropa bezonas ian **KOMUNAn lingvon**. La dua lingvo de ĉiu eŭropano devas esti komprenata en ĉiu ajn lando kaj en ĉiu ajn angulo de la Eŭropa Unio. Sen tiu premiso oni ne povas pretendi solvita la lingvan problemon de Eŭropo.

2a. La komuna lingvo devas esti **NEŬTRALA**.

cir, que cada persona, en nuestro caso, cada español, aprenda al menos un idioma extranjero, o más si es posible. Nuestro **Movimiento Esperantista** se presenta con su propia solución y su mensaje. No venimos a combatir a otras soluciones pero sí a defender la que nos parece mejor. Y sin menospreciar lo que puede tener de válida la solución del plurilingüismo, tampoco nos abstenemos de mostrar sus limitaciones.

En primer lugar, la recomendación genérica de "aprender otro idioma" deja a los optantes a merced de la propaganda e influencia, prestigio social, etc. de las potencias económicas que disponen de gigantescos recursos para promocionar su lengua y su cultura en detrimento de las naciones más débiles. Está el caso mencionado del absoluto dominio del inglés, pero como mucho, en Europa tendrían posibilidad de difundirse sólo otras dos leguas: el alemán y el francés. El resto del territorio europeo queda como terreno de colonización cultural por parte de las potencias más ricas.

Por otra parte, el plurilingüismo representa una solución muy parcial y limitada del problema idiomático. Cada una de las lenguas a aprender, es decir, cualquiera de las lenguas europeas, si se quiere conseguir un dominio aceptable del idioma, es lo bastante difícil para llenar toda una vida humana. Sólo las personas muy dotadas podrían aprender dos o más lenguas extranjeras, y en todo caso eso nos les bastaría para todo el territorio de la Unión Europea, donde se hablan muchos idiomas.

La solución que vemos como ideal ha de presentar tres características:

1ª. Europa necesita una lengua **COMÚN**. La segunda lengua de todo europeo debe ser comprendida en cualquier país y en cualquier rincón de la Unión Europea. Sin esa premisa no se puede pretender solucionar el problema idiomático europeo.

2ª. La lengua común debe ser **NEUTRAL**. No puede ser la de ninguno de los países existentes, pues

Ne povas esti tiu de iu el la ekzistantaj landoj, ĉar tiukaze temus pri ia maljusta kaj premiga solvo, kvazaŭ premio al la kultura imperiismo de la plej forta potenco. Konstrui Eŭropon sur tioma maljustaĵo estus ia historia eraro kiel estis, siatempe, la konstruado de iuj eŭropaj landoj kiuj altrudis oficialan lingvon al regionoj kiuj posedis sian propan etnian idiomon. La nova Eŭropo kiu naskiĝas ne povas enporti jam dekomence la ĝermon de konfliktoj kiel tiuj kiuj ruinigis, ekzemple, Jugoslavion.

3a. La lingvo komuna kaj neŭtrala devas esti **FACILE** lernebla. Ĝi devas esti iu lingvo demokratia, t.e. taŭga por ĉiuj, ne nur por iu klera elito kapabla lerni fremdajn lingvojn. Por tiaj kleraj elitoj utilas la plurlingvisma solvo, sed por la ordinaraj personoj, plejparto el la loĝantaro, ni bezonas ion nekomplikan, facilan, kio ne postulus multe da lernotempon.

Ĉi tiu mesaĝo, kiun la esperantista movado diskonigas ekde la jaro 1887, konvene adaptita al la kondiĉoj kaj cirkonstancoj de nia epoko kaj de la eŭropa kadro en kiun nia lando enkondukiĝas, estis kion ni klopodis komuniki, de nia stando en la Festo de la Lingvoj, dum la tagoj 13a al la 16a de marto. Por faciligi sian komprenon, ni disdonis iujn materialojn, tiucele preparitaj, el kiuj ni prezentas ion en tiuj ĉi paĝoj. Krom la bildstria paĝo kun desegnaĵoj kaj dulingva teksto, Esperanta kaj Hispana, kiu jam estis prezentita en la revuo de la Festo, ni disdonis ankaŭ ian instruan materialon celante montri unu el la menciitaj karakteraĵoj de Esperanto: ties lerno-facileco. Nia ASTURA ESPERANTO ASOCIO, krom siaj kursoj de la Internacia Lingvo, tre alte taksas sian partoprenon en tiutipaj aktoj, kiuj ebligas alveni al la publiko, eĉ se ankoraŭ temas pri ia selekta kaj ne amasa publiko.



La urbestrino kaj iu konceliestro vizitas nian standon

*La alcaldesa y unos concejales visitan nuestro stand*

en ese caso se trataría de una solución injusta, abusiva, un premio al imperialismo cultural de la potencia más fuerte. Construir Europa sobre tamaña injusticia sería un error histórico como lo fue, en su día, la construcción de algunos países europeos que impusieron una legua oficial determinada a regiones que tenían su propio idioma. La nueva Europa que está naciendo no puede llevar ya desde el principio la semilla de conflictos como los que arruinaron, por ejemplo, a Yugoslavia.

3ª. La lengua común y neutral debe ser de **FÁCIL** aprendizaje. Debe ser una lengua democrática, para toda la gente, no sólo para una élite intelectual capaz de aprender lenguas extranjeras. Para las élites intelectuales sirve perfectamente la solución plurilingüista, pero la gente normal y corriente, la mayoría de la población, necesitamos algo sencillo, fácil, que no robe mucho tiempo de estudio.

Este mensaje, que el movimiento esperantista viene difundiendo desde 1887, convenientemente adaptado a las condiciones y circunstancias de nuestra época y del marco europeo en el que nos encuadramos, fue el que tratamos de comunicar, desde nuestro stand en la Fiesta de las Lenguas, durante los días 13 al 16 de marzo. Para facilitar su comprensión, distribuíamos unos materiales que habíamos preparado, del cual exponemos algo en estas páginas. Aparte de la historieta dibujada y con texto en ambos idiomas, Esperanto y Español, que ya había sido incluída en la revista de la Fiesta, distribuimos también un material didáctico con la finalidad de mostrar una de las mencionadas características del Esperanto: su facilidad de aprendizaje.

Nuestra ASOCIACIÓN ASTURIANA DE ESPERANTO, además de los cursos de la Lengua Internacional que imparte, valora muy positivamente su participación en este tipo de actos, que le permite llegar al público, aunque de momento se trate aún de un público selectivo y minoritario.

# Sufijo -ist profesión


Horloĝo

Horloĝisto

Boto

Botisto

Maro

Maristo

Fervojo

Fervojisto

Dento

Dentisto

Floro

Floristo

Drogo

Drogisto

Harpo

Harpisto

| *Español* | | *Francés* | | *Inglés* | | *Italiano* | | *Esperanto* | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| trabajo | obrero, trabajador | travail | travailleur | work | worker | lavoro | lavoratore | laboro | laboristo |
| flor | florista | fleur | fleuriste | flower | florist | fiore | fiorista | floro | floristo |
| diente | dentista | dent | dentiste | tooth | dentist | dente | dentista | dento | dentisto |
| mar | marinero | mer | marinier | sea | marine seaman | mare | marinaro | maro | maristo |
| reloj | relojero | horloge | horloger | clock | clockmaker | orologio | orologiaio | *horloĝo* | *horloĝisto* |
| puerta | portero | porte | portier | gate | porter | portier | portiere | pordo | pordisto |
| tambor | tamborilero | tambour | tambourinaire | drum | drummer | tamburo | tamburo | tamburo | tamburisto |
| escritor-artista | autor | écrire | auteur écrivain | work of art | author | scrivere | skrittore | verki | verkisto |
| enseñar, instruir | profesor, maestro | ensegner instruire | instructeur | to teach | teacher | instruire, insegnare | istruttore | *instrui* | *instruisto* |
| cocinar | cocinero | cuire | cuisinier | to cook | cook | cucinare | cuoco | kuiri | kuiristo |
| curar | médico | guérir | médecin | to cure | medical | curare, sanare | medico | kuraci | kuracisto |
| deporte | deportista | sport | sportif | sport | sports | sport | sportivo | sporto | sportisto |
| vender | vendedor | vendre | vendeur | to sell | selling | vendere | venditore | vendi | vendisto |
| cantar | cantante | chanter | chanteur | to sing | singer | cantare | cantante | kanti | kantisto |
| asar | hornero | rôtir | rôtisseur | to roast | roasting-jack | arrostire | fornaio | baki | bakisto |
| granja | granjero | ferme | fermier | farm | farmer | fattoria | fattore | farmo | farmisto |
| farmacia, botica | farmacéutico, boticario | pharmacie | pharmaceutique | pharmacy | pharmacist | farmacia | farmacista | apoteko | apotekisto |
| banco | banquero | banc | banquier | bank | banker | banco | banchiere | banko | bankisto |
| danzar, bailar | bailarín | danser | danseur | to dance | dancer | ballare | ballerino | danci | dancisto |
| ojo | oculista | oeil | oculiste | eye | occulist | occhio | oculista | okulo | okulisto |
| foto | fotógrafo | photo | phtographe | photo | photographer | foto | fotografo | foto | fotisto |

# Sufijo -ej *lugar*


Kuiri


Kuirejo


Manĝi


Manĝejo


Preĝi


Preĝejo


Dormi


Dormejo


Kolombo


Kolombejo


Hundo


Hundejo


Ĉevalo


Ĉevalejo


Libro


Librejo

| *Español* | | *Francés* | | *Inglés* | | *Italiano* | | *Esperanto* | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| estudiar | escuela | étudier | école | to studi | school | studiare | scuola | lerni | lernejo |
| cocinar | cocina | cuire | cuissine | to cook | kitchen | cocinare | cucina | kuiri | kuirejo |
| beber | bar, taberna | boire | bar | to drink | bar, tavern | bere | bar, bettola | drinki | drinkejo |
| comer | comedor | manger | salle à manger | to eat | dining-room | mangiare | sala da pranzo | manĝi | manĝejo |
| nadar | piscina | nager | piscine | to swim | swimming-pool | nuotare | piscina | naĝi | naĝejo |
| rezar | templo, iglesia | prier | temple, église | to say | church | pregare | templo | preĝi | preĝejo |
| libro | librería | livre | libraire | book | bookcase | libro | libreria | libro | librejo |
| soldado | cuartel | soldat | quartier | soldier | barracks | soldato | caserma | soldato | soldatejo |
| tumba, sepultura | cementerio | tombe | cimetière | tomb | cemetery | tomba, sepoltura | cimitero | tombo | tombejo |
| jugar | sala de juegos | jouer | récrèatif | to play | playing-field | giocare | salone dell giocco | ludi | ludejo |
| café | cafetería | cafè | cafèier | coffee | coffee house | caffe | buffet | kafo | kafejo |
| hormiga | hormiguero | fourmi | fourmillère | ant | ants' nest | formica | formicaio | formiko | formikejo |
| caballo | cuadra | cheval | écurie | horse | stable | cavallo | stalla | ĉevalo | ĉevalejo |
| cerdo | pocilga | porc | porcherie | pig | pigsty | porco | porcile | porko | porkejo |
| toro | establo | taureau | étable | bull | cowshed | toro | stalla | bovo | bovejo |
| paloma | palomar | colombe | colombier | pigeon | pigeonloft | colomba | colombaia | kolombo | kolombejo |
| perro | perrera | chien | chenil | dog | kennel | cane | canile | hundo | hundejo |
| cordero | aprisco | agneau | bergerie | lamb | sheepfold | agnelo | stalla | ŝafo | ŝafejo |
| gallina | gallinero | poule | poulailler | hen | henhouse | gallina | pollaio | kokino | kokinejo |
| apacentar | pradera | paitre | prairie | to pasture | grassland | pascolare | prato | paŝti | paŝtejo |
| ir | senda | aller | sente | to go | path | andare | sentiero | iri | irejo |

# AL LINGVA DEMOKRATIO

## Strategia Laborplano de UEA 2001-2010

La Komitato de Universala Esperanto Asocio dum la Universala Kongreso en Tel-Avivo principe aprobis la Laborplanon, kies tekston oni prezentas ĉi-sube. La definitiva akcepto, tamen, estis prokrastigita ĝis la Universala Kongreso en Zagrebo cele de ke, dum la unujara periodo inter ambaŭ kongresoj, la plano estu ĝisfunde pristudata kaj ricevu la alportaĵojn de la esperantistaro.
Antaŭ ni do, estas laborplano por la agado de nia esperantista movado dum la tuta nuna jardeko. El ĝi, la Esperanto-Grupoj, kiaj nia Astura Esperanto Asocio, kaj ĉiuj unuopaj esperantist(in)oj povas eltiri ideojn por la realigo de nia tasko en la celo de disvastigado de la Internacia Lingvo.

CEL-DEKLARO DE UEA
UEA celas grupigi tiujn uzantojn de Esperanto, individuajn kaj kolektivajn, kiuj volas kunlabori por ties progresigo en la vasta kadro de agado por pli justa mondo.
UEA aparte celas kontribui al pli vasta konscio pri la valoro de la neŭtrala lingvo Esperanto, kaj al pli amasa lernado kaj uzado de Esperanto en interkulturaj kaj interlingvaj rilatoj.
UEA celas evoluigi idean kaj organizan kadron, en kiu ĝiaj anoj povas senpere kaj efike kontaktiĝi kaj kunlabori, sen limigoj rilate al etna, nacia, seksa aŭ ekonomia identeco, politikaj aŭ religiaj kredoj, kaj simile.
UEA bazas ĉiun sian agadon sur respekto de la homaj rajtoj, de neperforta paca kunvivado kaj de la vivo-diverseco ĝenerale.

STRATEGIA LABORPLANO DE UEA 2001-2010

*Enkonduko*
*Al lingva demokratio* estas plano por nova kampanjo kaj strategia plano por UEA en la periodo 2001-2010. Ĝi estas sekvanto de la strategia plano *Kampanjo 2000 por nova lingva ordo*, kiu plu validos ĝis la akcepto de la nova plano dum la komitatkunsido en Zagrebo.
*Al lingva demokratio* estas strebo surbaze de analizo de la nuna stato de la Esperanto-movado kaj la spertoj de Kampanjo 2000 plifortigi la agadon de UEA kaj kontribui al la bonfarto de la tuta movado. Memorante pri la celoj de Kampanjo 2000 (1. Levi la organizan kaj idean nivelon de la Esperanto-movado, 2. Levi la prestiĝon de la internacia lingvo, 3. Influi la internacian vivon) - ĝi difinas prioritatojn por la agado de UEA kaj provizas kadrojn por progresigo de la movado.
Ĝi analizas la agadon por Esperanto laŭ tri agad-kam-

# HACIA UNA DEMOKRACIA LINGÜÍSTICA

## Plano Estratégico de Trabajo de UEA 2001-2010

El Comité de la Asociación Universal de Esperanto durante el Congreso Universal en Tel-Aviv aprobó en principio el Plan de trabajo, cuyo texto se presenta a continuación. La aprobación definitiva, no obstante, fue aplazada hasta el Congreso Universal en Zagreb para que, durante el período anual entre ambos congresos, el plan sea estudiado en profundidad y reciba las aportaciones de los esperantistas. Así pues, ante nosotros está un plan de trabajo para la acción de nuestro movimiento esperantista durante toda una década. De él, los Grupos de Esperanto, tales como nuestra Asociación Asturiana de Esperanto, y todos los esperantistas individualmente pueden extraer ideas para la realización de nuestra tarea en el objetivo de difusión de la Lengua Internacional.

DEKLARACIÓN DE OBJETIVOS DE UEA
UEA pretende agrupar a todos los usuarios de Esperanto, individuales y colectivos, que quieren colaborar en su progreso en el amplio marco de acción por un mundo más justo.
UEA pretende en especial contribuir a una más amplia concienciación sobre el valor de la lengua neutral Esperanto, y a un más masivo aprendizaje y uso de Esperanto en las relaciones interculturales e interlingüísticas.
UEA pretende hacer evolucionar un marco ideológico y organizativo, en el cual sus miembros puedan directa y eficazmente contactar y colaborar, sin limitaciones de identidad étnica, nacional, sexual o económica, credos políticos o religiosos, etc.
UEA basa toda su actuación en el respeto a los derechos humanos, de convivencia pacífica no violenta y de la diversidad vital en general.

PLAN ESTRATÉGICO DE TRABAJO DE UEA 2001-2010

*Introducción*
*Hacia una democracia lingüística* es un plan para una nueva campaña y un plan estratégico para UEA en el período 2001-2010. Es una continuación del plan estratégico *Campaña 2000 para un nuevo orden lingüístico*, el cual permanecerá en vigor hasta la aceptación del nuevo plan en la reunión del comité en Zagreb.
*Hacia una democracia lingüística* es un esfuerzo sobre la base de un análisis del estado actual del movimiento esperantista y las experiencias de Campaña 2000 para fortalecer la acción de UEA y contribuir a la buena salud de todo el movimiento. Recordando los objetivos de Campaña 2000 (1. Elevar el nivel organizativo e ideológico del movimiento esperantista, 2. Elevar el prestigio de la lengua internacional, 3. Influir en la vida internacional) -define prioridades para la acción de UEA y provee marcos para hacer progresar el movimiento.
Analiza la acción por el Esperanto según tres campos de acción:
- comprensión sobre el Esperanto (información externa, culturización interna sobre el Esperanto y sobre comunicación internacional);
- promover que se hable Esperanto (desde cursos de todos

poj:
- komprenigo de Esperanto (ekstera informado, interna klerigado pri Esperanto kaj pri internacia komunikado);
- paroligo de Esperanto (de kursoj ĉiunivelaj, ĝis renkontiĝoj kaj kongresoj), kaj
- utiligo de Esperanto (por interkultura edukado kaj internacia praktika kunlaboro).

Ni recomendas, ke ĉiu kunlaboranta Esperanto-organizaĵo analizu sian agadon en tiu kadro, kaj vastigu la laboron en tiuj kampoj, kiuj estas plej malfortaj aŭ pri kiuj ili plej kompetentas.

La plano ankaŭ identigas strategiajn prioritatojn aplikeblajn al ĉiu agad-kampo. Tiuj koncepteblas kiel tri agad-direktoj:
- profesiiĝo,
- plijuniĝo,
- tutmondiĝo.

La plano povas servi al ĉiu kunlaboranta organizaĵo kiel komuna bazo por agado. Ĉiu organizaĵo povas analizi sian agadon laŭ tiu ĉi kadro. La baza plano estas ĝenerala kaj nur indikas kelkajn ĉefajn gvidliniojn. Post ĝia definitiva akcepto ĉiu organizaĵo povas adopti ĝin al siaj kondiĉoj, tenante laŭeble ĝian ĝeneralan ideon: agado "al lingva demokratio" per atento al la tri laborkampoj kaj labordirektoj.

Apartaj detalaj laborprogramoj estu faritaj pri la praktikaj paŝoj por la plenumo de la plano. La ellaboron kaj plikonkretigon gvidos la Estraro kaj aparta tiucele starigita komisiono surbaze de vasta publika diskuto ĝis la komitatkunsido en 2001. La Komitato estu informita pri la progreso de la laboro minimume ĉiun trian monaton. Lige al la UK en 2001 estu organizita speciala strategia seminario por la Komitato.

La Komitato dediĉu specialan atenton ĉiun duan jaron al la pritakso de la atingoj de la plano. La Komitato povas kiam ajn, por respondi al novaj evoluoj, revizii aŭ nuligi ĝin por alpreni novan planon.

*Plano*

1-a agad-kampo: KOMPRENIGO DE ESPERANTO

*Tio signifas atingi, ke pri Esperanto la celataj homoj havu kiel eble plej ĝustajn ideojn. La agadkampo ankaŭ celas atenton al vasta kompreno pri la aspektoj de internacia komunikado en la Esperanto-movado kaj ekster ĝi. Konsciigo kaj klerigo de la movadanoj estas esencaj por sukcesa kaj vastskala konsciigo kaj klerigo ekster la movado.*

Sur la ekstera kampo, necesas celi ne nur al pasiva informado (nur al petantoj), sed plie al aktiva informado, ĉu al la publiko ĝenerala ĉu al pli faka publiko. Tiucele, ni rekomendas, ke ĉiu organizaĵo pristudu la informkanalojn uzatajn por similaj kulturaj-sociaj-internaciaj agadoj en la koncernaj landoj aŭ medioj. Oni nepre ne neglektu la diversajn uzojn de elektronikaj retoj por nacilingva informado. Oni ankaŭ utiligu maksimume la eblojn de tradukado por disponigi kva-

los niveles, hasta encuentros y congresos), y
- promover la utilización del Esperanto (para la educación intercultural y cooperación internacional práctica).

Recomendamos, que toda organización esperantista colaboradora analice su acción en ese marco, e intensifique el trabajo en aquellos campos, que sean más débiles o sobre aquellos en los que ellos sean más competentes.

El plan también identifica las prioridades estratégicas aplicables a cada campo de acción. Ellos se pueden concebir como tres direcciones de acción:
- profesionalización,
- rejuvenecimiento,
- mundialización.

El plan puede servir a toda organización colaboradora como una base común para la acción. Cada organización puede analizar su acción según este marco. El plan básico es general e indica sólo algunas directrices principales. Tras su definitiva aprobación cada organización puede adaptarlo a sus condiciones, conservando en lo posible su idea general: acción "para una democracia lingüística" poniedo atención a los tres campos y direcciones de trabajo.

Háganse programas de trabajo detallados aparte sobre los pasos prácticos para la realización del plan. La elaboración y concreción sean dirigidos por la Dirección y por una comisión especialmente constituida para este fin sobre la base de una amplia discusión pública hasta la reunión del comité en el 2001. El Comité debe ser informado sobre el progreso del trabajo al menos trimestralmente. En relación al UK en 2001 debe ser organizado un seminario estratégico especial para el Comité.

Que el Comité dedique una atención especial cada dos años a la valoración de los logros del plan. El Comité puede en cualquier momento, para responder a nuevas evoluciones, revisarlo o anularlo para asumir un nuevo plan.

*Plan*

1er campo de acción: FOMENTAR LA COMPRENSIÓN SOBRE EL ESPERANTO

*Significa lograr, que la personas interesantes tengan acerca del Esperanto las ideas más acertadas posible. El campo de acción persigue también una atención a una amplia comprensión sobre los aspectos de comunicación internacional en el movimiento esperantista y fuera de él. Concienciación y culturización de los miembros del movimiento son esenciales para una exitosa y amplia concienciación y culturización fuera del movimiento.*

En el terreno exterior, es preciso aspirar no sólo a una información pasiva (sólo a los que la soliciten), sino además a una información activa, tanto al público en general como al un público más especializado.

A ese fin, recomendamos, que cada organización estudie los canales de información usados para acciones similares culturales-sociales-internacionales en los países o medios correspondientes. No dejar de prestar atención a los diversos usos de redes electrónicas para la información en lengua nacional. Utilícense al máximo también las posibilidades de traducción para proporcionar informes de calidad en el mayor número de lenguas posible.

En el terreno interno, es preciso reforzar la tradicion de culturización continua sobre el Esperanto, bien sea sobre el idioma mismo, o sobre su historia, literatura, significación sociopolítica o evolución terminológica. Entre los

litajn informojn en kiel eble plej multaj lingvoj.
Sur la interna kampo, necesas plifortigi la tradicion de daŭra klerigado pri Esperanto, ĉu pri la lingvo mem, ĉu pri ĝiaj historio, literaturo, socipolitika signifo aŭ terminologia evoluo. Inter la eblaj rimedoj troviĝas libroklubоj, studgrupoj, seminarioj, ekzamenoj kaj konkursoj.
Direkte al tutmondiĝo la agadkampo entenas atenton al tutmonda konsciigo kaj klerigo en regionoj kaj landoj kie la Esperantomovado ne enradikiĝis aŭ estas malforta.
Direkte al plijuniĝo la agadkampo entenas atenton al konsciigo kaj klerigo de junaj personoj en kaj ekster la movado.
Direkte al profesiiĝo la agadkampo entenas atenton al plikvalitigo de la studado de internacia komunikado kaj de la rolo de Esperanto.

2-a agad-kampo: PAROLIGO DE ESPERANTO
*Tio signifas atingi, ke lerniloj kaj lern-okazoj -inkluzive de Esperanto-renkontiĝoj- estu facile troveblaj kaj allogaj por la celataj homoj.*
Necesas koncepti la esperantistiĝon kiel daŭran procezon, kiu ne finiĝas per la trapaso de baza kurso. Instruistoj trejniĝu pri komunikiga kaj aktiviga pedagogioj, ĉu ekster- ĉu en-movade. Tiucele la movado evoluigu kapablojn liveri tian trejnadon je profesia nivelo, traktante precipe la specifaĵojn de Esperanto-instruado. Ĉiuj kursgvidantoj dediĉu parton de la kurso al la pretigado de la lernantoj por posta memstara agado; laŭeble oni ankaŭ proponu konkretan daŭrigan kurson. En la planado de renkontiĝoj kaj kongresoj, la orientigo kaj kontentigo de novuloj estu nepra prioritato. Izolitojn oni kunligu telefone kaj retpoŝte.
Direkte al tutmondiĝo la agadkampo entenas atenton al sukcesa kultur-sentema instruado de la fenomeno Esperanto tutmonde.
Direkte al plijuniĝo la agadkampo entenas atenton al instruado de la fenomeno Esperanto al junuloj kaj de junuloj.
Direkte al profesiiĝo la agadkampo atentas al la trejnado de Esperanto-instruistoj kaj al instruado de la lingvo al personoj, kiuj povas utiligi siajn konojn de la fenomeno Esperanto en sia profesia vivo.

3-a agad-kampo: UTILIGO DE ESPERANTO
*Tio signifas atingi, ke la celataj homoj trovu ion valoran kaj interesan per sia uzado de la lingvo.*
Necesas transiri de la nuna situacio al vast-skala utiligo de Esperanto por praktikaj celoj de la homa vivo, kiuj povas esti plej variaj, de scienca informiĝo al komerco. Fakaj asocioj iĝu pli videblaj en landaj kaj internaciaj kongresoj kaj renkontiĝoj kaj en Interreto. Estu emfazo je interkulturaj utiligoj kaj je utiligoj proponeblaj kiel eble plej frue al memlernantoj.

1-a agad-direkto: PROFESIIĜO
*Tio signifas la varbadon kaj aktivigon de i.a. intelekt-*

medios posibles están los clubs literarios, grupos de estudio, seminarios, exámenes y concursos.
En lo referente a la mundialización el terreno de acción implica una atención a la concienciación y culturización en regiones y países donde el movimiento esperantistas no enraizó o es débil.
Sobre el rejuvenecimiento el terreno de ación implica una atención a la concienciación y culturización de personas jóvenes dentro y fuera del movimiento.
Para la profesionalización el terreno de acción implica una atención a la mejora de calidad del estudio de comunicación internacional y del papel del Esperanto.

2º campo de acción: PROMOVER QUE SE HABLE ESPERANTO
*significa lograr, que los materiales y ocasiones de estudio -inclusive de encuentros esperantistas- se encuentren fácilmente y sean atractivos por las personas interesantes.*
Es preciso concebir la esperantización como un proceso continuo, que no se termina por la realización de un curso básico. Los enseñantes deben entrenarse sobre pedagogía de comunicación y activación, tanto fuera como dentro del movimientlo. A ese fin el movimiento debe hacer evolucionar las capacidades de desarrollar ese entrenamiento a nivel profesional, tratando principalmente las especifidades de la enseñanza del Esperanto. Todos los impartidores de cursos han de dedicar una parte del curso al la preparación de los estudiantes para una posterior acción por su propia iniciativa; en lo posible también se ha de proponer un curso concreto de continuación. En la planificación de encuentros y congresos, la orientación y la satisfacción de los nuevos ha de ser una prioridad indefectible. A los estudiantes aislados se los de relacionar por teléfono y por medio de la red postal.
Acerca de la mundialización, el terreno de acción implica una atención a la exitosa enseñanza de un sentimiento cultural del fenómeno Esperanto a escala mundial.
Para el rejuvenecimiento el campo de acción implica una atención a la enseñanza del fenómeno Esperanto para los jóvenes y de los jóvenes.
En relación a la profesionalización el campo de acción presta atención al entrenamiento de los enseñantes de Esperanto y a la enseñanza de la lenguao a personas, que puedan utilizar sus conocimientos del fenómeno Esperanto en su vida profesional.

3er campo de acción: PROMOVER LA UTILIZACIÓN DEL ESPERANTO
*Significa lograr, que las personas interesantes encuentren algo valioso e interesante por su uso de la lengua.*
Es preciso pasar de la situación actual a la utilización a gran escala del Esperanto por objetivos prácticos de la vida humana, que pueden ser muy variables, desde información técnica al comercio. Las asociaciones especializadas deben hacerse más visibles en congresos y encuentros nacionales e internacionales y en Internet. Póngase énfasis en la utilización intercultural y en usos que se puedan proponer lo más pronto posible a los que estudian autodidácticamente.

1ª directriz de acción: PROFESIONALIZACIÓN
*Significa el reclutamiento y activación de, entre otros, intelectuales, universitarios, científicos, organizadores, periodistas, publicistas, enseñantes, y otros. Interesan además personas con*

*uloj, universitatanoj, sciencistoj, organizistoj, ĵurnalistoj, publicistoj, instruistoj, k.a. Celindas krome homoj kun fakaj kapabloj en kampoj ekster la propra profesio. Ĉi tiuj homoj povas alporti valorajn kapablojn, sed tipe la tempo kiun ili povas disponigi al movada agado estas limigita. Gravas taŭga apogo de la asocio (precipe de ĝiaj propraj profesiuloj) al ĉi tiuj fakuloj, por ke ili engaĝiĝu en konsentitaj projektoj kaj tie povu labori kun maksimuma produkt-ebleco. Reekzamenindas la celtrafeco kaj disdivido de la enmovadaj profesiaj fortoj, por ke ili ekvilibre disparti ĝu al administrado, livero de servoj kaj apogo de la disvastigaj agadoj, kiel difinitaj en ĉi tiu plano.* Profesiiĝo havas implicojn por la tri agad-kampoj:

En la kampo KOMPRENIĜO, ĝi signifas unuavice la ellaboron de taŭga inform-materialo. Ĝi ankaŭ signifas la ellaboron de studprogramoj pri Esperanto je supera nivelo, kaj la eldonadon de kompetentaj verkoj pri esperantologio kaj interlingvistiko.

En la kampo PAROLIGO, ĝi signifas unuavice la plibonigadon de nia instruista tradicio, kun disponigo de rimedoj por programo de instruista trejnado, perfektigo kaj ekzamenado kaj eldonado de lernilproduktoj, modernaj kaj enhave kaj prezentrimede. Tio inkluzivu la akceptitan principon, ke minimume unu enmovada aganto okupiĝu pri instruado en profesiaj kondiĉoj.

En la kampo UTILIGO, ĝi signifas la kunligadon de samfakuloj por stimuli ilian agemon per Esperanto. Esperanto estos rigardata kiel vera lingvo, kiam ĝi estos utila ankaŭ por atingi ĉiuspecajn celojn de la homa vivo.

<u>2-a agad-direkto:</u> PLIJUNIĜO

*Tio signifas la varbadon kaj aktivigon de gejunuloj.* TEJO kaj ĝiaj landaj kaj fakaj sekcioj ludas gravan rolon en la nuntempa Esperanto-kulturo, sed tro ofte ekzistas divido inter ili kaj la ceteraj movadaj strukturoj. Necesas pli da dialogado kaj reciproka subteno inter la generacioj je ĉiuj niveloj. Ni rekomendas ke la Estraroj de UEA kaj TEJO ellaboru apartan laborplanon por tiu celo kaj tasku por ĝia efektivigo komunan komisiiton/komisionon.

Fakaj kaj aliaj asocioj organizu siajn kongresojn, servojn kaj agadojn tiel, ke ili estu allogaj ankaŭ al junuloj, precipe praktikantaj fakuloj. Estu lokoj por junuloj en iliaj gvidorganoj.

<u>3-a agad-direkto:</u> TUTMONDIĜO

*Tio signifas la varbadon kaj aktivigon de anoj en landoj kie Esperanto ankoraŭ ne trovis radikojn.*

Eŭropo ne plu rolas kiel la unusola pezocentro de la Esperantomovado; ni bonvenigu kaj daŭrigu tiun evoluon. La regionaj komisionoj de UEA meritas plian apogon kaj diskonigon, i.a. per pli elstara loko en ĝiaj ĉefaj eldonaĵoj kaj aranĝoj. La regionaj kongresoj transprenu rolon en la trejnado de instruistoj kaj klerigado pri Esperanto. Ĉiuj organizaĵoj donu pli grandan prioritaton en sia agado al translima kunlaboro

*capacidades especializadas en campos fuera de la propia profesión. Estas personas pueden aportar valiosas capacidades, pero típicamente el tiempo que ellas pueden poner a disposición de la actividad del movimiento es limitada. Importa el apoyo apropiado de la asociación (principalmente de sus propios profesionales) a estos especialistas, para que se enganchen en proyectos asumidos y puedan trabajar con el máximo de productividad. Conviene reexaminar la eficacia y la división de las fuerzas profesionales del movimiento, para que se distribuyan equilibradamente a la administración, cumplimiento de servicios y apoyo de las acciones amplificadas, como son definidas en este plan.* La profesionalización tiene implicaciones para los tres campos de acción:

En el campo de la promoción de la comprensión del Esperanto, en primer lugar significa la elaboración de un material informativo apropiado. Significa también la elaboración de programas de estudio sobre el Esperanto a nivel superior, y la edición de obras competentes sobre esperantologío e interlingüística.

En el campo de promover que se hable Esperanto, significa en primer lugar la mejora de nuestra tradición de enseñanza, con puesta a punto de medios para un programa de entrenamiento de enseñantes, perfeccionamiento y exámenes y edición de materiales de enseñanza, modernos tanto en lo que se refiere al contenido como a la presentación. Eso ha de incluir aceptar por principio, que al menos un activista del movimiento se ocupe de la enseñanza en condiciones profesionales.

En el campo de la utilización del Esperanto, significa la interrelación de los especialistas del mismo área para estimular su afán de trabajo por medio del Esperanto. El Esperanto será mirado como un verdadero idioma, cuando sea útil también para conseguir todo tipo de objetivos de la vida humana.

<u>2ª directriz de acción</u> REJUVENECIMIENTO

*Significa la recluta y activación de gente joven.* TEJO y sus secciones nacionales y especializadas juegan un importante papel en la actual cultura del Esperanto, pero muy a menudo existe una división entre ellas y los restantes estructuras del movimiento. Es preciso más diálogo y apoyo recíproco entre las generaciones a todos los niveles. Recomendamos que las Direcciones de UEA y TEJO elaboren un plan de trabajo aparte para ese objetivo y formen para su realización una comisión común.

Que las asociaciones especializadas y otras organicen sus congresos, servicios y actividades de tal manera que, que sean atractivas también para los jóvenes, principalmente los practicantes especializados. Que haya lugares para jóvenes en sus órganos de dirección.

<u>3ª directriz de acción:</u> MUNDIALIZACIÓN

*Significa el reclutamiento y activación de miembros en países donde el Esperanto todavía no enraizó.*

Europa ya no es el único centro del movimiento esperantista; demos la bienvenida y continuemos esa evolución. Las comisiones regionales de UEA merecen más apoyo y difusión, por ejemplo, con un lugar más destacado en sus principales ediciones y montajes. Los congresos regionales deben asumir un papel en el entrenamiento de enseñantes y culturización sobre el Esperanto. Todas las organizaciones deben dar una prioridad mayor a su acción para la colaboración sin fronteras y educación por una conciencia

kaj edukado al tutmonda konscio, i.a. per utiligo de la rilatoj inter UEA kaj ILEI, kaj la diversaj branĉoj de Unuigintaj Nacioj.

**TRIJARA PLANO DE UEA 2001-2004**

STRUKTURAJ ELEMENTOJ

Organizaj strukturoj utilas nur se ili plenumas difinitajn celojn. Ili ne estas valoro en si mem. Sekve la necesaj organizaj plifortigoj estu ĉiam konsiderataj en la kadro de la atingo de la tri celoj de ĉi tiu plano. Gravas la sekvaj principoj:
- Demokratiigo de la vivo de UEA kun pli da respekto al ĉiuj agantoj je ĉiu nivelo.
- Partoprenigo de komitatanoj kaj aliaj funkciuloj en la decidoj kaj en la plenumo.
- Esenca refortigo de la rolo de la Komitato kaj la ceteraj gvid-organoj.

FINANCAJ ELEMENTOJ

Progreso sur la tri agad-kampoj okazos plej certe per akcepto kaj starigo de ŝlosilaj projektoj. Ĉi tiu Trijara Plano difinu por tiuj projektoj konkretajn agantojn (asociojn aŭ unuopulojn), uzeblajn buĝetajn rimedojn kaj kriteriojn por adekvate pritaksi la plenumon.
La asocio anticipe taksu por ĉiu jaro la sumon de rimedoj disponigeblaj el la spezokonto kaj fondaĵoj. La asocio dediĉu kaj buĝetu minimume 5% el tiu sumo ĉiujare al novaj agadoj en ĉiu el la tri ĉefaj agad-kampoj proklamitaj en ĉi tiu plano. La dezirata investo-nivelo (kondiĉe je taŭgaj projektoj kaj plenumantoj) por ĉiu el la tri kampoj estas 10%.
La asocio fortigu la kontroladon de ekster-asociaj projektoj ricevintaj subvencion el asociaj rimedoj, postulante repagon aŭ kompenson en kazoj de neplenumo.
Surbaze de la pritakso de agado farita de komisiitoj, la Estraro laŭbezone reviziu la plenumantojn kaj rimedojn por la daŭriga agado.

*Rekomendataj agadoj en la periodo 2001-2004:*

KOMPRENIGO DE ESPERANTO
- Daŭrigo de la Strategia Forumo de la Esperanto-Komunumo kun la celo kunlaborigi tiujn organizaĵojn en la Esperanto-komunumo.
- Okazigo de la kampanjo *Por pli vasta komunumo* por varbi kaj grandigi la membrarojn de UEA kaj de Fakaj kaj Landaj Asocioj.
- Okazigo de specifaj agadoj en ĉiu mondoparto por firmigi la movadon tie.
- UEA produktu ĝisdatigitajn informilojn pri Esperanto kaj ĝia movado por internaciaj kaj landnivelaj uzoj, kaj zorgu pri ilia distribuado.
- La Estraro de UEA donu apartan atenton al la materialo ekzistanta por informi lingvistojn kaj ĵurnalistojn.
- UEA starigu aŭ/kaj aktivigu informan fakon por la ekstera publiko.

mundial, por ejemplo, por la utilización de las relaciones entre UEA e ILEI con las diversas ramas de las Naciones Unidas.

**PLAN TRIANUAL DE UEA 2001-2004**

ELEMENTOS ESTRUCTURALES

Las estructuras organizativas son útiles sólo si cumplen determinados objetivos. No tienen valor por sí mismas. Por lo tanto el necesario fortalecimiento organizativo debe ser siempre considerado en el marco de la consecución de los tres objetivos de este plan. Importan los siguientes principios:
- Democratización de la vida de UEA con más respeto a todos los activistas de cualquier nivel.
- Dar participación a los miembros del Comité y otros funcionarios en las decisiones y en la ejecución.
- Fortalecimiento esencial del papel del Comité y demás órganos de dirección.

ELEMENTOS FINANCIEROS

Se progresará con más seguridad sobre los tres campos de acción mediante la aceptación y establecimiento de proyectos clave. Este Plan Trianual debe definir para esos proyectos unos agente concretos (asociaciones o personas), recursos presupuestarios utilizables y criterios para evaluar adecuadamente la realización.
La asociación debe evaluar anticipadamente para cada año el total de recursos disponibles de la cuenta de gastos y fundaciones. La asociación debe dedicar y presupuestar al menos un 5% de esa suma anual a nuevas actividades en cada una de los tres principales campos de acción proclamados en este plan. El nivel de inversión deseado (a condición de proyectos y realizadores apropiados) para cada uno de los tres campos es el 10%.
La asociación debe fortalecer el control de proyectos externos que hayan recibido subvención de recursos de la asociación, solicitando la devolución o compensación en casos de no realización.
Sobre la base de la evaluación de la acción realizada por comisionados, la Dirección debe revisar según las necesidades la realización y recursos para la acción continuada.

*Acciones recomendadas en el período 2001-2004:*

POR LA COMPRENSIÓN DEL ESPERANTO
- Continuación del Foro Estratégico de la Comunidad Esperantista con el objetivo de hacer colaborar a esas organizaciones en la comunidad esperantista.
- Organización de la campaña *Por una comunundad más amplia* para alistar y aumentar los miembros de UEA y de las Asociaciones Nacionales y de Especialidad.
- Organizar acciones específicas en todas las partes del mundo para fortalecer en ellas el movimiento.
- UEA debe producir informes actualizados sobre el Esperanto y su movimiento para uso a nivel internacional y nacional, y ocuparse de su distribución.
- La Dirección de UEA debe prestar una atención especial al material existente para informar a lingüistas y periodistas.
- UEA ha de establecer o/y hacer funcionar la rama informativa para el público exterior.
- UEA debe pasar de la información pasiva (sólo a los que

- UEA transiru de pasiva informado (nur al petantoj) al aktiva informado en internaciaj medioj.
- La Estraro de UEA instigu landajn Esperanto-organizaĵojn starigi kontaktojn kun siaj registaroj kaj tute aparte kun la landaj instancoj, kiuj tenas ligojn kun internaciaj organizaĵoj.
- UEA daŭrigu la Koalicion de NRO-J por Internacia Helplingvo kun la celo mobilizi neregistarajn organizaĵojn ĉe UN por disvastigi la ideon kaj eblecon de internacia helplingvo.
- UEA instigu al okazigo de informaj agadoj al eŭropaj instancoj.
- UEA zorgu pri rilatoj kun la Alta Komisiito de UN por Homaj Rajtoj cele atentigi pri la lingva dimensio de homaj rajtoj kaj pri Esperanto kiel solvo.

la soliciten) a la información activa en los medios internacionales.
- La Dirección de UEA debe instigar a las organizaciones esperantistas nacionales para establecer contactos con sus Gobiernos y en especial con las instancias nacionales, que se relacionen con organizaciones internacionales.
- UEA debe seguir en la Coalicion de ONGs para la Lengua Auxiliar Internacional con el objetivo de movilizar las organizaciones no gubernamentales en la ONU para difundir la idea y posibilidad de una lengua auxiliar internacional.
- UEA debe instigar la realización de acciones informativas a las instancias europeas.
- UEA debe cuidar las relaciones con el Alto Comisionado de la ONU para los Derechos Humanos para llamar la atención sobre la dimensión lingüística de los derechos humanos y sobre el Esperanto como solución.

PAROLIGO DE ESPERANTO

- UEA daŭrigu la kunlaboron kun ILEI por la plenumo de sia instruada agado.
- Komputil-retaj kursoj kaj servoj ricevu emfazon; estu premioj kaj financado por aparte bonaj hejmpaĝoj kaj enretaj projektoj akcelantaj la lernadon kaj paroligon de la lingvo.
- Aparte oni klopodu pluevoluigi la ekzistantajn centrojn por instruado de Esperanto kaj kunlaborigi ilin inter si ankaŭ por oferti siajn servojn al ne-esperantistoj dezirantaj lerni Esperanton.
- La Estraro de UEA, kunlabore kun ILEI, reviziu la ekzistantajn instruilojn kun la celo plibonigi la instruadon de la lingvo surbaze de modernaj metodikaj malkovroj, uzante ankaŭ novajn eblecojn de komputiloj, elektronikaj retoj k.s. kaj zorgante pri la integrigo de la finstudintoj en la komunumon.
- La Estraro de UEA signife intensigu la apogon al la projekto INTERKULTURO de UEA kaj ILEI per konkrete difinitaj rimedoj.
- UEA kaj ILEI starigu programon de instruista trejnado kiel esencan elementon de la nove starigata komuna ekzamena branĉo "Instru-kapablo", klopodante enkadrigi elementojn de tiu trejnado en la strukturojn de oficialaj edukaj instancoj.
- UEA daŭrigu la kampanjon *Savi esperantaĵojn* kun la celo prizorgi kaj savi historie valorajn esperantaĵojn en bibliotekoj kaj muzeoj.

PARA QUE SE HABLE EL ESPERANTO

- UEA debe continuar la colaboración con ILEI para la realización de su acción para la enseñanza.
- Deben recibir énfasis los cursos y servicios por las redes de computadores; que haya premios y financiación para páginas WEB especialmente buenas y productos de proyectos en la red acelerando el estudio y la utilización hablada de la lengua.
- En especial se debe procurar que evolucionen los centros existentes para la enseñanza del Esperanto y que colaboren entre sí también para que oferten sus servicios a los no esperantistas que deseen aprender el Esperanto.
- La Dirección de UEA, en colaboración con ILEI, debe revisar los recursos de enseñanza existentes con el fin de mejorar la enseñanza de la lengua sobre la base de descubrimientos metódicos modernos, usando también las nuevas posibilidades de computadoras, redes electrónicas y similares, y procurando la integración de los estudiantes en la comunidad esperantista.
- La Dirección de UEA debe intensificar significativamente el apoyo al proyecto INTERCULTURA de UEA e ILEI por medio determinados recursos concretos.
- UEA e ILEI deben establecer un programa de entrenamiento de enseñantes como un elemento esencial de la restablecida rama de examen común "Capacidad de enseñanza", procurando encuadrar elementos de ese entrenamiento en las estructuras de las instancias educativas oficiales.
- UEA debe proseguir la campaña *Salvar el material esperantista* con el objetivo de cuidar y salvar los objetos esperantistas con valor histórico en bibliotecas y museos.

UTILIGO DE ESPERANTO

- La Estraro de UEA instigu fakajn Esperanto-organizaĵoin starigi kontaktojn kun internaciaj organizaĵoj, kiuj okupiĝas pri sama aŭ apuda temo.
- UEA aranĝu agadojn en regionoj kie ekzistas etna/nacia streĉo por pruvi la pac-potencialon de Esperanto.
- La rolo instrua/kuntena/aktiviga de la revuo de UEA estu atentata.
- Ni trovu solvojn por maksimumigi la eblecojn de esperantistoj en la entreprena kampo: por Esperanto per Esperanto.
- UEA havu klaran kaj deklaritan kulturpolitikon.

POR LA UTILIZACIÓN DEL ESPERANTO

- La Dirección de UEA debe instigar a las organizaciones esperantistas de especialidad para establecer contactos con organizaciones internacionales, que se ocupen del mismo o similares temas.
- UEA debe organizar acciones en regiones donde existan tensiones étnico/nacionales para acreditar la potencialidad de paz del Esperanto.
- Debe prestarse atención al papel instructivo, de contenido, y activador de la revistas de UEA.
- Debemos encontrar soluciones para maximizar las posibilidades de los esperantistas en el campo empresarial: a favor del Esperanto por medio del Esperanto.
- UEA debe tener una clara y declarada política cultural.

# ESPERANTO EN INTERRETO

Komputiloj pli kaj pli penetras en la ĉiutagan vivon. Ili ofte estas ligitaj per retoj, kio ebligas rapidan kaj facilan komunikadon kaj interŝanĝadon de informoj. Ili precipe valoras en situacioj en kiuj aliaj komunikeblecoj malfacilas, ekz. en landoj, kie telefona aŭ paperpoŝta komunikado ne estas sufiĉe fidinda.

De la momento de la ekesto de tiaj retoj, ankaŭ esperantistoj aktivas en ili. Se vi laboras per komputilo en universitato aŭ granda firmao, povas esti, ke vi jam povas uzi komputilajn retojn, plej ofte la t.n. WWW/TTT (World Wide Web/Tut-Tera Teksaĵo), Internet aŭ Bitnet. Se vi hejme havas komputilon kaj modemon, vi povas tra loka bultenejo (BBS - Bulletin Board System) kontraŭ malaltaj kostoj konektiĝi al servo, kiu ebligas al vi uzadon de la reto (ekzemple CompuServe aŭ Internet). Preskaŭ ĉiuj retoj estas interligitaj, do se vi havas konekton al iu reto, vi plejofte ankaŭ povas atingi personojn (aŭ informojn) en aliaj retoj.

La eblecoj de via retkonekto konsiderinde varias laŭ la servo, la tipo de la reto al kiu vi konektiĝas, kaj la tipo de konekto, kiun vi uzas. Plej gravas la tipo de la konekto: rekta aŭ nerekta. Se vi havas rektan konekton, la komputilo per kiu vi laboras havas daŭran ligon al la reto, ekzemple komputiloj en Internet aŭ Bitnet, ofte de firmaoj aŭ universitatoj. Se vi havas nerektan konekton, la komputilo per kiu vi laboras regule kontaktas alian komputilon. Ekzemplo estas via propra hejma komputilo, kiu per modemo kontaktas bultenejon en Fidonet, aŭ servon, kiu prizorgas Internet-konekton por vi.

**Eblecoj**

Jen kelkaj ekzemploj de eblecoj, kiujn vi povus havi per retkonekto.

**Mesaĝoj**: Samkiel paperpoŝtan leteron, eblas sendi elektronikan leteron al aliaj retanoj. La mesaĝo alvenas ene de kelkaj tagoj (nerekte), aŭ foje eĉ ene de kelkaj sekundoj (rekte).

**Diskutforumoj**: Ili similas al ĉiutagaj gazetoj. Ili ebligas rapidan interŝanĝon de informoj kaj ideoj. Ekzistas Esperanto-diskutforumoj ekzemple en CompuServe (FLEFO), en Internet (aktuala listo en ***http://www.eventoj.hu/snd-list.htm***), Usenet (***soc.culture.esperanto***) kaj en Fidonet (***ESPERANTO***).

**Babliforumoj**: La komputila versio de la telefonaj babilnumeroj. Se vi retumas per rekta konekto, eblas "babili" kun unu aŭ pluraj personoj: ĉion, kion vi tajpas, tuj vidas




# ESPERANTO EN INTERNET

Los ordenadores se van introduciendo cada vez más en la vida diaria. A menudo están enlazados por redes, lo que posibilita una comunicación rápida y fácil e intercambio de información. Son especialmente valiosos en casos en que es difícil usar otras posibilidades de comunicación, p. ej. en países, donde la comunicación telefónica o por correo no son bastante fiables.

Desde el momento de la aparición de tales redes, también los esperantistas operan en ellas. Si Vd trabaja con ordenador en una universidad o una gran empresa, quiza Vd ya puede usar redes de ordenador, principalmente la denominada WWW/TTT (World Wide Web/Red mundial), Internet o Bitnet. Si Vd tiene en su casa un ordenador y un módem, Vd puede, a un bajo coste, conectarse, a través del boletín local (BBS - Bulletin Board System) al servicio, que le permite a Vd el uso de la red (por ejemplo CompuServe o Internet). Casi todas las redes están interconectadas, por tanto si Vd tiene conexión a alguna red, muy a menudo Vd podrá también acceder a personas (o información) en otras redes.

La posibilidadses de su conexión a la red varian considerablemente según el servicio, el tipo de red al que Vd está conectado, y el tipo de conexión que Vd usa. Tiene más importancia el tipo de conexión: directa o indirecta. Si Vd tiene conexión directa, el ordenador con el que Vd trabaja tiene un enlace duradero a la red, por ejemplo ordenadores en Internet o Bitnet, a menudo de empresas o universidades. Si Vd tiene conexión indirecta, el ordenador con el que Vd trabaja contacta regularmente con otro ordenador. Un ejemplo es su propio ordenador doméstico, que contacta a través de un módem boletín en Fidonet, o servicio que gestiona una conexión Internet para Vd.

**Posibilidades**

Mostramos algunos ejemplos de posibilidades que Vd puede tener por medio de conexión a la red.

**Mensajes**: Al igual que una carta por correo, se puede enviar una carta electrónica a otros usuarios de la red. El mensaje llega después de unos días (indirectamente), o a veces incluso en unos segundos (directamente).

**Foros de discusión**: Parecidos a la prensa diaria. Posibilitan un rápido intercambio de información e ideas. Hay foros de discusión en Esperanto por ejemplo en CompuServe (FLEFO), en Internet (lista actual en http:***//www.eventoj.hu/snd-list.htm***), Usenet (*soc.culture.esperanto*) y en Fidonet (*ESPERANTO*).

**Foros de charla**: Es la versión para ordenadores de los números telefónicos de charla. Si Vd tiene conexión directa, le es posible "charlar" con una o varias personas: todo lo que Vd teclea, lo ven al punto las otras personas. Eso es posible por ejemplo en Internet y Bitnet. En Internet existe "encuentros" por medio de IRC en el canal de Esperanto. Véase:***http://www.esperanto.net/***

la aliaj personoj. Tio eblas ekzemple en Internet kaj Bitnet. En Internet ekzistas "renkontiĝoj" per IRC en la Esperanto-kanalo. Vidu: ***http://www.esperanto.net/veb/irc-esp-eo.html***. ICQ lastatempe fariĝis populara alternativo por IRC. Vidu: ***http://w3.to/icqlisto***.
**Arkivoj**: La bibliotekoj de la komputilaj retoj. Centraj arkivejoj ofertas programojn, informojn, tekstojn, ktp. Esperanto-arkivoj ekzistas almenaŭ en CompuServe, kaj en Internet ***ftp://ftp.stack.nl/pub/esperanto***.
**Tut-Tera Teksaĵo (TTT) / World Wide Web (WWW)**: Dum la lastaj jaroj tiu ĉi aldona speco de uzado de Internet ekfuroris. Eĉ tiom, ke multaj opinias, ke TTT kaj Internet estas la sama afero, dum TTT fakte estas nur (tre sukcesa) parto de la eblecoj de Internet. Ĝi funkcias per "aktivaj dokumentoj" en formato HTML, kiuj enhavas ne nur tekston sed ankaŭ bildojn, sonon, kaj ligojn al aliaj aktivaj dokumentoj en aliaj komputiloj tutmonde. Pro tiuj ligoj, ili ebligas rapidegan elfosadon de informoj, sed samtempe ankaŭ senfinan ĉirkaŭvagadon en senlimaj sensencaĵoj kaj reklamaĵoj. Multaj esperantistoj jam havas propran aktivan dokumenton ("hejmpaĝon"), kaj multaj Esperanto-organizoj informas per tiaj paĝoj pri siaj aktivecoj. Bonegaj komenclokoj estas ***http://www.cs.chalmers.se/-martinw/esperanto***, ***http://www.esperanto.org*** kaj ***http://www.esperanto.net/***, kie vi trovos ligojn al Esperanto.Net, la Virtuala Esperanto-Biblioteko, Virtuala Esperantujo kaj pluraj listigoj de retadresoj, hejmpaĝoj kaj renkontiĝejoj. Ĉe ***www.esperanto.nu*** troveblas kelkaj interesaj servoj por esperantistoj kaj ĉe ***www.esperanto.hu*** troveblas ret-info kaj ampleksa kalendaro de aktivecoj.

**Esperanto**
Ankaŭ ekzistas kelkaj Esperanto-servoj. Detalaj informoj pri ili troveblas en la "Flavaj Paĝoj" en la plej gravaj arkivejoj. Aktuala versio ĉiam haveblas je ***http://www.esperanto.net/veb/flavaj-pagxoj.htmi***. Jen kelkaj ekzemploj.
**Adresaro**: Mi administras *Adresaron de esperantistoj kun retadreso*, kiu nun havas adresojn de pli ol 2000 personoj el 89 landoj. Precipe valoras, ke enestas multaj personoj ekster Usono kaj Eŭropo, same facile kaj rapide atingeblaj. Tuj kiam vi ekhavos vian retadreson, sendu mesaĝon al ***adresaro@wxs.ni***, por ke mi aldonu vin. La Adresaro haveblas en la plej gravaj arkivejoj kaj estas monate aktualigata. Per TTT vi povas aliĝi je adreso http:***//www.cs.chalmers.se/-martinw/esperanto/aligxo/***.
**Koresponda servo**: Samkiel paperpoŝtaj servoj, ĝi provas ligi personojn, kiuj serĉas retan korespondemulon. Regule aperas alvoko kaj nova listo.
**Kursoj**: Ekzistas enkondukaj Esperanto-kursoj, nun en la angla, franca kaj germana. Ankaŭ daŭriga kurso, en Esperanto kun nacilingvaj vortlistoj, funkcias surbaze de *Gerda malaperis!* de Claude Piron. Vidu: ***http://www.cs.chalmers.se/-martinw/esperanto/veb/lerni.html***.

Se vi ŝatus havi pli da informoj, kontaktu fakdelegiton pri komputilaj retoj, prefere en via lando, ĉar la konekteblecoj (kaj la kostoj) ofte varias laŭlande. Alikaze, eblas kontakti (per paperpoŝto aŭ telefono) unu el la Retaj Delegitoj en la Adresaro, kiu ankaŭ haveblas ekster la reto.

Derk Ederveen <esperanto@planet.nl>
(Publikigita en la Jarlibro de UEA)

***veb/irc-esp-eo.html***.
ICQ últimamente se hizo una alternativa popular para IRC. Véase: ***http://w3.to/icqlisto***.
**Archivos**: Las bibliotecas de las redes de ordenadores. Bases de datos centrales ofrecen programas, información, textos, etc. Archivos de Esperanto existen al menos en CompuServe, y en Internet ***ftp://ftp.stack.nl/pub/esperanto***.
**Red Mundial (TTT) / World Wide Web (WWW)**: Durante los últimos años hizo furor esta especie adicional de uso de Internet. Hasta tal punto, que muchos piensan que TTT e Internet es la misma cosa, mientras que TTT de hecho es sólo una (muy exitosa) parte de las posibilidades de Internet. Funciona por medio de "documentos activos" en formato HTML, que contienen no sólo texto sino también imágenes, sonido, y enlaces a otros documentos activos en otros ordenadores en todo el mundo. Con esos enlaces, posibilitan una rapidísima adquisición de información, pero a la vez también una interminable navegación en ilimitadas banalidades y anuncios. Muchos esperantistas ya tienen su propia documento activo ("página doméstica"), y muchas organizaciones de Esperanto informan por medio de tales páginas acerca de sus actividades. Unos portales muy buenos son ***http://www.cs.chalmers.se/-martinw/esperanto***, ***http://www.esperanto.org*** y ***http://www.esperanto.net/***, donde Vd encontrará enlaces a Esperanto.Net, la Biblioteca Virtual de Esperanto, un Entorno Esperantista Virtual y varias listas de direcciones de la red, páginas domésticas y lugares de encuentro. En ***www.esperanto.nu*** se puede encontrar algunos servicios interesantes para esperantistas y en ***www.esperanto.hu*** se puede encontrar ret-info y un amplio calendario de actividades.

**Esperanto**
También existen algunos servicios de Esperanto. Información detallada sobre ellos se puede encontrar en las "Páginas Amarillas" en las bases datos más importantes. Una versión actual siempre se puede encontrar en ***http://www.esperanto.net/veb/flavaj-pagxoj.htmi***. He aquí algunos ejemplos.
**Directorio**: Yo administro un *Directorio de esperantistas con direcciones de la red*, que ahora tiene direcciones de más de 2000 personas de 89 países. Es especialmente valioso el hecho de que contiene direcciones de muchas personas fuera de EE.UU. y Europa, accesibles igual de fácil y rápidamente. Tan pronto como Vd tenga su dirección de la red, envíe un mensaje a ***adresaro@wxs.ni***, para que yo le registre. El directorio se puede encontrar en las principales bases de datos y es actualizado mensualmente. Por medio de TTT Vd puede registrarse en la dirección ***http://www.cs.chalmers.se/-martinw/esperanto/aligxo/***.
**Servicio de correspondencia**: Al igual que los servicios postales, intenta relacionar personas que buscan corresponsales en la red. Regularmente aparece una llamada y una nueva lista.
**Cursos**: Existen cursos de iniciación al Esperanto, actualmente en inglés, francés y alemán. También un curso de continuación, en Esperanto con vocabularios en lenguas nacionales, funciona sobre la base de *desapareció Gerda!* de Claude Piron. Véase: ***http://www.cs.chalmers.se/-martinw/esperanto/veb/lerni.html***.

Si Vd quiere más información, contacte con el delegado sobre redes de ordenadores, preferiblemente en su paía, ya que las posibilidades de conexión (y los costes) a menudo varían según el país. En otro caso, se puede contactar (por correo o teléfono) con uno de los Delegados de la Red en el Directorio, que también se puede encontrar fuera de la red.

Derk Ederveen <esperanto@planet.nl>
(Publicado en el Anuario de UEA)



# 86-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
# ZAGREBO, KROATIO, 2001



# CONGRESO UNIVERSAL DE ESPERANTO
# ZAGREB, CROACIA, 2001

*Dum la tagoj 21a al 28a de monato julio de la nuna jaro 2001, okazis en la ĉefurbo de Kroatio la 86a Universala Kongreso de Esperanto, al kiu aliĝis preskaŭ 1700 personoj, inter ili kelkaj de nia lando. Sekve ni transskribas la salutan intervenon de la Prezidento de Kroatio en la solena malfermo de la Kongreso.*

## PAROLADO DE LA KROATIA PREZIDENTO STJEPAN MESIC

Estimata prezidantaro, estimataj partoprenantoj de la Kongreso, sinjorinoj kaj sinjoroj:
Volonte mi venis post via invito, por diri kelkajn vortojn komence de la Universala Kongreso de Esperanto. Jam la duan fojon en malpli ol 50 jaroj Zagrebo estas gastiganto de tia ĉi renkontiĝo.
En tiu duono de jarcento multo ŝanĝiĝis, kaj ĉi tie, kaj en la tuta mondo.
Tiam, en la fora jaro 1953, Zagrebo estis ĉefa urbo de unu el federaciaj partoj de Jugoslavio. Hodiaŭ Zagreb estas la ĉefa urbo de sendependa Respubliko Kroatio. Tiam la mondon karakterizis la malvarma milito kaj danĝera konflikto inter Oriento kaj Okcidento, kaj hodiaŭ estas ŝajne neeviteblaj diferencoj inter Nordo kaj Sudo, inter evoluintaj landoj kaj la malriĉaj.
Tiam tra la mondo konkurencis du esence diferencaj sociaj sistemoj, kaj hodiaŭ ni vidas superregon de unu el ili. Nun ni troviĝas en la transira epoko, kiu al landoj similaj al Kroatio ebligos unue adaptiĝon al okcidentaj demokratioj, kaj poste plenan eniron en ilian rondon, kaj ekonomie, kaj politike.
En tiu epoko, maltrankvila sed interesa kaj sortdecida, unu sola afero ne ŝanĝiĝis, kaj tio estas la entuziasmo de vi, esperantistoj, kaj via deziro helpi per la lingvo kiun vi uzas kaj kiun vi propagandas, ke la mondo en kiu ni vivas fariĝu pli bona.
Mi ne ripetos la sekajn informojn pri tio kiel ekestis Esperanto. Sed mi devas enfazi ke en la kerno de la ideo pri la tutmonda lingvo troviĝis la kompreno pri tio ke libera komunikado inter homoj kaj popoloj estas unu el la bazaj kondiĉoj por tio, kio kutime nomiĝas paca kunvivado, kunekzisto. Ĝus-

*Del 21 al 28 de julio de este año 2001, tuvo lugar en la capital de Croacia el 86° Congreso Universal de Esperanto, al que se inscribieron casi 1700 personas, entre ellas algunas de nuestro país.*
*A continuación transcribimos la intervención de saludo del Presidente de Croacia en la solemne inauguración del Congreso.*

## INTERVENCIÓN DEL PRESIDENTE CROATA STYEPAN MESIC

Estimados miembros de la presidencia, estimados participantes del Congreso, señoras y señores:
Gustosamente acudí a vuestra invitación, para decir unas palabras al inicio del Congreso Universal de Esperanto. Por segunda vez en menos de 50 años Zagreb es anfitrión de tal encuentro.
En ese medio siglo cambiaron muchas cosas, tanto aquí como en todo el mundo.
Por entonces, en el ya lejano año 1953, Zagreb era capital de una de los miembros federados de Yugoslavia. Hoy Zagreb es la capital de la República independiente de Croacia. Por entonces el mundo estaba caracterizado por la guerra fría y un conflicto peligroso entre Oriente y Occidente, y hoy existen unas diferencias parecidamente inevitables entre el Norte y el Sur, entre los países desarrollados y los pobres.
Por entonces en el mundo competían dos sistemas sociales esencialmente diferentes, y hoy contemplamos el dominio de uno de ellos. Ahora nos encontramos en una época de transición, que a países similares a Croacia posibilitará primero adaptarse a las democracias occidentales, y después integrarse plenamente en su círculo, tanto económica como políticamente.
En esa época, intranquila pero interesante y decisiva, una sola cosa no cambió, y es el entusiasmo de vosotros, los esperantistas, y vuestro deseo de ayudar por medio del idioma que utilizais y del que haceis propaganda, para que el mundo en el que vivimos se haga mejor.
No repetiré la seca información acerca de cómo empezó el Esperanto. Pero debo enfatizar el que en el núcleo de la idea sobre una lengua mundial se encuentra la comprensión de que una comunicación libre entre las personas es una de las condiciones básicas para lo que suele llamarse una convivencia y una

te en tio estas la ĉefa valoro de tutmonda lingvo. La ideo, kaj ankaŭ la praktiko, pri lingvo universala aŭ preskaŭ universala, ne estas nova, kion montras la lingvoj latina, poste franca, kaj finfine la angla. Sed Esperanto estas io tute alia.
Baziĝante sur elementoj de jam ekzistantaj naciaj lingvoj, ĉefe de la latinida lingvofamilio, Esperanto sin proponis al la mondo, kaj proponas sin ankaŭ hodiaŭ, kvankam ankoraŭ akceptita malpli ol atendite, kiel lingvo tute nova. Tiu lingvo neniun kaj nenion neas, neniun kaj nenion forpuŝas, kaj samtempe al ĉiuj ebligas eliri per grandegaj paŝoj el mallarĝaj naciaj kadroj, unuavice la lingvaj, sed ne nur.
En sia sufiĉe longa historio Esperanto estis kaj uzata, kaj misuzata. Ĝi spertis kaj komprenemon de homoj, kaj politikan malemon, kian ofte montras mallarĝmensaj homoj kun provinca mentaleco. Tamen, Esperanto travivis. Pri ĝia vivkapablo atestas ankaŭ tiu ĉi hodiaŭa kunveno.
Mi dirus ke ĝuste en la nuna epoko, en la tempo de la tutmondiĝo, kiu estas kritikata sed neevitebla, la graveco de Esperanto povas nur kreski. En la mondo, kiu ne senkiale nomiĝas universala vilaĝo, la ideo pri universala lingvo sajnas al mi plene natura. Kompreneble, oni ne rajtas ion ajn trudi perforte. Sed oni ankaŭ ne rajtas fermi la okulojn antaŭ la bezonoj kiujn alportas la nova epoko.
Nia epoko sendube estas la epoko de komunikado. Por ke la komunikado estu sukcesa, ĝi devas esti komprenata.
Esperanto portas en si la ideon pri interkompreno kaj interkonsento, do ankaŭ la ideon pri dialogo kaj traktado. Mi opinias ke mi ne eraras dirante ke Esperanto portas en si ankaŭ la ideon pri paco.
Se oni scias kiom la paco estas bezonata, kaj ni en Kroatio tion tre bone scias, tiam oni devas kompreni la bezonon pri subteno al projekto de tia lingvo, kiun povus uzi ĉiuj popoloj de la mondo, ne forlasante siajn naciajn lingvojn, sed akceptante avantaĝojn de la lingvo kiu ebligas ĝeneralan interkomprenon.
Por montri mian subtenon al Esperanto, permesu al mi fini la paroladon per kelkaj vortoj en tiu lingvo. Mi petas pardonon pro eventuala erara prononco, tio ja estas miaj unuaj vortoj diritaj en Esperanto:
**"Fine mi deziras al vi agrablan restadon en nia lando, kaj sukcesplenan laboron dum la kongresa semajno. Dankon."**

coexistencia pacífica. Precisamente en eso reside el principal valor de una lengua mundial.
La idea, y también la prácticao, de una lengua universal o casi universal, no es nueva, como lo demuestra la lengua latina, después la francesa, y finalmente la inglesa. Pero el Esperanto es algo totalmente diferente.
Basándose sobre elementos de lenguas nacionales preexistentes, principalmente de las de filiación latina, el Esperanto se propuso al mundo, y se propone también hoy, aunque todavía menos aceptada de lo esperado, como un idioma totalmente nuevo. Esa lengua no niega a nadie ni a nada, no rechaza a nadie ni a nada, y a la vez posibilita a todos salir a grandes pasos de los estrechos marcos nacionales, los lingüísticos en primer lugar, pero no sólo ellos.
En su bastanta larga historia el Esperanto fue usado, y fue mal usado. Experimentó la comprensión de las personas, y el rechazo político que a menudo muestran los hombres de mente estrecha con mentalidad provinciana. Sin embargo, el Esperanto sobrevivió. Acerca de su capacidad de supervivencia atestigua también esta asamblea de hoy.
Yo diría que precisamente en la época actual, en el tiempo de la mundialización, que es criticada pero inevitable, la importancia del Esperanto sólo puede crecer. En este mundo, que no sin razón es llamado aldea global, la idea de una lengua universal me parece plenamente natural. Por supuesto, nadie tiene derecho a imponer algo por la fuerza. Pero tampoco nadie tiene derecho a cerrar los ojos ante las necesidades que aporta la nueva época.
Nuestra época sin duda es la época de la comunicación. Para que la comunicación tenga éxito, debe ser comprendida.
El Esperanto porta en sí la idea de comprensión y consentimiento recíprocos, por tanto también la idea de diálogo y negociación. Opino que no yerro al decir que el Esperanto porta en sí también la idea de paz.
Si se sabe cuan necesaria es la paz, y en Croacia lo sabemos muy bien, se debe comprender la necesidad de apoyar el proyecto de una lengua tal, que la puedan usar todos los pueblos del mundo, sin olvidar la propia lengua nacional, pero aceptando las ventajas del idioma que posibilita la comprensión general.
Para mostrar mi apoyo al Esperanto, permitidme terminar mi intervención con algunas palabras en esa lengua. Pido perdón por los posibles errores de pronunciación, pues son mis primeras palabras dichas en Esperanto:
**"Para terminar os deseo una agradable estancia en nuestro país, y un trabajo exitoso durante la semana congresual. Gracias."**

# RAPORTO PRI LA KONGRESA TEMO



# REPORTAJE SOBRE EL TEMA CONGRESUAL

## La temo

"Kulturo de dialogo - dialogo inter kulturoj" estis la temo de la 86-a Universala Kongreso de Esperanto en Zagrebo. Oni elektis tiun temon rekone al la fakto, ke la jaro 2001 estis deklarita de Unuiĝintaj Nacioj jaro de Dialogo inter la Civilizoj. La deirpunkto de la dumkongresaj diskutoj estis tio, ke la lingvokomunumo de Esperanto konsistigas ian kulturon de dialogo: la bezono de interhoma dialogado trans lingvaj baroj ja estas unu el la ekzistokialoj de la Internacia Lingvo, Esperanto. La celo de la diskutoj estis ekzameni la premison, ke en Esperanto troviĝas dialoga kulturo, kaj serĉi rimedojn por pliprofundigi tiun kulturan elementon en la Esperanto-komunumo.
La kongresanoj traktis la temon ĉefe en tri kunsidoj, kun cento da partoprenantoj en ĉiu kunsido. La kunsidoj esploris (1) ĝis kiu grado eblas nomi la Esperanto-komunumon dialoga kulturo, (2) kiuj temoj estas plej efike trakteblaj pere de Esperanto, kaj (3) kiel la Esperanto-komunumo aliru tiujn temojn. Post komenca publika konversacio inter grupo de kvin-ses bone informitaj homoj, kiu rolis por plidifini la temon de la tago, ĉiu kunsido dividiĝis en sep malgrandajn diskutgrupojn, tiel ke ĉiu partoprenanto havis okazon kontribui siajn opiniojn. La diskutgrupoj estis tre internaciaj: en dekkvino de homoj en difinita grupo estis ofte deko da naciecoj. Poste oni raportis en pleno pri la rezultoj de la diskutgrupoj. Post ĉiu kunsido, la gvidanto pretigis resumon de tiuj raportoj. La konkludoj, kiuj sekvas ĉi tie, celas kapti la plej gravajn punktojn de la diskutoj. Neeviteble, ili presentas certajn kontraŭdirojn, kiajn oni atendus en malferma diskuto, kaj ili eventuale nesufiĉe elstarigas ĉion diritan en la vere intensaj diskutoj en ĉiuj tri kunsidoj. Krome, ili kompreneble ne raportas pri punktoj, kiuj ne leviĝis, sed kiuj estus necesaj por doni kompletan bildon de la temo.

## La taŭgeco de Esperanto

En multaj rilatoj Esperanto ja aparte taŭgas por malferma dialogo. Ĝia koncepto de neŭtraleco inter la lingvoj entenas la eblecon de dialogado. Esperanto liveras komunan grundon por tiuj, kiuj uzas ĝin - komunan grundon, kiu kutime iagrade mankas kiam oni uzas etnajn lingvojn. Esperanto estas do paca kaj egaleca lingvo. Al multaj homoj ĝi malfer-

## El tema

"Cultura de diálogo - diálogo entre culturas" fue el tema del 86º Congreso Universal de Esperanto en Zagreb. Se eligió ese tema en reconocimiento al hecho de que el año 2001 fue declarado por las Naciones Unidas año de Diálogo entre las Civilizaciones. El punto de partida de las discusiones congresuales fue que la comunidad lingüística del Esperanto da consistencia a una cultura de diálogo: la necesidad de diálogo intrahumano por encima de las barreras lingüísticas es ciertamente una de las razones de ser de la Lengua Internacional, Esperanto.
El objetivo de las discusiones era examinar la premisa de que en el Esperanto se encuentra una cultura de diálogo, y buscar soluciones para profundizar en ese elemento cultural en la comunidad del Esperanto.
Los congresistasj trataron el tema principalmente en tres reuniones, con un centenar de participantes en cada reunión. Las reuniones investigaron (1) hasta qué punto es posible llamar a la comunidad del Esperanto una cultura de diálogo, (2) qué temas se pueden tratar más eficazmente por medio del Esperanto, y (3) cómo ha de enfocar la comunidad del Esperanto esos temas. Después de una conversación pública inicial entre un grupo de cinco o seis personas bien informadas, que se dedicaron a dar más precisión al tema del día, cada reunión se dividió en siete pequeños grupos de discusión, de tal manera que cada participante tuviera ocasión de contribuir con sus opiniones. Los grupos de discusión eran muy internacionales: de quince personas en un grupo determinado a menudo había una decena de nacionalidades. Después se informaba en una sesión plenaria sobre los resultados de los grupos de discusión. Después de cada reunión, el coordinador preparaba un resumen de esos informes. Las conclusiones, que se extraían aquí, tenían por objetivo captar los puntos más importantes de las discusiones. Inevitablemente, presentaban ciertas contradicciones, que serían de esperar en una discusión abierta, y eventualmente no pondrían bastante de relieve todo lo que se dijo en las verdaderamente intensas discusiones en las tres reuniones. Además, es comprensible que no informaran acerca de puntos, que no se elevaron, pero que serían necesarios para dar una imagen completa del tema.

## La conveniencia del Esperanto

En muchas relaciones el Esperanto ciertamente es muy apropiado para un diálogo abierto. Su concepto de neutralidad entre los idiomas implica la posibilidad de diálogo. El Esperanto proporciona un terreno común para aquellos que lo usan - un terreno común, que suele faltar en algún grado cuando se utilizan lenguas étnicas. El Esperanto por lo tanto es una lengua pacífica e igualitaria. A muchas per-

mas la mondon per sia ebleco de senperaj personaj kontaktoj kaj siaj abundaj fontoj de informoj pri la mondo. Krome, la esperantistoj mem emas al toleremo kaj akceptas malsamecon. Ofte estas guste pro tiuj trajtoj, ke ili elektis lerni Esperanton.
Sed ankaŭ Esperanto en sia nuna evolustato havas siajn limojn. Serĉante komunan grundon, parolantoj de Esperanto nature emas minimumigi siajn diferencojn kaj foje eviti profundan pritrakton de grandaj mondaj problemoj: la bezono de komuna tegmento estas foje pli grava ol traktado de disdividaj temoj. Ili timas, ke la Esperanto-movado eventuale ne estas sufiĉe fortika por profunde trakti disdividajn demandojn. Iuj opinias, ke la relativa harmonio de la Esperanto-movado dependas de preteco ne invadi la lokajn kaj naciajn identecojn de la homoj. Aliaj atentigas, ke eĉ en Esperanto ekzistas hierarkioj neegalecaj, ekzemple rilate lingvokapablon, kaj foje eĉ en la Esperanto-movado regas okcidentaj modoj de homaj rilatoj, malpli komunaj en aliaj kulturoj.

## Krei dialogan kulturon

Kiel krei dialogan kulturon en la Esperanto-movado? En la granda socio, ekzistas homoj, kiuj rifuzas dialogon entute. Sed tiun problemon la Esperanto-movado plejparte ne havas. Aliflanke, kiel ni jam notis, foje la esperantistoj ŝajnas eviti veran dialogadon - aŭ, pli precize, ili bele parolas, sed, fronte al problemoj hejme (ekzemple rilate esperantistajn enmigrintojn), ili agas pli-malpli kiel la cetera socio, kun samaj antaŭjugoj. Vera dialogo kondukas al praktiko kaj realigo.
Kvankam parolantoj de Esperanto bone komunikiĝas inter si, estas diferenco inter komunikado kaj dialogo. Ĉi lastan oni malmulte praktikas. Se temas pri esperantistoj, same kiel aliaj homoj, ili scias paroli, sed ne tiel bone scias aŭskulti.

## Efika dialogo

Kio estas, do, efikeco en dialogado? Efika dialogado estas multe pli ol kolektado de faktoj: ĝi devas bazigi sur rekono de la komplikeco de la homo kaj ties sentoj kaj emocioj. Ĝi devas baziĝi ankaŭ sur serĉado de komunaj punktoj. Esenca al efika dialogo estas rekono kaj akcepto de diferencoj - inkluzive (kiel ni jam notis) diferencojn en la koncepto de dialogo mem en la koncernaj socioj, ekzemple diversaj normoj de parolado kaj aŭskultado. Eĉ la silento mem povas esti elemento en dialogado. Tute klara estas tio, ke dialogo estas pli ol la sumo de du monologoj.
Egaleco kaj paco estas esencaj kaj necesaj al efika dialogo, sed ne sufiĉaj: necesas la ĝusta medio kaj

sonas les abre el mundo por sua posibilidad de contactos personales directos y sus abundantes fuentes de información sobre el mundo. Además, los esperantistas mismos tienen tendencia a la tolerancia y aceptan las diferencias. A menudo es precisamente por esos rasgos, por lo que ellos eligieron aprender Esperanto.
Pero también el Esperanto en su actual estado de evolución tiene sus límites. Buscando un terreno común, los Esperanto-parlantes de una manera natural tienden a minimizar sus diferencias y a veces evitar un tratamiento profundo de grandes problemas mundiales: la necesidad de un techo común es a veces más importante que el tratamiento de temas que ocasionan división. Temen que el movimiento esperantista eventualmente no esté bastante fuerte para tratar profundamente preguntas que produzcan división. Algunos opinan que la relativa armonía del movimiento esperantista depende de la disposición a no invadir las identidades locales y nacionales de las personas. Otros advierten que incluso en el Esperanto existes jerarquías desiguales, por ejemplo en relación a la capacidad lingüística, y a veces incluso en el movimiento esperantista reinan las modas occidentales de derechos humanos, menos comunes en otras culturas.

## Crear una cultura de diálogo

¿Cómo crear una cultura de diálogo en el movimiento esperantista? En la gran sociedad existen personas que rechazan totalmente el diálogo. Pero ese problema el movimiento esperantista en su mayor parte no lo tiene. Por otra parte, como ya dijimos, a veces los esperantistas parecen evitar un verdadero diálogo - o, más exactamente, hablan bellamente, pero, frente a problemas en casa (por ejemplo en relación a inmigrantes esperantistas), ellos actúan más o menos como el resto de la sociedad, con los mismoj prejuicios. Un diálogo verdadero conduces a la práctica y a la realización.
Aunque los Esperanto-parlantes se comunican bien entre sí, hay diferencia entre comunicación y diálogo. Este último se practica muy poco. Si se ttrata de esperantistas, al igual que otras personas, ellos saben hablar, pero no saben tan bien escuchar.

## Un diálogo eficaz

¿Qué es, pues, eficacia en el diálogo? Un diálogo eficaz es mucho más que una recolección de hechos: debe basarse en el reconocimiento de la complejidad del ser humano y sus sentimientos y emociones. Debe basarse también en la búsqueda de puntos comunes. Esencial para un diálogo eficaz es el reconocimiento y aceptación de las diferencias - incluso (como ya dijimos) las diferencias en el mismo concepto de diálogo en las sociedades correspondientes, por ejemplo diversas normas de hablar y escuchar. Incluso el silencio mismo puede ser un elemento de diálogo. Es del todo claro que un diálogo es más que la suma de dos monólogos.
La iguadad y la paz son esenciales y necesarias para un diá-

la ĝustaj temoj. Se temas pri la Esperanto-komunumo, gravas, ke la dialogo ene de la komunumo okazu en proksima kontakto kun eksterstarantoj. Esperantistoj ne pensu, ke ili solaj posedas la veron. Fakte, havante je sia dispono neŭtralan lingvon, la esperantistoj havas apartan respondecon utiligi ĝin bone - do ne paroli nur pri Esperanto, sed ankaŭ per Esperanto, kaj ne paroli simple por paroli, evitante propran respondecon. Nuntempe, kaj kvankam estas gravaj kaj kuraĝigaj esceptoj, dialogado pri mondaj problemoj ene de la Esperanto-movado estas ofte iom banala, haste farata, kaj farata en ne tre taŭgaj medioj. Universalaj Kongresoj, ekzemple, ne estas idealaj medioj por tia dialogado, parte ĉar ili celas la internajn bezonojn de la Esperanto-movado, kaj parte (kaj pli grave) ĉar dialogo postulas tempon kaj necesigas altan nivelon de konfido, atingebla pli bone en malgrandaj grupoj. Aliflanke, tamen, eĉ tiaj "kvazaŭdialogoj" estas komenco, kaj meritas daŭrigon. Samtempe oni devas serĉi pli bonajn mediojn por profunda dialogo. La alveno de la Reto malfermas novajn eblecojn por Esperanto kiel dialoga lingvo, kaj jam oni komencas uzi ĝin tiucele.

## Pri kio dialogi?

Principe, Esperanto prezentas la eblecon dialogi pri ĉio, inkluzive la plej malfacilajn kaj disdividajn demandojn. Necesas trovi la ĝustajn mediojn kaj cirkonstancojn por tiu dialogo, ne apriore limigi la dialogon al nur certaj temoj. Trakto de grandaj mondaj problemoj ofte postulas specialistojn kaj fakulojn. Eble do indas komenci per la demando, "Kiuj ekzemploj de sukcesaj dialogoj ekzistas?" Efektive, mikronivelaj dialogoj - simplaj problemoj de kunekzisto en grupoj kaj malgrandaj sociaj rondoj - povas liveri al ni utilajn modelojn. Ofte, ĉiutagaj problemoj formas kernon de pli grandaj "gravaj" problemoj.

El ĉiuj grandaj mondaj problemoj trakteblaj de la Esperanto-movado, aldone al problemoj de lingva malsameco kaj lingva dominado, naciismo estas tiu, kiu pleje proksimas al la generala celaro de Esperanto. Tie, eventuale, la dialogo povus komenciĝi. Iuj argumentas, ke la starpunkto, ke ĉiu rajtas al sia propra lingvo (principo iom firme radikiĝinta en la konscion de aktivaj esperantistoj), povas konduki al apogado de ĝuste tiu naciismo, kontraŭ kiu la Esperanto-movado tiel forte laboris tra la jaroj. Gravas daŭrigi la diskutadon pri tiu ĉi punkto. Preter la demandoj pri lingva egaleco kaj pri kontraŭstaro de malvastaj konceptoj de naciismo, ekzistas ankaŭ aliaj problemoj, kiuj bezonas atenton pere de Esperanto, kaj kie Esperanto povus montri vojon, kiel ekzemple la homaj rajtoj (inkluzive la pozicion de virinoj en la socio), la fendo inter riceco kaj malriĉ-

logo eficaz, pero no son suficientes: es necesario el marco y los temas apropiados. Si se trata de la comunidad del Esperanto, es importante que el diálogo dentro de la comunidad tenga lugar en un contacto cercano con ausentes. No piensen los esperantistas que sólo ellos poseen la verdad. De hecho, teniendo a su disposición una lengua neutral, los esperantistas tienen una responsabilidad especial de utilizarla bien - por tanto no hablar sólo acerca del Esperanto, sino también por medio del Esperanto, y no hablar simplemente por hablar, evitando la propia responsabilidad. Actualmente, y aunque hay importantes y animadoras escepciones, el diálogo sobre problemas mundiales dentro del movimiento esperantista es a menudo algo banal, realizado rápidamente, y hecho en marcos no muy apropiados. Los Congresos Universales, por ejemplo, no son el marco ideal para tal diálogo, en parte ya que ellos van dirigidos a las necesidades internas del movimiento esperantista, y en parte (y más importante) ya que el diálogo requiere tiempo y necesita un alto nivel de confianza, que se puede conseguir mejor en grupos pequeños. Por otra parte, sin embargo, incluso tales "pretendidos diálogos" son un comienzo, y merecen una continuación. A la vez se deben buscar unos marcos más apropiados para un diálogo profundo. La llegada de la Red abre nuevas posibilidades para el Esperanto como lengua de diálogo, y ya se la comienza a usar con ese objetivo.

## ¿Acerca de qué dialogar?

Principalmente, el Esperanto presenta la posibilidad de dialogar sobre todo, incluso las cuestiones más difíciles y generadoras de división. Es preciso encontrar los marcos y circunstancias adecuadods para ese diálogo, no limitar *a priori* el diálogo a sólo ciertosj temas. El tratamiento de grandes problemas mundiales a menudo requiere especialistas y profesionales. Por tanto quizá merece la pena comenzar por la pregunta, "¿Qué ejemplos de diálogo exitosos existen?" En efecto, diálogos de micronivel - problemas simples de coexistencia en grupos y pequeños círculos sociales - pueden proporcionarnos unos modelos útiles. A menudo, unos problemas cotidianos forman el núcleo de mayores "y más importantes" problemas.

De todos los grandes problemas mundiales que se pueden tratar por el movimiento esperantista, además de los problemas de la diferencia lingüística y la dominación lingüística, el nacionalismo estas el que más se aproxima a los objetivos generales del Esperanto. Ahí, eventualmente, el diálogo podría comenzar. Algunos argumentan que el punto de partida de que todos tienen derecho a su propia lengua (principio algo firmemente enradicado en la conciencia de activos esperantistas), puede conducir precisamente al apoyo de ese nacionalismo, contra el cual el movimiento esperantista trabajó tanto durante años. Es importante continuar la discusión acerca de ese punto. Más allá de las cuestiones sobre igualdad lingüística y sobre oposición a conceptos estrechos de nacionalismo, existen también otros problemas que requieren atención por medio del Esperanto, y donde el Esperanto podría mostrar un camino, como por ejemplo los derechos humanos (incluyendo la situa-

eco, aspektoj de tutmondiĝo (inkluzive lingvan imperiismon), kaj ekologiaj demandoj. Ankaŭ la etikaj diferencoj inter civilizoj povus esti bone esplorataj pere de Esperanto.

## Sukcesaj modeloj

Oni povas montri al pluraj ekzemploj de sukcesa dialogado en la Esperanto-komunumo, kaj ankaŭ al sukcesaj klopodoj utiligi Esperanton por informi ĝiajn parolantojn pri mondaj aferoj. Tia agado ja havas longan historion, ekde la klopodoj de UEA ligi kontaktojn inter familianoj dividitaj de la Unua Mondmilito, tra la ankoraŭ daŭranta kaj de Unesko inspirita libroserio Oriento-Okcidento (de UEA), ĝis plej diversaj hodiaŭaj iniciatoj. Partoprenantoj en la diskutoj pri la kongresa temo menciis plurajn ekzemplojn. La programo Indiĝenaj Dialogoj, ekzemple, uzas Esperanton kiel praktikan komunikilon inter indiĝenaj grupoj, en spirito de neŭtraleco. La projekto pri komuna historio japana-korea kaj la Kunloĝadoj organizataj en Japanio kaj Koreio havas similan celon. Kunlaboro inter Verduloj okazas pere de Esperanto, kaj oni povas ankaŭ elstarigi agadon inter ĝemeligitaj urboj, gastigadon de parolantoj de Esperanto en aliaj landoj ol la propraj, kaj eĉ la rimarkindan harmoniiĝon de vidpunktoj inter Katolikoj kaj Protestantoj, kiu okazas dank al Esperanto kaj nepre superas la nivelon de eksteresperanta kunlaboro. La revuo *Monato,* Pola Radio, kaj aliaj amaskomunikiloj klopodas informi esperantistojn pri la mondo, kun signifa sukceso. Parolantoj de Esperanto vojaĝas kaj tenas kontaktojn unu kun alia en spirito, kiu superas en sia intenseco la suprajan informiĝon pri la mondo kaj la turisman kontakton, kiun havas multaj aliaj homoj.

Sed ekzistas potencialoj, kie en difinitaj landoj aŭ medioj oni jam spertis apartan sukceson. Ekzemple, klopodoj krei pli bonan komunikadon inter la generacioj en Brazilo estas esporteblaj al aliaj landoj. Sciante, ke eĉ la formo de dialogo varias de lando al lando kaj kulturo al kulturo, la esperantistoj povus per kombino de siaj spertoj unike kontribui per kreo de internacia kodaro pri kiel efike dialogi trans la kulturoj, eventuale en kunlaboro kun aliaj neregistaraj organizaĵoj. La partoprenantoj en la dialogo komisiis al la konversaciantoj, kiuj komencis la tri kunsidojn, ellabori specifan planon de agado, tiel ke la kongresa temo ne restu nura temo de kongreso, sed fariĝu parto de la konstanta agado de Universala Esperanto-Asocio kaj de la Esperanto-movado ĝenerale.

*Protokolis kaj resumis* ***Humphrey Tonkin***

ción de las mujeres en la sociedad), la brecha entre riqueza y pobreza, aspectos de mundialización (incluyendo el imperialismo lingüístico), y cuestiones ecológicas. También las diferencias éticas entre civilizaciones podrían ser bien investigadas por medio del Esperanto.

## Modelos exitosos

Se pueden mostrar varios ejemplos de diálogo exitoso en la comunidad del Esperanto, y también intentos exitosos de utilizar el Esperanto para informar a los que lo hablan sobre los asuntos mundiales. Tal actividad ciertamente tiene una larga historia, desde los intentos de UEA establecer contactos entre miembros de familias divididas por la Primera Guerra Mundial, a través de la serie de libros Oriente-Occidente (de UEA), aún existente e inspirada por la UNESCO, hasta las más diversas iniciativas actuales. Algunos participantes en las discusiones sobre el tema congresual mencionaron varios ejemplos. El programa Diálogos Indígenas, por ejemplo, usa el Esperanto como un instrumento práctico de comunicación entre grupos indígenas con un espíritu de neutralidad. El proyecto acerca de una historia común japano-coreana y las Convivencias organizadas en Japón y Korea tienen un objetivo similar. La Colaboración entre los Verdes tiene lugar por medio del Esperanto, y se puede destacar también la actividad entre las ciudades hermanadas, hopedaje de Esperanto-parlantes en otros países distintos del suyo, e incluso la destacable armonía de puntos de vista entre Católicos y Protestantes, que tiene lugar gracias al Esperanto y que indefectiblemente supera el nivel de colaboración extra-esperantista. La revista Monato (Mes), Radio Polaca, y otros medios de comunicación de masas procuran informar a los esperantistas acerca del mundo, con un éxito significativo. Algunos Esperanto-parlantes viajan y tienen contactos unos con otros en un espíritu que supera en su intensidad la información superficial sobre el mundo y el contacto turístico que tienen muchas otras personas.

Pero existen potenciales en los cuales en algunos países o marcos ya se experimentó un éxito destacable. Por ejemplo, los intentos de crear una mejor comunicación entre las generaciones en Brasil son exportables a otros países. Sabiendo que incluso la forma de diálogo varía de un país a otro y de una cultura a otra, los esperantistas pueden por la combinación de sus experiencias únicamente contribuir por la creación de un código internacional sobre cómo dialogar eficazmente por encima de las barreras culturales, eventualmente en colaboración con otras organizaciones no gubernamentales. Los participantes en el diálogo comisionaron a los conversadores que comenzaron las tres reuniones, elaborar un plan específico de acción, de tal manera que el tema congresual no quede en sólo un tema de congreso, sino que se haga parte de la acción constante de la Asociación Universal de Esperanto y del movimiento esperantista en general.

*Redactó y resumió* ***Humphrey Tonkin***

# KONGRESA REZOLUCIO



# RESOLUCIÓN DEL KONGRESO

La 86-a Universala Kongreso de Esperanto,
**kunveninte** en Zagrebo, Kroatio, de la 21-a ĝis la 28-a de julio 2001, kun la temo "Kulturo de dialogo - dialogo inter kulturoj",
**notinte**, ke Unuiĝintaj Nacioj nomis la jaron 2001 jaro de Dialogo inter Civilizoj,
**memorigante**, ke la Esperanto-movado havas longan historian de alproksimigo de la homoj sur bazo de egaleco trans bariloj de kultura diferenco, reciproka malrespekto, kaj eĉ militaj kondiĉoj, jam de la klopodoj de Zamenhof alproksimigi la mondajn religiojn, tra la agado de U.E.A. por reunuigi familiojn dividitajn en la Unua Mondmilito, ĝis nuntempaj elpaŝoj, kiel ekzemple la utiligo de Esperanto por komunikadi inter indiĝenaj popoloj (la t.n. Indiĝenaj Dialogoj) kaj por alproksimigi la korean kaj japanan popolojn,
**atentigas**, ke

- kiel internacia lingvo ne ligita al ŝtataj aŭ etnaj interesoj, Esperanto konsistigas idealan perilon de dialogo inter la kulturoj;
- tra pli ol cent jaroj, la komunumo de Esperantoparolantoj kreis tradicion de dialogo transnacia kaj transkultura, kio plene meritas nomi ĝin dialoga kulturo;
- efika dialogo postulas respekton al lingva, kultura kaj idea diverseco, kaj bezonas ne nur mensan malfermitecon sed ankaŭ la kapablon aŭskulti;
- aldone al siaj multaj rimarkindaj atingoj, Esperanto havas signifan neekspluatatan potencialon kiel dialoga lingvo.

**Sekve, la Kongreso**

- **gratulas** al Unuiĝintaj Nacioj kaj Unesko, ke ili decidis lanĉi klopodojn senpere alproksimigi kaj interkomprenigi la ordinarajn homojn, sen kies konvinko la registaroj estas esence senpovaj;
- aparte **petas** al UN kaj Unesko daŭrigi tiun ĉi kampanjon preter la jaro 2001;
- **atentigas**, ke tiuj klopodoj postulas proksiman kunlaboron de NRO-j;
- **rekomendas**, ke UEA proponu al UN kaj Unesko sian kunlaboron kiel organizaĵo unike bone kvalifikita por difini, en kunlaboro kun aliaj organizaĵoj, la eblojn kaj limojn de tia dialogo, kaj ĝin realigi;
- **rimarkigas**, ke efika dialogo inter diversaj kulturoj sur lingve demokratia bazo postulas prikonsideron de la bezono de nova internacia lingva ordo;
- **apelacias** al ĉiuj parolantoj de Esperanto, ĉiuj lokaj, regionaj, landaj kaj internaciaj Esperanto-organizaĵoj, kaj ĉiuj kiuj subtenas la celojn de Esperanto, kunlabori en la daŭra konservado kaj plifortigo de la dialoga kulturo, kiun prezentas Esperanto, kaj daŭre partopreni en la klopodoj de UNO kaj Unesko krei dialogon inter la civilizoj je tutmonda skalo, kiu estas tiel esenca por la paca evoluigo de la homa socio.

Zagrebo, la 28-an de julio 2001

El 86° Congreso Universal de Esperanto,
**reunido** en Zagreb, Croacia, del 21 al 28 de julio 2001, con el tema "Cultura de diálogo - diálogo entre culturas",
**teniendo en cuenta**, que las Nacionas Unidas declararon al año 2001 añro de Diálogo entre Civilizaciones,
**recordando**, que el movimiento del Esperanto tiene una larga historia de acercamiento de los hombres sobre una base de igualdad sobre las barreras de diferencias culturales, aversión recíproca, e incluso situaciones bélicas, ya desde los intentos de Zamenhof para aproximar las religiones del mundo, siguiendo con la actividad de la Asociación Universal de Esperanto para reunir a familias separadas en la Primera Guerra Mundial, hasta las actuales acciones, como por ejemplo la utilización del Esperanto para la comunicación entre pueblos indígenas (los denominados Diálogos Indígenas) y para aproximar los pueblos coreano y japonés,
**destaca**, que

- como lengua internacional no ligada a intereses estatales o étnicos, el Esperanto constituye un instrumento ideal de diálogo entre las culturas;
- a lo largo de más de cien años, la comunidad de los Esperanto-hablantes creó una tradición de diálogo transnacional y transcultural, que merece plenamente llamarse una cultura de diálogo;
- un diálogo eficaz requiere respeto a la diversidad lingüística, cultural e ideológica, y necesita no sólo apertura mental sino también la capacidad de escuchar;
- además de sus muchos logros destacados, el Esperanto tiene un significativo potencial no explotado como una lengua de diálogo.

**Por consiguiente, el Congreso**

- **felicita** a las Naciones Unidas y Unesco, porque decidieron promover intentos de aproximación directa y concienciación de las personas corrientes, sin cuya convinción los gobiernos son esencialmente impotentes;
- en especial **pide** a la ONU y Unesco proseguir esta campaña más allá del año 2001;
- **resalta**, que esos intentos requieren una colaboración de cerca de las ONGs;
- **recomienda**, que UEA proponga a la ONU y Unesco su colaboración como organización singularmente bien calificada para definir, en colaboración con otras organizaciones, las posibilidades y límites de tal diálogo, y realizarlo;
- **destaca**, que un diálogo eficaz entre culturas diversas sobre una base lingüísticamente democrática postula considerar la necesidad de un nuevo orden idiomático internacional;
- **apela** a todos los Esperanto-hablantes, a todas las organizaciones de Esperanto locales, regionales, nacionales e internacionales, y a todos los que apoyan los objetivos del Esperanto, que colaboren en la continua conservación y fortalecimiento de la cultura de diálogo, que presenta Esperanto, y participar sin cesar en los intentos de las Naciones Unidas y Unesco para crear un diálogo entre las civilizaciones a escala mundial, que tan esencial es para la evolución pacífica de la sociedad humana.

Zagreb, a 28 de julio del 2001

# Intervjuo

*Kiel kutime, la paĝoj de nia revuo estas malfermataj al tiuj aktivuloj de nia esperantista movado kiuj interesiĝas pri la disvastigado de la internacia lingvo kaj la problemaro kaj baroj kiujn nia movado devas alfronti en la plenumado de tiu tasko.*
*Hodiaŭ ni intervjuas samideanon Luis Serrano Pérez, el Sabadell, kiu, de antaŭ multe da tempo, bataladas en tiu lingva fronto de la monda problemaro. Ni planas prezenti, per sekvaj numeroj de* **Heleco**, *la opiniojn de aliaj gravaj esperantist(in)oj pri tiuj temoj kaj aliaj rilate al nia laboro favore al la solvado de la lingva problemo de la mondo.*

**Heleco: Vi aktivadas de antaŭ multaj jaroj en la Esperantista Movado kaj travivis la evoluon de tiu movado en nia lando kaj en la mondo ĝenerale. Surbaze de tiu sperto, eble vi havas propran opinion pri la kialo(j) de tiu fakto ke Esperanto ne sukcesas sufiĉe disvastiĝi tra la mondo por fariĝi la ponta lingvo inter la popoloj.**

**Serrano:** Nia nuna mondo, la socisistemo kiu regas ĝin, iamaniere signifas la fiasko de la ĉiamaj revoj de la homaro. Se vi demandas al iu ajn persono, kvankam ĉiam estas esceptoj, kion li/ŝi opinias pri la vivo post kvindek jaroj, preskaŭ ĉies respondo estus: *tio ne interesas al mi*, aŭ: *ni jam vidos*. En la menso de ĉiu homo ne estas projektoj por la estonteco, ĉiu klopodas nur adaptiĝi al la situacio de la nuna tago, senzorge kaj pensante en si mem, individue, ne kolektive.
Esperanto en tiu kunteksto: Multaj personoj konsideras ke estus bele se ni ĉiuj parolus unu lingvon aŭ estus internacia lingvo por reciprokra interkompreno. Sed tiu lingva problemo ne rekte tuŝas nian ĉiutagan vivon, do, kial lerni tian lingvon? Hodiaŭ la homo ne plu revas, li/ŝi nur celas la praktikan vivon, eltiri la plej grandan profiton per kiel eble malplej da peno, sen akcepti devigojn...
Jen tiu estas iu el la kialoj pro kio Esperanto ne plu sukcesis. Ĝis nun la Esperanto-movado ne sciis eltiri praktikan profiton, kiel pli bona vivmaniero. Esperanto ne donis nek donas monon kaj tio hodiaŭ estas io netolerebla. Labori kiacele se tiu laboro ne profitas al ni por plibonigi nian materian vivon? Se la kono de Esperanto estus alportinta dekomence materian profiton, sendube la disvastiĝo de tiu internacia lingvo estus okazinta pli rapide. Ĉi tiu leĝo de la rekta kaj tuja profito regis kaj regos la mondon. Esperanto ŝajne ne atentis al tiu

# Interviú

*Como de costumbre, las páginas de nuestra revista están abiertas a los activistas del movimiento esperantista que se interesan por la difusión del idioma internacional y la problemática y las dificultades que nuestro movimiento debe encarar en la realización de esa tarea.*
*Hoy entrevistamos a nuestro colega Luis Serrano Pérez, de Sabadell, quien, desde hace mucho tiempo, lucha en este frente lingüístico de la problemática mundial. Tenemos proyectado presentar, en los siguientes números de* **Heleco**, *las opiniones de otros destacados esperantistas acerca de esos temas y otros en relación a nuestro trabajo en favor de la solución del problema lingüístico del mundo.*

**Heleco: Tu desarrollas tu actividad desde hace muchos años en el Movimiento Esperantista y viviste la evolución de ese movimiento en nuestro país y en el mundo en general. En base a esa experiencia, quizá tengas una opinión propia sobre las causas del hecho que el Esperanto no tuvo éxito en difundirse bastante en el mundo para hacerse la lengua puente entre los pueblos.**

**Serrano:** Nuestro mundo actual, el sistema social que lo domina, de alguna manera significa el fracaso de los eternos sueños de la humanidad. Si le preguntas a alguien, aunque siempre hay excepciones, lo que opina sobre lo que será la vida dentro de cincuenta años, casi todos te contestarán: *eso no me interesa*, o: *ya lo veremos*. En la mente de todo hombre no hay proyectos para el futuro, cada cual procura adaptarse a la situación del día de hoy, sin preocuparse y pensando sólo en sí mismo, individualmente, no colectivamente.
Esperanto en ese contexto: Muchas personas consideran que estaría bien si todos hablásemos una lengua o existiese un idioma internacional para la comprensión recíproca. Pero ese problema lingüístico no afecta directamente a nuestra vida cotidiana, por tanto, por qué estudiar tal lengua? Hoy el hombre ya no sueña, sólo se atiene a la vida práctica, sacar el máximo provecho con el menor esfuerzo posible, sin cargar con obligaciones...
Esa es una de las causas por las que el Esperanto no progresó más. Hasta ahora el movimiento esperantista no supo extraer una ventaja práctica, como una mejor manera de vivir. El Esperanto no dió ni da dinero, y eso hoy es algo intolerable. ¿trabajar, para qué, si ese trabajo no nos aprovecha para mejorar nuestra vida material? Si el conocimiento del Esperanto hubiese acarreado desde el principio un provecho material, sin duda la difusión de esa lengua internacional hubiese tenido lugar más rápidamente. Esta ley del provecho directo y rápido reinó y reinará en el mundo. El Esperanto al parecer no tuvo en cuenta esa realidad.

realaĵo.
Estas evidente ke finiĝis la epoko de la idealistoj, ĉefe en kio rilatas al la kolektiva vivo. Ĉiu pensas pri si mem. Kian profiton mi eltirus se pere de Esperanto mi havus korespondanton en Ĉinio, Usono aŭ Rumanio, se jam la ĉiutagaj inform-medioj informas nin, eĉ se tiuj informoj estas misinformoj? Tio okazas en ĉi tiuj evoluintaj landoj de Eŭropo. Foje rakontis al mi afrikana esperantisto: *Nu, dum kurso de Esperanto iuj lernantoj demandis al mi, kian profiton ili eltiros kiam ili regos Esperanton. Kompreneble mi devis respondi,* -rakontis la afrika esperantisto- ***nu, profito, profito nenion.*** *La sekvantan tagon ili ne plu prezentiĝis al la klaso.* En alia kazo, niĝeria esperantisto pensis, ke pro la granda lingva problemo ekzistanta en tiu lando, pli frue aŭ malfrue la lernado de Esperanto, fariĝos deviga, kaj tiam li pensis: *ĉar mi jam konas Esperanton mi atingos pli bonan postenon.*

**H: En iu el la lastaj numero de la revuo BOLETIN de HEF aperis artikolo via per kiu vi plendis pro tiu afero, sufiĉe polemika en nia hispana E-movado, de la forigo de la flago kaj la esperantistaj simboloj fare de la gvidantoj de nia landa Federacio. Poste per la sama presorgano respondis iu respondeculo de tiu Federacio defendante tian teniĝon. Supozeble, sub tiu polemiko de la afero «Flago jes/flago ne» enestas alia konflikto, alia kontraŭdiro pri malsamaj metodoj kaj stiloj en la demarŝado de la aferoj de nia E-Movado en Hispanio kaj en la strategio de la esperantistoj por la sukcesigo de nia afero. Kion vi opinias pri tiuj aliaj decidoj de la gvidantoj de nia landa Federacio: malaperigo de la E-libroservo de nia lando, ĉeso de la esperantlingva publikigo de BOLETIN kaj ties anstataŭo per la hispana lingvo kaj eĉ per la regionaj lingvoj...?**

**S:** Ja, ĉiu nova generacio devas alporti plibonigojn al la vivo, el kio rezultas la progreso. Do, konvenas ke estu renovigoj kaj novaj modoj. Sed tio ne signifas ke nepre konvenas ĉiu ajn ŝanĝo en ĉiu ajn tereno. Rilate al la simboloj, ni notu ke ĉiuj movadoj aŭ kolektivoj: ĉu politikaj, militistaj, ekonomiaj, kulturaj kaj aliaj havis siajn simbolojn, siajn distingilojn, ĉu en formo de afiŝoj, standardoj, flagetoj aŭ aliaj similaĵoj. Foriĝi de la normoj rilataj al la simbolo estas kvazaŭ sin senvestigi. Kunveni en iu ajn loko, ejo, en kiu ne ekzistus eĉ la minimuma montro pri kio temas la kunveno, ŝajnas io absurda. Tio ja estas kvazaŭ sin

Es evidente que se terminó la época de los idealistas, sobre todo en lo que se refiere a los asuntos de la colectividad. Casa cual piensa sólo en sí mismo. ¿Qué provecho puedo obtener si por medio del Esperanto yo puedo matener correspondencia con alguien de China, EE.UU. o Rumania, si ya me informan diariamente los medios de difusión, incluso si esa información es desinformación? Eso ocurre en estos países desarrollados de Europa. En una ocasión me contó un esperantista africano: *Pues, durante un curso de Esperanto algunos estudiantes me preguntaron, qué provecho obtendrían ellos cuando dominasen el Esperanto. Por supesto, tuve que responderles,* -añadió el esperantista africano- ***bueno, provecho, provecho, ninguno.*** *Al día siguiente ya no se presentaron a la clase.* En otro caso, un esperantista nigeriano pensaba, que debido al gran problema lingüístico existente en su país, tarde o temprano el estudio del Esperanto se haría obligatorio, y entonces él pensaba: *puesto que ya conozco el Esperanton conseguiré una colocación mejor.*

**H: En uno de los últimos números de la revista BOLETIN de HEF apareció un artículo tuyo en el que deplorabas esa cuestión, bastante polémica en nuestro mov. esperantista español, de la supresión de la bandera y los símbolos esperantistas por parte de los dirigentes de nuestra Federación nacional. Después, por el mismo órgano de prensa contestó un responsable de esa Federación defendiendo su actitud. Es de suponer que, bajo esa polémica de «Bandera sí/bandera no» subyace otro conflicto, otra contradicción sobre distintos métodos y estilos en la gestión de los asuntos de nuestro movimiento esperantista en España y en la estrategia de los esperantistas para la victoria de nuestro tema. Qué opinas sobre esas otras decisiones de los dirigentes de nuestra Federación nacional: desaparición del servicio de libros de Esperanto en nuestro país, interrupción de la publicación en Esperanto de BOLETIN y su sustitución por el español e incluso las lenguas regionales...?**

**S:** ĉiertamente, cada nueva generación debe aportar mejoras a la vida, de lo que rezulta el progreso. Por tanto, conviene que haya renovación y nuevos modos. Pero eso no significa que indefectiblemente conviene cualquier cambio en cualquier terreno. En relación a los símbolos, tengamos en cuenta que todos los movimientos o colectivos, sean políticos, militares, económicos, culturales y otros tuvieron sus símbolos, sus distintivos, bien sea en forma de pancartas, estandartes, banderitas u otros parecidos. Salirse de las normas en lo que se refiere a los símbolos es como desnudarse. Reunirse en un lugar cualquiera en el que no exista la más mínima muestra sobre qué trata la reunión, parece algo absurdo. Eso de verdad que es como ocultarse -por algún motivo-. Y precisamente las sectas son las que se ocultan del verdadero público. Una bandera, simplemente, identifica a los

kaŝi -pro io-. Kaj ĝuste la sektoj estas, kiuj sin kaŝas de la vera publiko. Flago tutsimple identigas la homojn, kiuj havas ĝin kiel simbolon. Se flago laŭ opinio de tiuj kvar aŭ kvin junuloj, (ne tiom junuloj) kiuj plendas, estas signo de sekto, kion diri pri la manifestacio de la sindikatoj, de la futbalamantoj, de multaj entreprenoj, k.t.p. kiuj flirtigas siajn simbolojn, aŭ ankaŭ eĉ la naciaj flagoj?.
Paradokse al tiu opinio, en San Javier (Murcio) okaze de la 60 HEF-kongreso estis sep flagoj en la Kongresejo, tri Esperantaj kaj kvar fremdaj al Esperanto (landa, aŭtonoma, loka kaj standardo). Ankaŭ ne al mi plaĉas tiu abundo de flagoj. Estas evidente, ke kun unu jam sufiĉas. Kompreneble, troigo estas troigo, ĉu en la multo aŭ en la malmulto.
Sed la problemo de la hispana Esperanto-movado ne rilatas al tiu temo de la flago, ĉar tiu flaga diskuto, estas nur kvazaŭ anekdoto. La problemo de la Hispana Esperanto-Movado estas multe pli grava. Ĝi malkreskas, tio estas la bedaŭrinda realo. Eble povas konsoli nin la fakto ke io simila okazas en aliaj landoj. La strategio de la Esperanto-movado nur estas unu: la okazigo de sukcesaj kursoj, kaj kiam ĉi tiu bazo de la movado fiaskas ne plu estas strategioj. Daŭre oni parolas pri strategioj, vanaj vortoj. La vera strategio, mi ripetas, estas la kursoj. Kiel interesigi la personojn sekvi Esperanto-kurson? jen radikas la kerno de la problemo.



Hispana Esperanto-Federacio, kulpas kaj ne kulpas. Kiam la bazo de iu ajn organizaĵo ne moviĝas, ne postulas al la gvidantaro agadi pli kaj pli, estas evidente ke la koncerna estraro faras nenion. Ŝajnas al mi, ke nuntempe la hispana esperantistaro trankvile dormetas aŭ atendas, ĉu iu Esperanta gazeto publikigas sian foton okaze de la Festo de Zamenhof, en kiu oni faris komunan foton dum frateca kunmanĝado. Eble kulpas la nuna epoko, sed estas kulpo ankaŭ de la esperantistoj mem, kiuj tre ofte restas ege pasivaj. La rezigno de HEF havi propran libroservon rezultas de la febla situacio de nia landa E-movado. Se la hispana esperantistaro estus legema, la libro-vendo estus kontentiga. Sed tio ne okazas. Transporti la librojn al hispanaj kongresoj estas ege multekosta, kaj la librovendo ne sufiĉas por pagi la transporto-kostojn. Krome la akiro de libroj, laŭ kondiĉoj de UEA es-

hombres que la tienen como símbolo. Si una bandera, según opinión de cuatro o cinco jóvenes, (no tan jóvenes) que protestan, es evidencia de secta, ¿qué decir sobre las de las manifestaciones sindicales, o las de los amantes del futbol, o las de muchas empresas, etc. que hacen ondear sus símbolos, o también incluso las banderas nacionales?.
Paradógicamente a esa opinión, en San Javier (Murcia) con ocasión del 60 Congreso de HEF, había siete banderas en el aula congresual, tres esperantistas y cuatro ajenas al Esperanto (nacional, autónoma, local y un estandarte). Tampoco a mi me gusta tal abundancia de banderas. Está claro que con una es bastante. Por supuesto, una exageración es una exageración, tanto en lo mucho como en lo poco.
Pero el problema del movimiento esperantista español no tiene relación con ese tema de la bandera, pues esta discusión viene a ser sólo anecdótica. El problema del movimiento esperantista español estas mucho más grave. Ese movimiento decrece, esa es la lamentable realidad. Quizá pueda consolarnos el hecho de que algo parecido ocurre en otros países. La estrategia del movimiento esperantista sólo es una: la realización de cursos con éxito, y cuando esta base del movimiento fracasa ya no hay más estrategias. Sin cesar se habla de estrategias: palabras vanas. La verdadera estrategia, repito, son los cursos. ¿Cómo interesar a las personas para que sigan cursos de Esperanto? esa es la raiz del problema.
La Federación Española de Esperanto tiene culpa y no la tiene. Cuando la base de cualquier organización no se mueve, no exige a los dirigentes actuar más y más, es evidente que los tales dirigentes no hacen nada. Me parece que actualmente los esperantistas españoles dormitan tranquilamente o esperan a ver si alguna revista esperantista publica su foto con ocasión de la Fiesta de Zamenhof, en la que se hizo una foto colectiva durante el banquete de confraternización. Quizá tenga culpa de eso la época actual, pero es culpa también de los propios esperantistas, que a menudo tienen una actitud muy pasiva.
La renuncia de HEF a tener su propio servicio de libros de Esperanto es consecuencia de la débil situación de nuestro movimiento esperantista nacional. Si los esperantistas españoles leyesen más, la venta de libros a sería satisfactoria. Pero no es así. Transportar los libros a los congresos nacionales resulta muy costoso, y la venta de libros no basta para cubrir los gastos de transporte. Además la adquisición de libros, según las condiciones

tas tre riska, ĉar ties Libroservo liveras ne malpli ol tri samtitolaj, ne sciante la landa Libroservo ĉu oni vendos ĉiujn. Do, la decido de HEF-estraro, eĉ se doloriga, estas komprenebla laŭ vidpunkto de la ĉiereganta merkato. Nu, mi informu, tamen, ke ankoraŭ ne tute perdiĝis nia landa Libroservo, ĉar ĉi tiu intervjuato sin kompromitis akcepti ties demarŝadon ĝis elcerpigo de la libro-stoko, laŭ interkonsentitaj kondiĉoj. Kaj mi mendos librojn al la eldonejoj, nur se estas mendoj, sed mianome.
Pri nia bela "BOLETIN" la HEF-estraro en San Javier decidis retiri tiun projekton; aperigi la teskton en kvin lingvoj ja estus vera Babelo-turo.
Sed en tiu kongreso de Sant Javier, prezentiĝis alia grava problemo. La HEF-estraro devis esti renovigita, sed eĉ ne unu kandidato sin prezentis por iu estrara posteno. Tio, estas ege danĝera ĉar signifas, ke ne estas fortoj por antaŭenirigi nian movadon. Ni jam vidos post kvar jaroj, kiam la HEF-estraro nepre devos esti anstataŭata.

**H: La procezo de tutmondiĝo kaj ties superreganta kulturo de ununura pensomaniero forbalaas ĉiun kulturan alternativon kaj ĉiun ideologian idealon kiel nia plano de Universala Lingvo por la interkompreno inter ĉiuj popoloj. Paradokse, multaj popoloj, inter ili la nia, akceptas tian tutmondiĝon angloparolantan, proponata de la imperiisma potenco, kiu masakradas etniajn lingvojn kaj kulturojn. Kion vi opinias pri tiu granda povo de la imperiism-favora propagando, kaj kio igis al homo kiel vi, marŝi kontraŭ tia fluŝo apogante la kaŭzon de Esperanto kaj aliajn idealojn kondamnitaj de la superreganta sistemo?**

**S:** La scienco kaj la tekniko alportis al la mondo novan koncepton de vivo kaj de rilatoj inter la homoj. Ni alvenis al tiu stadio nuntempe nomata "globaliĝo" aŭ "tutmondiĝo". Kiel ni alvenis al ĉi tiu situacio? Ni venis al ĉi tiu nova homa kunvivado, fakte pro la scienteknika progreso, precipe en kio rilatas al la transportoj kaj komunikado. Tiuj du gravaj koneksiloj en nia moderna vivo proksimigas la homojn kaj la varojn. En si mem la tutmondiĝo ne estas malbona afero. La problemo, la grava kaj bedaŭrinda problemo estas tio ke tiu procezo estas manipulata far de malmultaj manoj. La tutmondiĝo, sekvante la normojn de ĉi tiu socio en kiu ni vivas, estas alpropiiĝi je la tuta progreso, kiu estas regata de malmultaj personoj. La tutmondiĝo estas alia instrumento en la manoj de la potencaj sinjoroj aŭ financaj korporacioj por akiri pli kaj pli da povo. Plejparto el la homaro

de UEA es muy arriesgada, pues su servicio de librería suministra no menos de tres del mismo título, sin saber el servicio de librería nacional si se venderán todos. Por eso, la decisión de la dirección de HEF, incluso si dolorosa, es comprensible desde el punto de vista del mercado que lo domina todo. Bueno, debo informar, sin embargo, que aún no se perdió del todo nuestro servicio de librería nacional, pues este entrevistado se comprometió a aceptar su gestión hasta que se agote el stock de libros, según unas condiciones acordadas. Y yo pediré libros a las editoriales, sólo si hay pedidos, pero lo haré a mi nombre.
Sobre nuestro hermoso "BOLETIN" la dirección de HEF decidió en San Javier retirar ese proyecto; presentar el texto en cinco idiomas sería ciertamente una verdadera torre de Babel.
Pero en ese congreso de San Javier, se presentó otro grave problema. La dirección de HEF debía ser renovada, pero no se presentó ni siquiera un candidato para un puesto en la dirección. Eso es muy peligroso pues significa que no hay fuerzas para hacer avanzar nuestro movimiento. Ya veremos después de cuatro años, cuando la dirección de HEF deberá ser indefectiblemente sustituida.

**H: El proceso de mundialización y su cultura dominante del pensamiento único barren toda cultura alternativa y todo ideal ideológico como nuestro plan de una Lengua Universal para la comprensión entre todos los pueblos. Paradógicamente, muchos pueblos, entre ellos el nuestro, aceptan esa mundialización angloparlante, propuesta por la potencia imperialista que masacra lenguas y culturas étnicas. ¿Qué opinas sobre ese gran poder de la propaganda en favor del imperialismo?, y ¿qué hizo que un hombre como tu, marchara contra ese flujo apoyando la causa del Esperanto y otros ideales condenados por el sistema dominante?**

**S:** La ciencia y la técnica trajeron al mundo un nueva concepto de vida y de relaciones entre los hombres. Hemos llegado a este período actualmente llamado "globalización" o "mundialización". ¿Cómo llegamos a esta situación? Vinimos a esta nueva forma de convivencia, de hecho por el progreso científico-técnico, principalmente en lo que se refiere a los transportes y la comunicación. Esas dos importantes conexiones en nuestra vida moderna acercan las personas y las mercancías. En sí misma, la mundialización no es un mal asunto. El problema, el grave y lamentable problema es que ese proceso está manipulado por unas pocas manos. La mudialización, siguiendo las normas de esta sociedad en la que vivimos, es la apropiación de todo el progreso por parte de unas pocas personas. La mundialización es otro instrumento en las manos de los señores poderosos o corporaciones financieras para aumentar su poder. La mayoría de la

dormis kaj dormadas pri tiu eksterordinara fenomeno. Nun iuj avangardaj sektoroj de nia socio komencas vekiĝi, sed jam iomete malfrue, aŭ eble eĉ ne tro...
Kompreneble en tiu procezo de tutmondiĝo ne povas resti for la lingva afero. La lingvo estas unu el la efikaj iloj por submeti la homojn. La historio tion instruas al ni. En la pratempo la lingva problemo ne estis tiom grava, ĉar la plimulto de la homoj estis analfabetoj. Tiuj praaj imperioj preferis la glavon. Sed en nia moderna epoko la lingvo havas specialan rolon. Vi konstatu la hispanan imperion, kiu trudis la lernadon de la lingvo, jen Latina Ameriko. Ankaŭ la franca imperio en Afriko uzis la lingvon kiel koloniigan armilon, eĉ se ne tiom severe kiel la hispanoj. La brita imperio, ne restas for de tiu regulo. La fiasko de la angla lingvo en Afriko okazis pro la fakto, ke la britoj ne miksiĝis kun la popoloj, kun la indiĝenoj. Kiam la britoj foriris el Afriko, la angla lingvo restis nur por la altrangaj sinjoroj de tiu kontinento.
Nun superregas la Usona imperio, kiu forgesas nenian komponaĵon de nia ĉiutaga vivo por ĝin uzi siaprofite. Ili, la usonanoj, pere de la tutmondiĝo celas regi la mondon, ekonomie, militiste, finace kaj lingve. Usono kaj entreprenoj de tiu lando trudas pli malpli subtile la konon de sia lingvo. Ili bone scias, ke starigo de lingvo, estas bona vojo por alveni al la menso de la civitanoj kaj pli facile manipuli ilin. Kaj okazadas (angl)lingva tutmondiĝo. Ĉar la angla rolas kiel vera internacia lingvo, ni, esperantistoj devas ne trompiĝi rilate al la reala situacio.
Usono lerte scias eltiri monon, profiton el ĉio, kion ili tuŝas. Ne demandu al ili, ĉu tion ili rajtas? La respondo estas: *ni vivas en demokratio kaj en plena libero.* Kaj tute libere ili postulas la konon de la angla. Ili ne interesiĝas pri tio ĉu la angl-lingva lernado mortigas aŭ silentigas aliajn lingvojn. La respondo ĉiam estas la sama: *ni vivas en demokratio tute libera.* Jes, vi povas demandi ĝis kiaj limoj estas tiu demokrata libero? La usonanoj al kiuj aliĝis, kiel simplaj servistoj la angloj, scias eltiri monon de la lingva lernado. Jam estas sufiĉe konata, la bezono lerni la anglan por havi laboron. Nu, tiucele eksplodis lernejoj de la angla lingvo; multaj miloj da angl-lingvaj lernejoj estas nia lando. Kaj jen, ke lernante la anglan oni povas havi monon kaj kiel dirite plibonigi la proprajn vivkondiĉojn. Kaj tio estas kion ne scias fari, aŭ ne povis la Esperanto-movado. Ĉu ĝi ne sciis? ĉu ĝi ne povis? gravaj demandoj kaj malfacilaj respondoj.
Pri la temo de la idealoj, de la revoj kaj eĉ de la homaj rajtoj, la tutmondiĝo kontrolata de la finan-

humanidad durmió y sigue durmiendo acerca de ese fenómeno extraordinario. Ahora algunos sectores de vanguardia de nuestra sociedad comienzan a despdertarse, pero ya algo tarde, o quizá no demasiado...
Por supuesto, de ese proceso de mundialización no puede quedar fuera el tema lingüístico. El idioma es uno de los instrumentos eficaces para someter a las personas. Eso nos enseña la historia. Antiguamente el problema lingüístico no era tan grave, pues la mayoría de las personas eran analfabetas. Aquellos antiguos imperios preferían la espada. Pero en nuestra época el idioma juega un papel especial. Véase, por ejemplo, el imperio español, que impuso su lengua, como lo muestra el caso de Hispanoamérica. También el imperio francés en África usó el idioma como arma colonizadora, aunque no tan drásticamente como los españoles. El imperio británico no queda fuera de esta regla. El fracaso del inglés en África tuvo lugar por el hecho de que los británicos no se mezclaron con los pueblos, con los indígenas. Cuando los británicos marcharon de África, el inglés quedó sólo para las clases altas de ese continente.
Ahora domina el imperio norteamericano, que no olvida ningún aspecto de nuestra vida cotidiana para usarlo en su provecho. Ellos, los norteamericanos, por medio de la mundialización pretenden dominar el mundo, económica, militar, financiera y lingüísticamente. EE.UU. y empresas de ese país imponen más o menos sutilmente el conocimiento de su lengua. Ellos saben bien que la imposición de un idioma es un buen camino para llegar a la mente de los ciudadanos y manipularlos más fácilmente. Y tiene lugar la mundialización angloparlante. Ya que el inglés juega el papel de una verdadera lengua internacional, nosotros, los esperantistas no debemos engañarnos acerca de la situación real.
EE.UU. astutamente sabe obtener dinero y provecho de todo lo que tocan. No les preguntes si tienen derecho a hacer eso. La respuesta sería: *vivimos en una democracia y en plena libertad.* Y de una forma totalmente libre ellos reclaman el conocimiento del inglés. A ellos no les preocupa el hecho de que el estudio del inglés hace morir o silencia otras lenguas. La respuesta es siempre la misma: *vivimos en una democracia totalmente libre.* Sí, les puedes preguntar hasta qué grado se extiende esa libertad democrática. Los norteamericanos, a los que se añaden, como simples criados los ingleses, saben extraer dinero del aprendizaje del idioma. Es de sobra conocida la necesidad de aprender el inglés para tener trabajo. Así, con esa finalidad está teniendo lugar esa eclosión de las academias de inglés; los muchos miles de academias de inglés que hay en nuestro país. Y así tenemos que estudiando el inglés se puede tener dinero y por así decir mejorar la propias condiciones de vida. Y eso es lo que no sabe o no puede hacer el movimiento esperantista. ¿No sabe? ¿no puede? importantes preguntas y difíciles respuestas.
Sobre el tema de los idealies, los sueños e incluso de los

caj potenculoj ja priridas tiun aspekton de la homaj zorgoj. La superreganta ideologio ĉiurimede forbalaas aŭ intencas forbalai tiajn emojn de la homa penso en la tuta planedo, eĉ de lingva vidpunkto. Sub la premo de tiu ideologio, kiacele lerni Esperanton, se ĝi ne donas al mi monon? prefere la angla. Ĉu ni povas kritiki la viktimojn de tiu ĉiopova propagando? Ĉiukaze ni ne forgesu ke la lingva temo estas nur parto de la procezo de tutmondiĝo, kun pli malpli grava rolo.
Ni, esperantistoj, jam de antaŭ pli ol 100 jaroj daŭre proklamas la fratecon, la pacan celon, la internan ideon de Esperanto, sed senĉese ni malatentas pri la realo de nia mondo. Kaj ni ne vivas for de tiu realo, sed ni ne scias uzi tiun fluon de la tutmondiĝo senideala. Malgraŭ ĉio, mi sentas feliĉon kiel esperantisto kaj dume mi profitas la fluon kaj avantaĝojn de la tutmondiĝo, sed batalante por enkonduki la konvenajn ŝanĝojn en la socio.

**H: Inter la grandaj ŝanĝoj okazantaj en la socio estas tiu fakto ke, pli kaj pli, la personoj forevitas la membriĝon kaj aktivadon ĉe asocioj, ĉefe la asocioj kaj rondoj kiuj ne rilatas al distrado, sportoj, turismo... Tio ege malfavoras, interalie, nian Esperantistan Movadon. En tiu monda kunteksto, laŭ via opinio, kiamaniere ni povos aliri al la granda homamaso kiun ne konas nian aferon? Ĉu povos utili tiucele iloj kiel «Internet» aŭ simile?**

**S:** La nuntempa homo, kiel dirite, ne zorgas pri tio, kio konvenas al la kolektivo, se tio postulas penon. La gejunuloj hodiaŭ studas nur cele al sia persona profito. Sendube tio ne koncernas al ĉiuj, sed jes ja al grandparto el la gejunuloj. La kolektiva batalo por konstrui pli justan socion estas ridinda afero laŭ ilia pensomaniero. Jen unu el la granda venkoj de ĉi tiu nomata «libera demokratio». Esperanto estas iomete revoluciema afero, ne nur en la lingva aspekto, sed ankaŭ en la ideo de homa solidareco kiun ĝi enportas. La superreganta sistemo preferas ke estu nenia unuiĝo. Ĝi preferas promocii tiajn aferojn kia la futbalo, kiuj ne inspiras profundajn pensojn en la amasoj. La futbalo estas scienco kiun ĉiuj komprenas kaj pri kiu ĉiuj povas diskuti; ĝi postulas nenian penon aŭ lernadon. Same, la moderna freneziga muziko estas alia aspekto de nia moderna vivo, en kiu la gejunuloj trovas momentojn por sin eksciti kaj doni plezuron al siaj korpoj. Konsideru nur tiuj du aspektoj de nia moderna vivo: la futbalo kaj la moderna muziko, kaj komparu ilin kun la lernado de Esperanto; kion preferos elekti junulo, en kies kapo es-

derechos humanos, la mundialización controlada por los poderosos de la financias ciertamente se ríe de ese aspecto de las preocupaciones humanas. La ideología dominante barre o intenta barrer por todos los medios esas tendencias del pensamiento humano en todo el planeta, incluso desde el punto de vista lingüístico. Bajo la presión de esa ideología, ¿con qué objetivo estudiar Esperanto, si no nos da dinero? preferiblemente el inglés. ¿Podemos criticar a las víctimas de esa propaganda todopoderosa? En todo caso no olvidemos que el tema lingüístico es sólo parte del proceso de mundialización, con un papel más o menos importante.
Nosotros, los esperantistas, ya desde hace más de 100 años proclamamos sin cesar la fraternidad, el objetivo de la paz, la idea interna del Esperanto, pero constantemente dejamos de prestar atención a la realidad de nuestro mundo. Y no vivimos fuera de esa realidad, pero no sabemos usar ese flujo de la mundialización sin ideales. A pesar de todo, me soento feliz como esperantista y mientras aprovecho el flujo y las ventajas de la mundialización, pero luchando para introducir los cambios convenientes en la sociedad.

**H: Entre los grandes cambios que tienen lugar en la sociedad está ese hecho de que, cada vez más, las personas aborrecen ser miembros y activistas de asociaciones, principalmente de las asociaciones y círculos que no tienen relación con el ocio, los deportes, el turismo... Eso perjudica enormemente, entre otros, a nuestro movimiento esperantistan. En ese contexto mundial, según tu opinión, ¿de qué manera podríamos llegar al gran público que no conoce nuestro asunto? ¿Pueden ser útiles para eso los instrumentos como «Internet» o similares?**

**S:** El hombre actual, como quedó dicho, no se preocupa de todo aquello que conviene a la colectividad, si ello requiere un esfuerzo. Los jóvenes hoy estudian sólo en favor de su provecho personal. Sin duda eso no se puede decir de todos, pero sí de la mayoría de los jovenes. La lucha colectiva para construir una sociedad más justa es una cosa ridícula según su manera de pensar. He ahí una de las grandes victorias de esta llamada «democracia libre». El Esperanto es una cosa algo revolucionaria, no sólo en el aspecto lingüístico, sino también en la idea de solidaridad humana que implica. El sistema dominante prefiere que no haya ninguna unificación. Prefiere promocionar cosas como el fútbol, que no inspira pensamientos profundos en las masas. El fútbol es una ciencia que todos comprenden y sobre la cual todos pueden discutir; no requiere ningún esfuerzo ni aprendizaje. También, la música moderna enloquecedora es otro aspecto de nuestra vida moderna, en el que los jóvenes encuentran momentos para excitarse y dar placer a sus cuerpos. Considérense sólo esos dos aspectos de nuestra vida moderna: el fútbol y la música moderna, y compárense

tas nenia idealo por pli da estonta homara feliĉo? La respondo ne estas malfacila. Kaj tiu vivostilo estas semata hodiaŭ. Verdire la grandaj potencoj de la tutmondiĝo ne interesiĝas por tio ke la popoloj estu kleraj, sufiĉas ke elito alportu malkovrojn sciencajn por ke ili povu daŭre regadi la mondon. Se la cetero el la homaro, la plejmulto restadas kvazaŭ brutaro, ŝafaro, des pli bone. Kaj Esperanto vole aŭ ne vole eniras en tiun kalkulon de la mastroj de la mondo.

Pri la turismo estas nenia problemo; jam estas la angla, kiu kapablis etendi sian influon al ĉiuj turismaj lokoj kaj institucioj. Por la turismo hodiaŭ kio gravas estas la mono, la cetero estas facile atingebla. La komerco de la turismo estas tiom ampleksa kaj tiom bone organizita surbaze de la angla lingvo, ke ĝi ne bezonas Esperanton. Iam mi legis en Esperanta gazeto spritaĵon: *ĉu vi scias, kia estas la plej bona kaj taŭga internacia lingvo?, jes,* respondas la alia: *Esperanto; sed ne, tute ne,* oni lin korektis, *la plej bona internacia lingvo estas la mono.*

La nura rimedo, kiun ni havas por ke Esperanto pluvivu estas la propagando kaj la kursoj, kun la espero, ke la filozofio de nia ĉiutaga vivo ŝanĝiĝos kaj ne nur estu la materiaj valoroj, sed homa kunvivado, ĝusta interkompreno, ne submetigo de la homoj, justa disdonado de klerigado, familia etoso kaj aplikado almenaŭ minimuma de la famaj homaj rajtoj. Do ŝanĝo de nia nuna kunvivado al plej morala homa teniĝo estas la nura vojo de la esperantismo.

La novaj atingoj por la interkomunikado havas gravan rolon, Inter aliaj, ni menciu, ekzemple, la fama interreto. Estas evidente, ke intereto donas grandajn avantaĝojn por informado kaj komunikado, sed ankaŭ estas vero, ke uzanto de interreto, estas homo, izolita homo, antaŭ ekrano, kie li povas legi mesaĝojn. Samtempa telefonado dum la funkciado de la reto estas tro multekosta kaj ne tolerebla por multaj poŝoj. Krome la esperantisto "enretigita" neniam iras al la klubo, perdas la kontakton personan kun aliaj esperantistoj, jes li praktikas nur parte la lingvon, ĉar preskaŭ neniam ili parole konversacias. Do estas avantaĝoj kaj malavantaĝoj. Ni "fervoraj" esperantistoj devos restadi konstante en la tranĉeo, eĉ se fiaskoj akompanas nin. Ne ekzistas alia rimedo, se ni deziras ke Esperanto pluvivu. Mi supozas, ke iam la vivo, ĉi tiu moderna vivo evoluos al plej humanaj valoroj. Mi kompatas niajn posteulojn, nian idaron se moralaj ŝanĝiĝoj ne venos. Eble tiam estos nia vico. Nun ni estas kvazaŭ ponto inter la hieraŭ kaj la morgaŭ.

con el aprendizaje del Esperanto; ¿qué preferirá elegir un joven, en cuya cabeza no hay ningún ideal sobre más de felicidad humana para el futuro? La respuesta no es difícil. Y ese estilo de vida es el que difunde hoy. En verdad, a las grandes potencias de la mundialización no les interesa que los pueblos sean instruidos, basta que una élite proporcione descubrimientos científicos para que ellas puedan seguir gobernando el mundo. Si el resto de la humanidad, la mayoría, permanece embrutecida, como un rebaño, tanto mejor. Y el Esperanto quieras que no entra en ese cálculo de los dueños del mundo.

Con el turismo no hay ningún problema; ya está el inglés, que fue capaz de extender su influencia a todos las zonas e instituciones turísticas. Lo que importa hoy para el turismo es el dinero, el resto se puede conseguir fácilmente. El comercio del turismo es tan amplio y tan bien organizado en base al inglés, que no necesita el Esperanto. Una vez leí en una revista esperantista un chiste: *¿sabes cuál es la mejor y la más apropiada lengua internacional?, sí,* responde el otro: *Esperanto; pues no, de ninguna manera,* se le corrigió, *la mejor lengua internacional es el dinero.*

La única solución, que tenemos para que el Esperanto resista es la propaganda y los cursos, con la esperanza, que la filosofía de nuestra vida cotidiana cambie y no sean sólo los valores materiales, sino la convivencia humana, correcta comprensión, no sometimiento de las personas, justa distribución de la cultura, ambiente familiar y al menos un mínimo de aplicación de los famosos derechos humanos. Por tanto un cambio de nuestra convivencia actual hacia una relación humana más moral es el único camino de los esperantistas.

Los nuevos adelantos para la comunicación tienen un gran papel. Entre otros, mencionemos, por ejemplo, la famosa internet. Es evidente que internet proporciona unas grandes ventajas para la información y la comunicación, pero también es verdad que un usuario de internet, es un hombre aislado, solo ante la pantalla, donde él puede puede leer mensajes. El uso del teléfono mientras funciona la red es demasiado caro e insoportable para el bolsillo de muchos. Además el esperantista "enredado" nunca asiste al club, pierde el contacto personal con otros esperantistas; sí, él practicas sólo parcialmente el idioma, pues casi nunca conversa de palabra. Así pues, tiene ventajas y desventajas. Nosotros, los esperantistas "fervorosos" debemos seguir constantemente en la trinchera, incluso si nos acompañan los fracasos. No hay otra solución, si queremos que el Esperanto siga viviendo. Supongo que alguna vez la vida, esta vida moderna, evolucione hacia unos valores más humanos. Compadezco a nuestros descendientes si no tienen lugar unos cambios morales. Posiblemente entonces será nuestro turno. Somos como un puente entre el ayer y el mañana.

# Centjaro 2001 Centenario

Inter la Centjaraj jubileoj kiujn oni rememoras ĉi-jare, estas tiuj de la morto de du elstaraj asturaj verkistoj: Ramón de Campoamor kaj Leopoldo Alas y Ureña 'Clarín'. Al la verkaro de ambaŭ, kune kun ties de kelkaj aliaj aŭtoroj de nia regiono, ni dediĉis en la jaro 1987a, centjaro de Esperanto, nian libron **Astura bukedo**. Ĝi estis esperantlingva traduko de kelkaj specimenoj de la astura alportaĵo al la hispana literaturo dum la jarcento pasinta ekde la apero de la Internacia Lingvo. Hodiaŭ ni inkludas en nian revuon, kiel omaĝo al la menciitaj verkistoj, iun tekston de Clarín kaj ties Esperantan tradukon, kiu ne estis inkludita en la menciita libro.



*Leopoldo Alas, Clarín*
*1852-1901*

Entre los Centenarios que se celebran este año, 2001, están los de la muerte de dos ilustres literatos asturianos: Ramón de Campoamor y Leopoldo Alas y Ureña 'Clarín'. A la obra de ambos, junto con la de otros autores de nuestra región, dedicamos en el año 1987, centenario del Esperanto, nuestro libro **Astura bukedo** (Ramillete asturiano). Se trataba de una traducción al Esperanto de varias muestras de la aportación asturiana a la literatura española durante el siglo transcurrido desde la creación de la Lengua Internacional. Hoy incluimos en nuestra revista, como homenaje a los mencionados escritores, un texto de Clarín y su traducción al Esperanto, que no había sido incluído en el mencionado libro.

## LA MALPERFEKTA EDZINO

Marikita Varela, ĉasta edzino de Ferdinando Osorio, konstatis ke de antaŭ iom da tempo ŝi fariĝadis saĝulino sen intenco siaflanke, nek kalkulante iel ajn eltiri profiton el la saĝeco. Okazis ke, de kiam la plejaĝaj knaboj, Ferdinandeto kaj Mariano, estis fariĝintaj plenkreskaj viretoj kaj enlitiĝadis per si mem kaj restis dum preskaŭ tuta tago en la lernejo, al ŝi restis multe da libera tempo, post la plenumado de siaj hejmaj taskoj, por haste enuiĝi; kaj cele de ne resti senfare, pensante malbonaĵojn pri la forestanta edzo, sindediĉanta nur kulpigi kaj pardoni lin, ĉio fantaziece, ŝi alvenis al la teniĝo legi kaj legi, kio por ŝi tiel estis novaĵo, ke komence tio ŝajnis al ŝi komika ĉar rareca.

Ŝi legadis kio ajn. Unue ŝi interesiĝis pri la libraro de la metio de sia edzo, kiu estis kuracisto; sed baldaŭ ŝi abomenis la ŝokon, la hororojn kiujn povas atigi la homa sufero, kaj multe pli la teknikajn troigojn, iuj el ili tre klare priskribitaj en grandaj desegnaĵoj je kiuj estis riĉa muzeo la biblioteko de Osorio.

Ŝi adresiĝis aliflanken, kaj legis literaturon, moralon, filozofion, kaj kiel resumo ŝi venis al la konkludo ke el multe da legado oni eltiras ian malgajecon inter volupteca kaj rezignacieca; sed ion malpli hororan ol la kontemplado de la homaj, materiaj doloroj, de la primedicinaj libroj.

Ŝi renkontiĝis kun kelkaj specimenoj de morala kristana literaturo; kaj tie pli atentis kaj komencis serioze dediĉiĝi al la legado, ĉar ŝi vidis en tio ion utilan kaj konvenan por sia situacio; sia situacio de virino kiu iam estis bela, gaja, admirita, amita, feliĉa, kaj kiu komencas vidi en la hori-

## LA IMPERFECTA CASADA

Mariquita Varela, casta esposa de Fernando Osorio, notaba que de algún tiempo a aquella parte se iba haciendo una sabia sin haber puesto en ello empeño, ni pensado en sacarle jugo de ninguna especie a la sabiduría. Era el caso, que, desde que los chicos mayores, Fernandito y Mariano, se habían hecho unos hombrecitos y se acostaban solos y pasaban gran parte del día en el colegio, a ella le sobraba mucho tiempo, después de cumplir todos sus deberes, para aburrirse de lo lindo; y por no estarse mano sobre mano, pensando mal del marido ausente, sólo ocupada en acusarle y perdonarle, todo en la pura fantasía, había dado en el prurito de leer y más leer, cosa en ella tan nueva, que al principio le hacia gracia por lo rara.

Leía cualquier cosa. Primero la emprendió con la librería del oficio de su esposo, que era médico; pero pronto se cansó del espanto, de los horrores que consiente el padecer humano, y mucho más de los escándalos técnicos, muchos de ellos pintados a lo vivo en grandes láminas de que la biblioteca de Osorio era rico museo.

Tomó por otro lado, y leyó literatura, moral, filosofía, y vino a comprender como en resumen, que del mucho leer se sacaba una vaga tristeza entre voluptuosa y resignada; pero algo que era menos horroroso que la contemplación de los dolores humanos, materiales, de los libros de médicos.

Llegó a encontrar repetidas muestras de literatura cristiana, edificante; y allí se detuvo con ahinco y empezó a tomar en serio la lectura, porque comenzó a ver en ella algo útil y que servía para su estado; para su estado de mujer que fué her-

zonto la sengracian maljunecon, la haŭtsulkojn, la blankharojn kaj la melankolia morto de la sekso en ties efiko. Estis ankoraŭ malprosima tia hororo, sed malbona simptomo estis tiome pensadi pri tio. Ĉar ŝiaj moralaj, religiaj legaĵoj, sufiĉe helpis ŝin rezignacii.

Sed okazis al ŝi tio, kio ĉiam okazas en tiaj cirkonstancoj: ke ŝi estis pli feliĉa dum ŝi estis nescia kaj konservis la infanecan penson sin taksi bona, nur pro tio ke ŝi havis bonajn pensojn, bonegajn intencojn, kaj tial ke ŝi preferis tiajn honestajn legaĵojn kaj meditadojn; kaj ŝi malpli estis feliĉa ekkomprenante sur kio baziĝas la perfekteco sentrompa, modesta, sen freneza konfido pri la propra merito. Tiam, vidante tiom malproksima (ho! multe pli malproksima ol la majuneco kun ties mizeroj!), tiom malproksima la reala merito sen iluzio, ŝi sentis sian animon plena je amareco, el ia glacia soleco,

sen mi, sen vi kaj sen Dio,

kiel eldiris Lopeo; sen mi, tio estas, sen ŝi mem, ĉar mankis memestimo, memkono, estis malkonfido pro la propra malmodesteco kaj egoismo; sen *vi*, tio estas, sen ŝia edzo, ĉar ve! la amo, la plena amo malaperis antaŭ multe da tempo; kaj sen Dio, ĉar Dio estas nur tie kie estas virto, kaj la reala, pozitiva virto, ne estis en ŝi.

Estis necesa kuraĝo por daŭre sondi tiun abismon de ŝia animo, en kiu tiom da peno pri humileco, pardono de la ofendoj, de amo al la kruco de la geedzeco, kiu portis ŝi sola, rezultis ke ĉio estis vanteco, romantikismo submaske de pieco, histeriismo, sugestio de sia soleco, artifikoj por elteni la foreston de la edzo, distrita tie en la mondo...

La reala merito, la firma virto, troviĝis malproksime, multe pli malproksime.

Kaj la amareco devi malapreci sin mem, se ne ĉar malbona, jes ja ĉar malmulte bona, estis la sola amuzo kiun ŝi povis permesi al si, al kiu ŝi nepre apelaciis, kiam, plenuminte siajn ordinarajn, vulgarajn, facilajn taskojn, kiel nun estis okazanta, kvankam taksante ilin malfacilaj, ŝi restis sola, deĵorante apud la petrolampo, atendante tiun Osorion, kiu, tiam, tre malfrue, revenadis kun brulecaj, kvazaŭrevaj okuloj kun ruĝecaj vangoj, afabla, eŭforia, kisegante la nukon kaj la frunton de sia eterna kunulino, kisoj kiujn, laŭ ŝia ŝajno kaj instinkto, metis la lipoj ie kaj la animo aliloke, tre malproksime.

Kaj iu nokto Marikita estis legante *La Perfekta Edzino*, de la sublima Frato Luis de León; y ŝi legis, honte ruĝiĝanta, dum ŝia koro malvarmiĝis: «*...Tiele, samkiale, no temas ĉi tie Dio pri la edzino kiu estas honesta kaj fidela, ĉar ŝi eĉ ne volas pensi pri la ebleco esti malbona. Ĉar, verdire, radiko de malhonesteco estas en la ĉasta virino pensi ke ŝi povas ne esti tia, aŭ ke estante tia ŝi faras ion dankindan.*»

Kaj kvazaŭ Frato Luis estus verkinta tion nur por ŝi, kaj en tiu momento mem, kaj ne skribante, sed parolante je ŝia orelo, Marikita tiome hontiĝis ke ŝi kovris sian vizaĝoj per la manoj, kaj sentis en sia nuko, ne iu kiso *in partibus* de ŝia edzo, sed la elspiro de la aŭgustenano kiu, per vortoj de la Sankta Spirito, bruligis al ŝi la cerbon tra la kranio. Ŝi volis kuraĝi, pentofare, kaj daŭrigis la legadon, kaj ŝi eĉ alvenis al tiu punkto kie poste diras: «*Kaj ĝuste, samkiel tiu kiu entreprenas trairi la vojon al Sankta Jakobo, kvankam li ne alvenus tien, jam oni nomas lin pilgrimanto, tiele, sendube, estas ekputiniĝanta tiu ino kiu konsentas pripensi tiajn aferojn, kiuj estas la vojo.*»

mosa, alegre, obsequiada, amada, feliz, y que empieza a ver en lontananza la vejez desgraciada, las arrugas, las canas y la melancólica muerte del sexo en su eficacia. Lejos todavía estaba este horror, pero mal síntoma era ir pensando tanto en aquello. Pues sus lecturas morales, religiosas, la ayudaban no poco a conformarse. Pero le sucedió lo que siempre sucede en tales casos: que fue más dichosa mientras fue neófita y conservó la vanidad pueril de creerse buena, nada más que porque tenía buenos pensamientos, excelentes propósitos, y porque prefería aquellas lecturas y meditaciones honradas; y fué menos dichosa cuando empezó a vislumbrar en qué consistía la perfección sin engaños, sin vanidades, sin confianza loca en el propio mérito. Entonces, al ver tan lejos (¡oh, mucho más lejos que la vejez con sus miserias!), tan lejos de la virtud verdadera, el mérito real sin ilusión, se sintió el alma llena de amargura, en una soledad de hielo,

sin mí, sin vos y sin Dios,

como decía Lope; sin mí, es decir, sin ella misma, porque no se apreciaba, se desconocía, desconfiaba de su vanidad, de su egoísmo; sin *vos*, es decir, sin su marido, porque ¡ay! el amor, el amor de amores, había volado tiempo hacía; y sin Dios, porque Dios está sólo donde está la virtud, y la virtud real, positiva, no estaba en ella. Valor se necesitaba para seguir sondando aquel abismo de su alma, en que al cabo de tanto esfuerzo de humildad, de perdón de las injurias, de amor a la cruz del matrimonio, que llevaba ella sola, se encontraba con que todo era presunción, romanticismo disfrazado de piedad, histerismo, sugestión de sus soledades, paliativos para conllevar la ausencia del esposo, distraído allá en el mundo... El mérito real, la virtud cierta, estaban lejos, mucho más lejos.

Y estas amarguras de tener que despreciarse a sí misma, sino por mala, por poco buena, eran el único solaz que podía permitirse, al que apelaba sin falta, cuando, cumplidos todos sus deberes ordinarios, vulgares, fáciles, como pensaba ahora, aunque sintiéndolos difíciles, se quedaba sola, velando junto al quinqué, esperando al buen Osorio, que, allá, muy tarde, volvía con los ojos encendidos y vagamente soñadores con las mejillas coloradas, amable, jovial, pródigo de besos en la nuca y en la frente de su eterna compañera, besos que, según las aprensiones, los instintos de ella, daban los labios allí y el alma en otra parte, muy lejos.

Y una noche leía Mariquita *La Perfecta Casada*, del sublime Fray Luis de León; y leía, poniéndose roja de vergüenza, mientras el corazón se le quedaba frío: «*...Así, por la misma razón, no trata aquí Dios con la casada que sea honesta y fiel, porque no quiere que le pase aún por la imaginación que es posible ser mala. Porque, si va a decir la verdad, ramo de deshonestidad es en la mujer casta el pensar que puede no serlo, o que en serlo hace algo que le debe ser agradecido.*»

Y como si Fray Luis hubiera escrito para ella sola, y en aquel mismo instante, y no escribiendo, sino hablándola al oído, Mariquita se sintió tan avergonzada que hundió el rostro en las manos, y sintió en la nuca, no un beso *in partibus* de su esposo, sino el aliento del agustino que, con palabras del Espíritu Santo, le quemaba el cerebro a través del cráneo. Quiso tener valor, en penitencia, y siguió leyendo, y hasta llegó donde poco después dice: «*Y cierto, como el que se pone en el camino de Santiago, aunque a Santiago no llegue, ya le llaman romero, así, sin duda, es principiada ramera la que se toma licencia para tratar de estas cosas, que son el*

Kaj, ĉiam premante per la manoj sian kapon, la edzino de Osorio restis primeditante:
Mi ekputiniĝanta kaj precize pro tio ke, se nun mi sentas konscienc-doloron, mi ĉiam estis konsiderinte ĝin kiel akra provo, merito de mia martireco, amara kaliko!
Ŝi memoris serion da malĝojaj travivaĵoj, grizkoloraj kiel cindro, sian historion, la plej proksiman, tiu de edzino respektata, amata sen iluzio, sola, kaj apartigita el la mondo preskaŭ ĉiam.
Preskaŭ ĉiam, ĉar iafoje revenis li, por tagoj, por horoj. Unue estis kompleta malproksimiĝo; la patrineca batalo, la gravediĝo, la akuŝo, la infana laktonutrado, vartado, la zorgoj kaj deĵoroj apud la lulilo; kaj ree: la graved-periodo, pli kaj pli timita, kun malpli da fortoj kaj pli da teruraj aŭguroj; la akuŝo, la batalado kontraŭ la mamnutristino kiu venkas, ĉar la malforteco igas la patrinon kapitulacii; pli da maldormado, pli da zorgado, pli da timoj... kaj la edzo kiu komencas dizerti, en kiu malaperas io kio ŝajnas nenio, kaj estis nenio malpli ol la amo, la plena amo, la iluzio de la tuta vivo de la edzino, ŝia sola idilio, la sola permesata volupto, ĉiam modera.
Kiel printempa sunradio, kun la ripozo de patrineco venas la reviviĝo de la virino, kiu spertas la magneton de alies admiro; impulsoj de koketeco... kvazaŭ panteisma, tiel subtilaj kaj universalaj, kiuj estas gajeco, plaĉo, ne ŝajnante peko. Tio, kion oni deziras, estas iri sin rigardi sur la okuloj de la mondo kvazaŭ sur spegulo.
La okazo reveni al la teatrejo, al la dancejo, al bankedoj, promenejo, estas oferata de la edzo mem, kiu sin sentas kulpa, kiu ne volas *troŝarĝi la situacion*, kaj penas -nu, li penas, ni diru- ke sia edzineto, diable!, denove briletu, revenu al la mondo, honeste distriĝu. Kaj revenis Marikita al la mondo; sed... la mondo estis alia. Komence, ŝi ne scipovis vestiĝi; tio kio signifas la termino «vestiĝi». Senkaŭze, ŝi preterlasis la juvelojn, kvazaŭ ili estus skandalaj: ŝi ne kuraĝis streĉ-ĉirkaŭiĝi sin per la vestaĵoj, nek forigi tiom multe da internaj vestaĵoj kiujn ŝi uzas nuntempe, por sin defendi kontraŭ la malsanoj kiujn la patrineco alportis kun minaco de pli gravaj malbonaĵoj. Krome ŝi komprenas ke ŝi perdis la kompason rilate al la modoj. Ia sekreta instinkto diras al ŝi ka ŝi devas klopodi ŝajni modesta, pasi kiel iu ajn inter tiom multaj, kiuj plenigas la teatrejojn, la dancejojn, ne estante speciale rimarkitaj. Post ia horo, plennokte, ne intencante eviti tion, ŝi oscedas; kaj se la festo estas muzika afero aŭ sentimentala dramo, alveninte al la patosa parto ŝi memoras siajn filojn, tiujn blondajn kapojn ripozantaj sur la litkuseno, sub la malforta lumo de lampeto, solaj, sen la patrino. Malbona peko! Kia pentosento! Kaj ĉio, por kio? Por permesi al ŝi la malbelan kuriozecon flari alies amorojn, spioni rigardojn, kontempli la triumfojn de la belulinoj kiuj hodiaŭ brilas kiel brilis ŝi en alia epoko... Kiaj oscedoj! Kia pentosento!
Sub la malagrabla impreso de tiuspecaj noktoj, Marikita decidis ne reveni al la mondo, kaj dum multe da tempo ŝi respektis tiun decidon. Vane, kaĵolece, sia edzo volis peli ŝin al sinofero; ŝi ne eliris el la hejmo.
Sed jaroj pasadis, la knaboj kreskadis, la lasta akuŝo estis jam malproksima, la aĝo alportadis ian dikiĝon, fiziologian ekvilibron kiu estis sano, bona kaj abunda sango; kaj la printempo de la visceroj petoladis, evidentiĝante per restaĵoj de ia koketeco, *saudades (nostalgio)* de malnovaj ilu-

*camino.»*
Y, siempre con las manos apretadas a la cabeza, la de Osorio se quedó meditando:
-¡Yo ramera principiada y por aquello mismo que, si ahora siento como dolor de la conciencia que me remuerde, siempre tomé por prueba dura, por mérito de mi martirio, por cáliz amargo!
Por el recuerdo de Mariquita pasó, en una serie de cuadros tristes, de ceniciento gris, su historia, la más cercana, la de esposa respetada, querida sin ilusión, sola en suma, y apartada del mundo casi siempre.
Casi siempre, porque de tarde en tarde volvía a él, por días, por horas. Primero había sido completo alejamiento; la batalla maternal: el embarazo, el parto, la lactancia, los cuidados, los temores y las vigilias junto a la cuna; y vuelta a empezar: el embarazo, cada vez más temido, con menos fuerzas y más presentimientos de terror; el parto, la lucha con la nodriza que vence, porque la debilidad rinde a la madre; más vigilias, más cuidados, más temores... y el marido que empieza a desertar, en quien se disipa algo que parece nada, y era nada menos que el amor, el amor de amores, la ilusión de toda la vida de la esposa, su único idilio, la sola voluptuosidad lícita, siempre moderada.
Como un rayo de sol de primavera, con el descanso de la maternidad viene el resucitar de la mujer, que sigue el imán de la admiración ajena; ráfagas de coquetería... así como panteística, tan sutiles y universales, que son alegría, placer, sin parecer pecado. Lo que se desea es ir a mirarse en los ojos del mundo como en un espejo.
La ocasión de volver al teatro, al baile, al banquete, al paseo, la ofrece el mismo esposo, que siente remordimientos, que no quiere *extremar las cosas,* y se empeña -se empeña, vamos- en que su mujercita ¡qué diablo! vuelva a orearse, vuelva al mundo, se distraiga honestamente. Y volvía Mariquita al mundo; pero... el mundo era otro. Por de pronto, ella no sabía vestirse; lo que se llama vestirse. Sin saber por qué, como si fueran escandalosas, prescinde de sus alhajas: no se atrevía a ceñirse la ropa, ni tampoco a despojarse de la mucha interior que ahora gasta, para librarse de achaques que sus maternidades trajeran con amenazas de males mayores. Además comprende que ha perdido la brújula en materia de modas. Un secreto instinto le dice que debe procurar parecer modesta, pasar como una de tantas, de esas que llenan los teatros, los bailes, sin que en rigor se las vea. Al llegar cierta hora, en la alta noche, sin pensar en remediarlo, bosteza; y si la fiesta es cosa de música o drama sentimental, al llegar a lo patético se acuerda de sus hijos, de aquellas cabezas rubias que descansarán sobre la almohada, a la tibia luz de una lamparilla, solos, sin la madre. ¡Mal pecado! ¡Qué remordimiento! ¿Y todo para qué? Para permitirse la poco simpática curiosidad de olfatear amores ajenos, de espiar miradas, de contemplar los triunfos de las hermosas que hoy brillan como ella brillaba en otro tiempo... ¡Qué bostezos! ¡Qué remordimiento!
Con el recuerdo nada halagüeño de las impresiones de noches tales, Mariquita se resolvió a no volver al mundo, y por mucho tiempo cumplió su palabra. En vano, marrullero, quería su esposo obligarla al sacrificio; no salía de casa.
Pero pasaban años, los chicos crecían, el último parto ya estaba lejos, la edad traía ciertas carnes, equilibrio fisiológico que era salud, sangre buena y abundante; y la primavera de

zioj, de senkulpaj frivolaĵoj kaj de serioza amo, triumfanta, sed ankaŭ morta, de ŝia edzo.
Marikita rememoradis nun, legante la verkaron de Frato Luis, siajn noktojn de teatro de tiu epoko.
Si alvenadis malfrue al la spektaklo, ĉar la idaro retenis ŝin, kaj tial ke la tualeto fariĝis senfina pro manko de kutimo kaj pro la senefiko de la provoj trovi en la spegulo, pene de mallertaj kosmetikaj aranĝoj, la Marikita de alia epoko, tiu kiu havis multajn adorantojn.
Siaj adorantoj de antaŭa epoko! Jen ĉi tie estas loko por sia pentosento, kiu nuntempe estas tia, kaj antaŭe, dum la travivado, rezultis glacia elreviĝo, intima, hontiga amareco... Tie kaj ĉi ĉie, en teatraj sidejoj kaj loĝioj, troviĝis iuj el tiuj pasintaj adorantoj... ne tiom maljuniĝintaj kiom ŝi, ĉar ili ne vartis knabojn, nek enfermiĝis enhejme dum multaj jaroj. Tra tiuj elstaraj kaj elegantaj *kokoj* ne pasadis la tempo!... Ankaŭ nuntempe... ili adoradis, laŭŝajne; sed aliajn, la novajn junulinojn; ili estas persistaj nur en tio ke ili, la friponuloj, admiras kaj amas la junecon. Ĵaluzo senespera, batalo por la pluekzistado de la iluzio, por la ekzistado de la seksa instinkto, igis ŝin intenci... frenezaĵojn; provi sur tiuj platonaj amantoj de antaŭa epoko la potencan efikon kiu sur ili efektivigis ŝiajn rigardojn, ŝia rideto... Ŝi rigardis kiel en la antaŭa epoko; ne mankis kiu perceptis la provokadon, kiu partoprenis en la melankolia kaj dolĉa memor-restaĵo... Tiam Marikita (tion ne povis vidi ŝi) estis reanimita; ŝi estis rejuniĝinta; siaj okuloj, malfortigitaj de la deĵorado apud la lulilo, estis rehavintaj la brilon de la pasio, de la satigita memestimo, de la inspirita koketeco... Rapidpasantaj lumradioj! Baldaŭ tiuj pasintaj adorantoj igis kompreni, nevole, senatente, ke ne eblis galvanizi la amon. Tio pasinta, estas pasinta. Ili revenadis al sia nuntempa adorado, al la kontemplado de la juneco, ĉiam *nova*; kaj tie, Marikita, la antikva reĝino de tiuj koroj, rikoltis de tempo al tempo rigardojn *kromajn*, preskaŭ pro kompato, eble nesinceraj, en ilia esprimado. Kia hororo, kia honto! Ŝanĝe de tiom mizera almozo de ama idealeco, tiaj hontigaj elreviĝoj! Kaj, konfuzita, glacia, ŝi estis ĉesinta pavi, eltiri rigardojn, kompreneble! kaŭze de orgojlo, memestimo. Sed tiu doloro, ŝi pensis nun, legante la verkaron de Frato Luis, la doloro de tiu elreviĝo... estis vera adultado!
Kiom da pekado, kaj sen iu ajn plaĉo! La disreviĝo en formo de krimo. La memestimo humiligita kaj la enorma pentosento. Kaj ŝi, kiu estis oferinta al Dio, page de aliaj kulpoj ordinaraj, negravaj, tiujn fiaskojn de sia vanteco, de io pli bona ol la vanteco, de la pura sento ĝui kun la bruloferado de la kor-inklino!
Jes, ŝi estis irinta, kun nekaŝita ĝuo, tiujn malmultajn paŝojn en la *vojo de Sankta Jakobo*... do pilgrimanto... putino ho!, ne, putino ne! Tio estis io forta, spite al la serafa poeto... Sed, *tute* krima ne, bona ja, ankaŭ ne. Nek bona, nek tiom malbona, kaj tiome suferinte! Ŝi suferis infinite, kaj ne estis perfekta. Ne povis ami ŝin nek Dio nek ŝia edzo. La edzo pro tio ke li estas laca, Dio pro tio ke li estas ofendita.
Kaj la malfeliĉulino pensadis, dum ŝi maldormis atendante la edzon forestantan, eble en iu orgio:
Dio mia! Dio mia! La vera virto troviĝas tiom alta, kaj la ĉielo estas tiom supre, ke foje ili ŝajnas revoj, iluziaj ĉar nealireblaj.

las entrañas retozaba, saliendo a la superficie en reminiscencias de vaga coquetería, en *saudades* de antiguas ilusiones, de inocentes devaneos y del amor serio, triunfador, pero también muerto, de su marido.
Mariquita recordaba ahora, leyendo a Fray Luis, sus noches de teatro de tal época.
Llegaba tarde al espectáculo, porque la prole la retenía, y porque el tocado se hacía interminable por la falta de costumbre y por la ineficacia de los ensayos para encontrar en el espejo, a fuerza de desmañados recursos cosméticos, la Mariquita de otros días, la que había tenido muchos adoradores.
¡Sus adoradores de antaño! Aquí entraba el remordimiento, que ahora lo era, y antes, al pasar por ello, habla sido desencanto glacial, amargura íntima, vergonzante... Acá y allá, por butacas y palcos, estaban algunos de aquellos adoradores pretéritos... menos envejecidos que ella, porque ellos no criaban chicos, ni se encerraban en casa años y años. ¡Por aquellos ilustres y elegantes *gallos* no pasaba el tiempo!... Ahora... adoraban también, por lo visto; pero a otras, a las jóvenes nuevas; constantes sólo, los muy pícaros, en admirar y amar la juventud. Celos póstumos, lucha por la existencia de la ilusión, por la existencia del instinto sexual, la habían hecho intentar... locuras; ensayar en aquellos amantes platónicos de otros días el influjo poderoso que en ellos ejercieran sus miradas, su sonrisa... Miró como antaño; no faltó quien echara de ver la provocación, quien participara de la melancolía y dulce reminiscencia... Entonces Mariquita (esto no podía verlo ella) se había reanimado, había rejuvenecido; sus ojos, amortiguados por la vigilia al pie de la cuna, habían recobrado el brillo de la pasión, de la vanidad satisfecha, de la coquetería inspirada... ¡Ráfagas pasajeras! Pronto aquellos adoradores pretéritos daban a entender, sin quererlo, distraídos, que no cabía galvanizar el amor. Lo pasado, pasado. Volvían a su adoración presente, a la contemplación de la juventud, siempre *nueva*; y allá, Mariquita, la antigua reina de aquellos corazones, recogía de tarde en tarde miradas de *sobra,* casi compasivas, tal vez falsas, en su expresión. ¡Qué horror, qué vergüenza! ¡Por tan miserable limosna de idealidad amorosa, aquellos desengaños bochornosos! Y, aturdida, helada, había dejado de presumir, de sonsacar miradas, ¡es claro! por orgullo, por dignidad. ¡Pero el dolor aquél, pensaba ahora, leyendo a Fray Luis, el dolor de aquel desengaño... era todo un adulterio!
¡Cuánto pecado, y sin ningún placer! El desencanto en forma de crimen. El amor propio humillado y el remordimiento por costas. ¡Y ella, que había ofrecido a Dios, en rescate de otras culpas ordinarias, veniales, aquellas derrotas de su vanidad, de algo mejor que la vanidad, del sentimiento puro de gozar con el holocausto del cariño!
Sí; habla andado, con mal oculta delicia, aquellos pocos pasos en el *camino de Santiago*... luego romero... ramera ¡oh, no, ramera no! Eso era algo fuerte, y que perdonara el seráfico poeta... Pero, si criminal *del todo* no, lo que es buena, tampoco. Ni buena, ni tan mala, ¡y padeciendo tanto! Sufría infinito, y no era perfecta. No podían amarla ni Dios, ni su marido. El marido por cansado, Dios por ofendido.
Y pensaba la infeliz, mientras velaba esperando al esposo ausente, tal vez en una orgía:
¡Dios mío! ¡Dios mío! La verdadera virtud está tan alta, el cielo tan arriba, que a veces me parecen soñados, ilusorios por lo inasequibles.

# Centjaro de la Preĝejo de Sankta Laŭrenco




# Centenario de la Iglesia de San Lorenzo

*verkis:* **María del Mar Pescador Benavente**

Ĉi-jare, 2001, oni festas la unuan centjaron de la Baziliko de Kovadongo. La historio de tiu templo kaj de la loko kie ĝi troviĝas estas sufiĉe interesa por ke ni atentu pri ĝi, kaj eble ni faros tion per iu el la sekvaj numeroj de nia revuo. Sed okazas ke la nuna jaro estas ankaŭ la centjaro de alia templo, malpli fama sed pli proksima: La parokejo de *Sankta Laŭrenco Martiro*, de Gijón.

Por organizi la festadon de tiu Centjaro formiĝis iu Komisiono kies unua Asembleo kunsidis jam en aprilo de la jaro 1994 sub la prezido de la nuna parokestro, don Eduardo Gordón Badiola. De tiam disvolviĝis multaj aktoj. Iu el ili estis la publikigo, en la jaro 1996, de la libro "La parokejo de Sankta Laŭrenco de Gijón", verkita de don Agustín Guzmán Sancho, el kiu estis eltirita la informo por ĉi artikolo. Iuj el la fotoj kiuj aperas en ĝi estis faritaj de don Isidoro Cortina del Frade kaj de sia patro don Isidoro Cortina Carriles, antikva esperantisto.

Antaŭ unu jarcento, en Gijón estis nur unu paroko: tiu de la Apostolo Sankta Petro, apud la maro, por ia senĉese kreskiĝanta loĝantaro kiu, krome, establiĝis en zonoj pli kaj pli malproksimaj de la templo. Oni decidis tiam la konstruadon de dua parokejo por nia urbo. Jam ekde la jaro 1849 oni studadis la eblecon konstrui novan preĝejon. Estis prikonsideritaj kelkaj alternativoj dum la lastaj jardekoj de tiu 19a jarcento. La lokoj, taksitaj kiel plej konvenaj por nova preĝejo, ĉirkaŭ 1879, estis du: la proksimaĵoj de la *Placeto San-Migel* kaj la *Karmen-kvartalo*. Fine oni decidis konstrui, ne unu, sed du parokejojn. Fakte, tiu ĉi de *Santa Laŭrenco*, kiun ni pritraktas, ne estis la dua, sed la tria de Gijón, ĉar estis finita unu jaro antaŭ tiu de *Santa Jozefo*, kiu festis sian centjaron pasintjare, la 2000a,

eĉ se la nuna templo de tiu paroko ne estas la sama kiun oni konstruis tiam, kiu lokiĝis en la *Humedal-Placo*. Ambaŭ preĝejoj de nia urbo, samkiel la menci-

Este año, 2001, se celebra el primer centenario de la Basílica de Covadonga. La historia de ese templo y del lugar en que está situado tiene sobrado interés para que le dediquemos nuestra atención, y sin duda lo haremos en alguno de los siguientes números de nuestra revista. Pero ocurre que este año es también el centenario de otro templo, menos famoso pero más cercano: La parroquia de *San Lorenzo Mártir*, de Gijón.

Para organizar la celebración de este centenario se constituyó una Comisión cuya primera Junta se reunió ya en abril de 1994 bajo la presidencia del actual párroco, don Eduardo Gordón Badiola. Desde esa fecha se han desarrollado muchas actividades. Una de ellas fue la publicación, en 1996, del libro "La parroquia de San Lorenzo de Gijón", escrito por don Agustín Guzmán Sancho, de donde he extraído los datos para este artículo. Algunas de las fotografías que lo ilustran son de don Isidoro Cortina del Frade y de su padre don Isidoro Cortina Carriles, antiguo esperantista.

Hace un siglo, Gijón contaba todavía con sólo una parroquia: la de San Pedro Apóstol, junto al mar, para una población que crecía sin cesar y se iba estableciendo en zonas cada vez más distantes de la ubicación de ese templo. Se decidió entonces la construcción de una segunda parroquia para nuestra ciudad. Ya desde 1849 se venía estudiando la posibilidad de construir un nuevo templo. Se barajaron diversas posibilidades durante las últimas décadas del siglo. Los lugares que se consideraban apropiados para una nueva iglesia, hacia 1879, eran dos: las inmediaciones de la *Plazuela de San Miguel* y el *Barrio del Carmen*. Finalmente se decidió la construcción, no de una, sino de dos parroquias. De hecho, la de *San Lorenzo* que estamos tratando no fue la segunda de Gijón sino la tercera, pues se terminó un año antes la construcción de la parroquia de *San José*, que celebró su centenario el pasado año 2000, si bien el templo actual no es el que se construyó entonces, el cual se encontraba en el lugar donde está hoy la *Plaza del Hume-*

ita Baziliko de Kovadongo, estis konstruitaj dank' al la decidemo kaj organiz-kapablo de Frat' Ramón Martínez Vigil, astura dominikano kiu estis promociita al la episkopa seĝo de la asturia diocezo en junio de la jaro 1884a. La loĝantaro de Gijón mirinde respondis al la pola monkolektado favore al la konstruado de la novaj preĝejoj.

Laŭ episkopa dekreto de la 31a de oktobro de la jaro 1893a, oni disponis la dispartigon de la paroko de *Sankta Petro* kaj la malaperigon de la antikva paroko de *Sankta Andreo de Ceareso*, por la kreado de du novaj parokoj sub la patroneco de la Patriarko Sankta Jozefo -Gijón evoluadis de vilaĝo de fiŝkaptistoj al urbo de metiistoj kaj industria-, kaj de la martiro Sankta Laŭrenco, pri kiu oni sentis de antaŭ multe da tempo grandan devotecon en la urbo.

*Sankta Andreo de Ceareso* restis kiel filio de *Sankta Laŭrenco*, Dum la konstruado de la novaj preĝejoj, la parokaj servoj de *Sankta Jozefo* efektiviĝis en la kapelo de *Nia Sinjorino de Karmeno*, kaj ties de la paroko de *Sankta Laŭrenco* en la kapelo de *Nia Sinjorino de Begonjo*.

En Gijón jam ekzistis iu kabo, iu strando kaj du kapeloj sub la nomo de «Sankta Laŭrenco», oni ne sciante kio transdonis la nomon al kio. Iu el la kapeloj troviĝis en la insuleto de la kabo de tiu nomo, kaj ĝi nomiĝis *Sankta Laŭrenco de la Maro*, y tiu troviĝanta je la komenciĝo de la strando de *Sankta Laŭrenco*, konstruita en la 16a jarcento, kiu nomiĝis *Sankta Laŭrenco de Tero*. Antikve oni festis en Gijón, ĉiu 10a de aŭgusto, tre solene, la tagon de *Sankta Laŭrenco*: post la meso en la kapelo de *Sankta Laŭrenco de Tero* la gefestantoj enŝipiĝis en boatojn kiuj estis tre ornamitaj per floroj, flagrubandoj kaj drapiroj, kaj plejĝoje ili translokiĝis al la ermitejo de *Sankta Laŭrenco de la Maro*, kie poste okazis gaja festdancado dum la cetero de la tago. Ĉi tiu kutimo estis revivigita antaŭ 4 jaroj, post esti forlasita dum pli ol 100 jaroj.

En la jaro 1894, por la konstruado de la nova preĝejo de *Sankta Laŭrenco* oni taksis kiel plej taŭga iun terenon kiu troviĝis en la *Promenejo de Begonja*. Dimanĉe, la 23a de aŭgusto de 1896a, okazis la ceremonio de solena metado de la unua ŝtono; en januaro de la sekvinta jaro estis komencigitaj la laboraĵojn de la fundamento. Ne mankis la kutimaj ekonomiaj malfacilaĵoj por kulmini la laboron, sed oni atingis la celon iom post iom, kvankam tre malrapide, kaj oni sukcesis starigi la templon, kiu poste estis difinita kiel "la plej



**Templo de San Lorenzo**

**(Foto de Isidoro Cortina)**

*dal*. Ambas parroquias gijonesas, así como la mencionada Basílica de Covadonga, deben su construcción a la decisión y capacidad organizativa de Fray Ramón Martínez Vigil, dominico asturiano que fue promovido al obispado de la diócesis asturiana en junio de 1884. El vecindario de Gijón respondió admirablemente a la suscripción popular abierta para la construcción de las nuevas parroquias.

Por un decreto episcopal de 31 de octubre de 1893, se disponía el desmembramiento de la parroquia de *San Pedro* y la supresión de la antigua de *San Andrés de Ceares*, para crear dos nuevas parroquias bajo la advocación del Patriarca San José -Gijón evolucionaba de ser una villa marinera a convertirse en artesana e industrial- y del mártir San Lorenzo, por quien existía desde hacía mucho tiempo gran devoción en la villa. *San Andrés de Ceares* pasó a ser una filial de *San Lorenzo*. Mientras se construían las nuevas iglesias, el servicio de la parroquia de *San José* se estableció en la capilla de *Nuestra Señora del Carmen*, y el de la parroquia de *San Lorenzo* en la capilla de *Nuestra Señora de Begoña*.

En Gijón existía ya un cabo, una playa y dos capillas con el nombre de «San Lorenzo», sin que esté claro qué dio nombre a qué. Una de las capillas se encontraba en el islote del cabo de este nombre, y se llamó *San Lorenzo de la Mar*, y la que se hallaba en el arranque de la playa de *San Lorenzo*, erigida en el siglo XVI, se llamó *San Lorenzo de Tierra*. Antiguamente se celebraba en Gijón, el 10 de agosto, con grandes fiestas, el día de San Lorenzo: después de la misa en la capilla de *San Lorenzo de Tierra* los romeros se embarcaban en lanchas muy adornadas con flores, banderolas y colgaduras y con gran jolgorio se trasladaban a la ermita de *San Lorenzo de la Mar*, donde tenía lugar una alegre romería durante el resto del día. Esta costumbre fue recuperada hace 4 años, tras más de 100 de abandono.

En 1894, para la construcción de la nueva iglesia de *San Lorenzo* se halló como más apropiado un terreno situado en el *Paseo de Begoña*. El domingo, 23 de agosto de 1896, tuvo lugar la ceremonia de colocación de la primera piedra; en enero del año siguiente comenzaron las obras de cimentación. No faltaron las típicas dificultades económicas para culminar la obra, pero se fueron logrando los objetivos, aunque con lentitud, y se logró levantar el templo, que había de ser calificado como "la iglesia más bella de la villa". Llamaba la atención la grandiosidad del templo, con cinco naves, tres principa-

